**B. Kotzin**
*ĉefredaktoro de «La Ondo de Esperanto».*

# Historio kaj teorio de Ido.

**Kun antaŭparolo de R. Brandt, profesoro-lingvisto de Moskva Universitato.**



LIBREJO
„ESPERANTO".
Moskvo, Lubjanskij projezd, 3.
Ruslando.
ooo

КНИЖНЫЙ МАГАЗИНЪ
„ЭСПЕРАНТО"
Москва, Лубянскій проѣздъ, 3.
Россія.
ooo

1913.

Prezo 50 kop. (Sm. 0,53).

**B. Kotzin**
*ĉefredaktoro de «La Ondo de Esperanto».*

# Historio kaj teorio de Ido.

**Kun antaŭparolo de R. Brandt, profesoro-lingvisto de Moskva Universitato.**



LIBREJO
„ESPERANTO“.
Moskvo, Lubjanskij projezd, 3.
Ruslando.
ooo

КНИЖНЫЙ МАГАЗИНЪ
„ЭСПЕРАНТО“.
Москва, Лубянскій проѣздъ, 3.
Россія.
ooo

1913.

*Dedîcata*

*al mia kara helpantino-edzino.*

# Antaŭparolo.

Al tiu ĉi libro mi promesis skribi antaŭparolon. Vere, promesante mi petis la verkanton tute ne allasi personan elementon, de kio tamen li ne povis sin deteni. Sed mi ne rifuzis partopreni en lia verko, ne volante perdi oportunan okazon unu fojon pli esprimi mian simpation al la esperanta movado. Krom tio mi estis tro kontenta, ke S-ro Kotzin forlasis la ordinaran (laŭ mi komplete malĝustan) taktikon de silento aŭ senmotiva moko pri la reformuloj: ke li kritikas kaj argumentas. Ankoraŭ liaj argumentoj por mi preskaŭ ĉiam estas konvinkaj.

Nur mi devas atentigi, ke, estante, kun iaj esceptoj, sampensa pri la faktoj de l'komparataj lingvoj, mi malkonsentas kun la uzitaj, tie kaj tie ĉi, ofendaj esprimoj. Mi ne dubas, ke la idistoj Kutjurá kaj Bofrón, tiuj entuziasmuloj de l'enkonduko de lingvo internacia, ĉiam volis kaj kredis labori por lingva mondunuigo. Bofrón, kredeble, venis en la Delegitaron defendonta la fundamentan Esperanton, sed vidinte, ke ĝi ne estos akceptita, komencis labori por ĝia venko en iom ŝanĝita formo. Kulpa li estas je la Majstro, kiel lia anstataŭanto, sed ne je l'ideo. Krom tio kulpo de S. Bofrón aŭ nerajteco de l'Delegitaro malmulte min interesas, kaj mi tuj akceptus la dialekton de l'uzurpuloj, se mi ĝin trovus preferinda *).

Miaparte mi petas la idistojn atenti al la nuna kritiko kaj lasi flanke la ofendajn vortojn, memorante, ke ankaŭ ili, ekzemple, mokis pri la Fundamento, kiel «sankta libro» kaj el-

*) Notu mi tie ĉi, ke Bofrón konvertis min al la finiĝoj -as, -is, -os, -us, kiujn pli frue mi deziris anstataŭigi per -an, -in, -on, -un, forigante la ofte tiel utilan akuzativon; en la artikolo pri tio li konvinke memorigas, ke «s» estas la finiĝo de la 3 persono en la lingvo angla, unu el la plej vastiĝintaj kaj plej civilizitaj lingvoj, havanta, kiel mi jam konfesis aliloke, iun rajton fariĝi mem internacia.

pensis rakonteton pri l'du «ruĝgorĝoj», kiu kvazaŭ pruvas malbelsonan siblemecon de Esperanto *).

Ĝenerale en granda komuna ago oni ja ne devas pensi pri personaj ofendoj. Diri tion mi kredas havi iun rajton, kiam mi ne protestis siatempe kontraŭ la supraĵa kritiko de Kutjurá pri mia artikolo «Pri l'Esperantu lingwu e su reform», afable presita de li en la 16 numero de l'Progreso, nek kontraŭ la fidelulaj kritikoj, kiuj nomis mian rusan propagandan broŝuron «Pri artefaritaj lingvoj ĝenerale kaj speciale pri Esperanto»—libro malutila.

La legantoj povus ankoraŭ demandi, kiel mi, reformulo, rajtas partopreni en verko fidelula.

Al tiu ĉi riproĉo mi antaŭ ĉio respondos, ke la aŭtoro mem ne estas fanatika fidelulo, kaj komprenas la eblecon eĉ en la limoj de la Bulonja deklaro fari nemalgrandajn ŝanĝojn. Aliflanke mi diros, ke skribante en la Progreso kritikon de Esperanto, kaj mallaŭdante en ĝi iajn aĵojn, mi estis ne nur rajtigata, sed eĉ devigata tenti la provon pri la ebleco de plibonigoj kaj fari ŝanĝoprojekton. Krom tio mi nun pensas, ke mia projekto estis tro radikala, kaj mi ne estis sekvanta la propran principon, metitan ĉe la komenco de mia artikolo: «ŝanĝi kiel eble malpli multe». Ankoraŭ tiu verketo, kvankam reformula, multaparte estis apologio de Esperanto kontraŭ Ido. Nun, repensante al iaj Zamenhofaj formoj, mi ne malofte vidis, ke ili estas pli bonaj ol mi estis kredanta. Ekzemple mi proponis diradi anstataŭ «ĉiu»—«omna», laŭ la latina «omnis», kaj anstataŭ «ĉiom»—«omnante», sed nun mi trovas, ke -ante estas neallasebla, ĉar ĝi estas verba finiĝo. Alia ekzemplo. Mi volis egale al la idistoj, skribi la literon «ĵ» sen ĉapelo, kaj la simplan «j», anstataŭigi per «y», sed nun mi en tio ne insistas. Kvankam supersignoj faras ian malfacilaĵon al skribo kaj al presigo, kaj kvankam, se oni uzas supersignojn, la slavlatina kaj sciencula (komence ĉeĥa) «z» kun supersigno estus pli analoga al «ŝ», tamen, ĉe la sufiĉa internacieco de la franca lingvo, kies «j» sonas «ĵ», kaj aliflanke ĉe la granda vastigo de l'litero «j» en la senco de l'esperanta «j», Zamenhof faris ne malbone, donante al tiu ĉi litero ambaŭ sencojn, distingante ilin per punkto kaj ĉapelo.

Parte mi eĉ estas pli fidela ol multaj fideluloj, ĉar mi kredas, ke ĉiu nova vorto, eĉ vorto sufiĉe internacia, estas peko kontraŭ la plej grava principo de *simpleco*, kaj ĉiam estas preferinde kunigi esperantajn elementojn; ekzemple mi malaprobas la vorton

---

*) Tiu ĉi rakonto parte estas atentinda: esperanta stilisto vere faros bone, se estos evitanta la intersekvon de multaj ĝ, ĉ kaj ŝ, kiel rusa verkisto faras bone, se iom atentas por ne trouzi nian plej oftan konsonanton «s».

«oceano», kiu ne signifas ian «anon», kaj rekomendas uzi «marego». (La citita vorto povas ankaŭ servi kiel ekzemplo de ŝajna internacieco—ĝiaj formoj en diversaj lingvoj, egalaj aŭ similaj ortografie, multe diferencas por la aŭdo; komparu ni la sekvantajn variaĵojn, skribitajn laŭ la prononco: germane «ócean», france «oseáng», itale «očéano», angle «oŝn», ruse «okeán»).

Laste, mi jam ne unufoje, kiel tie ĉi, skribis Esperante, proze kaj verse, sekvante la Fundamenton kaj mi povas atesti, ke mi trovas la lingvon taŭga por ĉia uzo.

*Profesoro de Moskva Universitato*

**Romano Brandt.**

*Aldono*. Tie ĉi mi notos iajn neĝustaĵojn pri miaj reformpensoj, enŝteliĝintajn en jenan libron. Pri «parsk» en la senco de «ĉar» mi rezignis en la 17 numero de l'Progreso. Ankaŭ mi rezignis pri la ĝentileca pronomo (ne «substantivo») «don», resto de mia simpligita latino (Romanizato), kie ĝi estis bona, flanke de «dómin» sinjoro, kaj ĝin anstataŭigis per «sjo». Ankoraŭ mi konsentis kun Kutjurá, ke en Ido, flanke de l'verbo «esar» (verbo mallaŭdinda), la sufikso anstataŭ -eso, -eco, ekzemple «grandeso»—«la esti granda», germane «das Groszsein» ne meritas mallaŭdon.

## Antaŭparolo de la aŭtoro.

La esperantistoj «... tute ne konas faktojn pri Ido kaj la lingvon mem; kontraŭe idistoj bone konas Esperanton kaj ĝian nunan staton».
*(«Progreso». 1912. Novembro).*

Komencinte studi Idon, mi petis profesoron C. sendi al mi literaturon pri Ido kaj li respondis al mi jene: «Kara amiko, ne lernu Idon. La tempo, kiun vi pasigos per Ido, estos ja ŝtelita ĉe Esperanto». Tamen, mi ne sekvis la konsilon de la estimata profesoro, ĉar mi ĝenerale ne konsentas kun la opinio, ke oni devas absolute ignori Idon kaj aranĝi la t. n. «*konspiron de silento*», kiu ofte similas la konsenton. Ni devis levi la ganton, ĵetitan al ni. Sed por batali kaj por venki, oni devas bone koni la atakantan malamikon,—ĝi estas aksiomo de la militarto. Do, la esperantistaro necese bezonas esti informita pri Ido, pri ĝia historio kaj teorio.

Estus neserioze kritiki Idon apriore, blinde, kaj kritiki sen sufiĉe profunda studado. Tial mi decidis trastudi detale la tutan diverslandan literaturon pri kaj en Ido, mi atente tralegis la tutan gazetaron de Ido, kaj ju pli profunde mi esploris ĝin, des pli kreskis mia certeco, ke Esperanto multrilate superas Idon *). Kompreneble, oni ne povas postuli, ke la tuta esperantistaro mem ellernu funde Idon, kaj jenamotive mi publikigas la legotan libreton, kiun nia samideanaro, eble, utiligos, diskutante kun Idistoj, precipe dum la publika diskutado. La ĉefa trajto, karakterizanta mian libreton, estas la «citemo», la «dokumentemo». Mi evitis altrudi mian personan opinion kaj mi preferis dokumente, per citaĵoj, defendi la tutan tezaron de mia modesta verketo, cedante la lokon al specialisto, pli kompetenta, pli aŭtoritata.

---

*) La literatura materialo, kiun mi utiligis por mia libreto, estas parte transdonita en la bibliotekon de Moskva Instituto de Esperanto.

Certe la persona elemento en granda dozo penetris la historian parton de mia libro, ĉar tiu parto temis ĝuste pri la *personoj*, nome pri s-roj Couturat kaj Beaufront. Pasis nur kelkjara periodo kaj, sekve, ne venis la tempo por verki historion senpersonan, senpartian; aliparte oni ĝis nun ne publikigis la plenan dokumentaron pri la Delegacia afero kaj nevole mi devis konjekti pri multo, penante diveni kelke da enigmoj, ekzemple, la enigmon pri la vera fizionomio de Beaufront. La estimata prof. Brandt en sia, pli supre presita, *antaŭparolo* parte faras *kontraŭparolon*: li proponas la hipotezon, ke «Beaufront kredeble venis en la Delegitaron defendonta la fundamentan Esperanton, *sed, vidinte*, ke ĝi ne estos akceptita, komencis labori por ĝia venko en iom ŝanĝita formo».

Bedaŭrinde, estas embriologia fakto, ke oni ne povas naski idon momente, nur «*vidinte*», sen ia preparo, eĉ sen ia embrio, kaj fine estas historia fakto, ke Beaufront venis en la Delegacion kun presita broŝuro pri Ido en la poŝo. Tiu poŝa gravedeco kaj ĝia sekreteco atestas pri tre suspektinda romano. Cetere, la hipotezo, farita de prof. Brandt, supozigas, ke Beaufront proponis la ŝanĝitan formon de Esperanto nur taktike el la strategia vidpunkto, por cedi al la deziro de la Delegacio, kvankam li mem persone estis kaj restis sincera fundamentisto, sincera malamiko de la reformoj, ĉar alie,—konforme al la hipotezo de prof. Brandt,—ne estas klarigebla la konservativa agitado, kiun Beaufront daŭrigis eĉ post la Delegacia decido. (Pli detalan esploron la leganto trovos sur la pĝ. 12—20).

Kiel vera lingvisto-specialisto, prof. Brandt skribas en sia antaŭparolo, ke la kulpo de Beaufront aŭ nerajteco de l'Delegitaro malmulte lin interesas. Same min, la aŭtoron de la legata libro, nemulte interesas la morala demando pri Beaufront kaj jura demando pri la Delegacio kaj, se mi detale esploris, ĉu la komitato rajtis reformi la elektitan lingvon, ĉu la komitato estis kompetenta k. c. (V. pĝ. 1—20), la sola kaŭzo estas, ke la Idistoj mem allogas la publikon per la falsa aŭtoritato de la Delegacio, precipe per la infana fabelo pri la «310 societoj» kaj «1250 scienculoj». Sammotive, mi ne povis ne paroli pri la personeco de Beaufront, ĉar la Idistoj sufiĉe fanfaronas pri la mirinda konverto de l'estinta vic-majstro de Esperanto, la konata, estimata kaj respektata L. de Beaufront. Jen estas la tuto, kion mi volis diri en mia antaŭparolo.

Nun mia nepra devo estas publike esprimi mian sinceran dankon al mia kara amiko, honesta idisto s-ro J. Roze, kiu forte akcelis mian studadon de Ido. Krome, mia tutkora danko apartenas al generalo Sebert kaj profesoro R. Brandt, kiu skribis la antaŭparolon kaj tiamaniere pruvis, ke s-ro Couturat kelkete eraris, afiŝante, ke «Neniu vivanta lingvisto aprobas Esperanton kaj

preferas ĝin al Ido». S-ro R. Brandt estas nedubeble vivanta profesoro-lingvisto *) kaj jen li en Esperanta lingvo esprimas sian simpation al nia movado, jen li sen ia fanatikeco deklaras, ke li tuj akceptus la dialekton de l'uzurpuloj (t.-e. de Idistoj. *B. K.*) se li ĝin trovus preferinda.

Citante la opinion de prof. Brandt, mi ne intencas pruvi, ke Esperanto estas pli bona ol Ido, kaj mia sola deziro estas montri la eraron de s-ro Couturat. Ŝajnas al mi, ke ĝenerale la Idistoj kondutus pli prudente, se ili silentus pri la scienceco de sia lingvo, ĉar unue nur unu sola «nemortinta» lingvisto estas idisto, kaj due ĉar la plimulto de lingvistoj, proksimume la tuta profesia lingvistaro, opinias, ke artefarita, retorta idiomo ne estas ebla, ke la ideo mem de lingvo internacia estas ĥimera. Do, se ni fidus blinde al la aŭtoritato de la lingvoscienco, ni devus kapitulaci kaj tute forlasi nian batalkampon. Sed, spite al la skeptika, kabineta lingvistiko ni kredas firme, ke ni batalas ne por utopio! Ni kredas!

B. Kotzin.

*P. S.* La legontoj ne miru, se en la lernolibroj de Ido kaj en la vortaroj de la j. 1907, 1908, 1909, 1910, 1911, ili trovos ian regulon aŭ radikon alian ol en mia libro. Oni ne forgesu, ke Ido post la jaro 1907 estis reformita kaj rereformita. Nature, mi penadis uzi la plej novan modelon de Ido.

Se oni deziros traduki mian libron en ian nacian lingvon, oni bonvolu turni sin al mi sub adreso: *Moskvo, al Redakcio de «La Ondo de Esperanto»*. La adreso sufiĉas, kaj mi estos tre danka, se la Idistoj adresos al mi leterojn kun la opinio pri mia verketo. Grandplezure mi akceptos korekton de ĉiu eraro.

*) En la pasinta jaro prof. Brandt festis la 25-jaran jubileon de sia scienca agado. Skribante la antaŭparolon por mia libro, li ĝuste estis provizore dekano de la Filologia Fakultato ĉe Moskva Universitato.

# Historia parto.

## I. Pri «Delegacio».

La delegacio estis «tre lerte kombinita teatraĵo, kies scenojn 2—3 personoj direktis post la kulisoj».

*(Prof. Boirac, rektoro de Diĵona Universitato, membro de la Delegacia Komitato).*

«*Linguo Internaciona di la Deleqitaro*»—tiu grandlitera, fiera surskribo nepre ornamas la kovrilon de Idistaj presaĵoj. Do, estos nature, se ni komencos per mallonga historia skizo.

La Delegacio por elekto de lingvo internacia estis iniciatita de s-roj L. Couturat kaj L. Leau dum la Universala ekspozicio en Parizo (1900), kaj la 17-an de Januaro, en la jaro 1901 estis subskribita de s-roj Cugnin, Laisant, Lalande, Couturat, R. de la Grasserie, Limousin kaj Leau la sekvanta deklaracio, kiun ni citas, ĉar ĝi prezentas oficialan programon kaj regularon de la Delegacio:

§ 1. Oni devas elekti kaj disvastigi la uzadon de helplingvo internacia, destinita ne por anstataŭi la naciajn idiomojn en la vivo individua de ĉiu popolo, sed por servi al la rilatoj, skribaj kaj buŝaj, inter la personoj, kies patrolingvoj diferencas.

§ 2. Helplingvo internacia devas, por plenumi utile sian rolon, esti konforma al la sekvantaj kondiĉoj:

1-a kondiĉo.—Esti kapabla servi al rilatoj ordinaraj de la socia vivo, al komerco kaj al la raportoj sciencaj kaj filozofiaj;

2-a kondiĉo.—Esti facile lernebla por ĉiu persono meze instruita kaj speciale por la personoj de civilizacio eŭropa;

3-a kondiĉo.—Ne esti ùnu el lingvoj naciaj.

§ 3. Oni devas organizi Delegacion ĝeneralan, reprezentontan la tutan kvanton de personoj, kiuj komprenas la necesecon kaj la eblecon de helplingvo internacia kaj kiuj interesiĝas pri ĝia realigo. La Delegacio elektos komitaton, konsistantan el membroj, povantaj kunsidi dum kelka tempo.

La rolo de la Komitato estas fiksita en la sekvontaj paragrafoj.

§ 4. La elekto de la helplingvo internacia apartenas unue al la Asocio internacia de l'Akademioj, poste, en okazo de malsukceso, al la Komitato laŭ § 3.

§ 5. Konsekvence, la unua misio de la Komitato estas prezenti, en deca formo, al la Asocio Internacia de l'Akademioj, la deziresprimojn de l'aliĝintaj societoj kaj kongresoj, kaj ĝin inviti respekte, ke ĝi realigu la projekton de helplingvo.

§ 6. Apartenas al la Komitato la rajto krei societon propagandan, destinitan por disvastigi la uzadon de la helplingvo elektita.

§ 7. La subskribintaj delegitoj sin turnas al ĉiuj societoj de sciencistoj, komercistoj kaj turistoj, invitante ilin aliĝi al la prezentata projekto.

§ 8. La Delegacion povos partopreni la reprezentantoj de *societoj regule formitaj*, kiuj aliĝos al la nun legata Deklaracio.

Se nun la leganto supozos, ke,—konforme al la § 8 de la Deklaracio,—la Delegacio mem estis regule formita societo, li eraros; la Delegacio, kiu devis propagandi sian ideon tra la tuta mondo, kiu kolektis monon, eldonis multe da libroj, broŝuroj, cirkuleroj, la Delegacio, kiu

devis elekti specialan komitaton por fine solvi la problemon de lingvo internacia, aspektis, kiel *privata* entrepreno, kaj kvankam ekz. en ĉiu privata akcia kompanio estas elektata la Administrantaro k. t. p., la Delegacio ne havis prezidanton, nek administracian komitaton (en la Delegacio funkciis nur du oficoj: sekretario estis s-ro Leau kaj kasisto s-ro Couturat), nek revizian komision, la Delegacio ne havis plenan regularon, kunsidojn k. t. p. Kiel ni jam diris, oficiale s-ro Couturat okupis nur la modestan oficon de la kasisto, sed en la realeco li estis la sola direktoro kaj eĉ diktatoro de la nomita pseŭdo-asocio. En la daŭro de ses jaroj s-ro Couturat aŭtokrate regis la tutan aferon, tamen li mem certe ne povus atingi ian rezultaton sen potenca helpo de la esperantistoj. Dank'al morala kaj financa helpado de la tutmonda esperantistaro oni eldonis multe da libroj pri la Delegacio; precipe dank'al energia agado de esperantistoj, membro de Franca Akademio de l'Sciencoj, generalo Sebert (ano de la Delegacia Patronkomitato), prof. Laisant, Meray k. t. p. oni kolektis la subskribojn de multaj societoj, sciencistoj, kaj oni efektivigis la petskribon de 1250 scienculoj, adresitan al la Internacia Asocio de Akademioj *). Fervore laboris por la Delegacio nia samideanaro, ĉar estis nedubeble, ke oni elektos Esperanton. Membro de la Delegacia Patronkomitato prof. Ostwald mem skribis, ekz., en sia broŝuro «Lingvo Internacia», pĝ. 30-a (*rusa eldono*): «persone mi pli kaj pli konvinkiĝas, ke Esperanto estos elektita». La samon aludis la fondintoj de la Delegacio, s-roj Couturat kaj Leau, en kies 576-paĝa «Histoire de la Langue univer-

*) La Internacia Asocio de l'Akademioj estas reprezentantaro de l'Akademioj diverslandaj (Amsterdamo, Berlin, Bruselo, Budapesto, Kristianio, Kopenhago, Lejpcigo, Londono, Munĥeno, Parizo, Peterburgo, Romo, Stokholmo, Vieno, Vaŝingtono). Ĝi estis fondita en la jaro 1900 kaj post ĉiu trijara periodo ĝi havas ĝeneralajn kunsidojn. La lasta kunsido okazis en la jaro 1913 en Peterburgo.

selle» estis defendataj Esper. akuzativo, la multenombra finiĝo—«j», la tabelo de pronomoj, la supersignitaj literoj k.t.p., k.t.p.

La senlaca agitado de l'esperantistoj efikis: al la Delegacio aliĝis 310 societoj *), la petskribo, adresita al la Internacia Asocio de l'Akademioj, estis subskribita de 1250 scienculoj, kaj rezultate la 15-an de Januaro de la jaro 1907 s-roj Couturat kaj Leau,—sekve de la § 4—5 de la Delegacia programo,—petis la internacian Asocion de l'Akademioj elekti la plej bonan lingvon internacian **), sed la Asocio de l'Akademioj,—konforme al la propono de Viena Akademio,—rezoluciis la 29-an de Majo (1907): ne decidi la demandon *senkompetente* ***) kaj teorie, ĉar la vivo mem praktike solvos la problemon kaj elektos mem la plej bonan lingvon universalan.

Post kiam la Asocio,—scienca aŭtoritato plej supera kaj plej internacia,—kategorie rifuzis la peton de la Delegacio, kiu sole kolektis la subskribojn de nur 310 societoj, precipe turistaj, sportistaj, fotografistaj (eĉ kelkaj urbaj bibliotekoj elektis sian delegiton), ĝi tamen kuraĝis preni sur sin la rolon de pli alta apelacia instanco: la 25-an de Junio ĝi elektis—aŭ, pli ĝuste, konfirmis—la komitaton, elektitan de s-ro Couturat, kaj tiu komitato devis solvi la problemon, konsistante el la sekvantaj 12 personoj: profesoro de Lima Medicina Fakultato Barrios (Peru, Sud-Ameriko), prof. Baudouin de Courtenay (Peterburgo), prof. Boirac (Diĵono), medicinisto prof. Bouchard (Paris), matematikisto Eötvös (Budapest), prof. Förster (Berlin), gazetisto Harvey (New-York), prof. Jespersen (Kopenhago), Lambros (Ateno), Paige

*) La aliĝo konsistis en tio, ke oni resendis al s-roj Couturat la presitan sur la pĝ. 1—2 «Deklaracion» kun subskribo, atestanta, ke la subskribinto opinias dezirinda la fondon de la Delegacio.

**) La peto estis sendita pere de la Viena Akademio de Sciencoj.

***) «Elle se déclarait *incompétente*» — diras la oficiala raporto de la Delegacio (Couturat et Leau. Compte rendu de Travaux du Comité, pĝ. 2).

(Liege), ĥemiisto Ostwald (Leipzig), prof. Schuchard (Graz). Sed el 12 «elektitaj» komitatanoj nur 3 konstante partoprenis la Komitaton kaj pro tio la Komitato mem invitis kelke da personoj kaj sen la elekto de la Delegacio enkomitatigis ilin, ekz., s-ron Rados (Budapest), s-ron Couturat, s-ron Leau, prof. Peano (Torino), s-ron Stead (London), la lasta ankaŭ ne povis veni kaj tial lin reprezentis s-ro Hugon (Leitchwort); same profesoron Bouchard (Paris) reprezentis kuracisto Rodet, s-ron Harwey (New-York)—abato Dimnet (Parizo), profesoron Boirac reprezentis s-ro Moch. Kiel honor-prezidanto estis elektita prof. Förster, prezidanto—Ostwald, vic-prezidantoj—Baudouin de Courtenay kaj Jespersen.

La komitato kunsidis en Parizo, inter 15—24 de Oktobro, 1907. Okazis vera konkurso de lingvoj artefaritaj, konkurso, kiu,—laŭ atesto de prof. Baudouin de Courtenay,—tre similis la faman religian konkurson, aranĝitan de antikva Kieva princo Vladimir la Sankta, nome la Komitato esploris longan serion de lingvo-projektoj: de s-ro Wise (Filipinoj), Lundström (Elberfeld), «Langage simplifié» de Thaust (Toulon), «Dilpok» de Marchand (Francl.), «L'Apolema» de R. de la Grasserie (Paris), «The Master Language» de Houghton (Ameriko), «Logo» de s-ro Darde (Makeevka, Rusl.), «Universal» de Molenaar (München), «Idiom Neutral» de «Akademi internasional de Lingu universal», «Neutral reformed» de Rosenberger (Peterburgo), «Novilatin» de Beerman, projekton de Blondel, k. t. p. La Komitato diskutis kun D-ro Nicolas, aŭtoro de Spokil, kun Bollack, aŭtoro de Langue Bleue, kun s-ro Spitzer, aŭtoro de Parla. La kreinto de Esperanto D-ro Zamenhof ne alvenis persone Parizon kaj petis sian karan kaj fidelan amikon, markizon Louis de Beaufront, ke li estu advokato de Esperanto, kaj s-ro Couturat skribis al D-ro Zamenhof: «*Via elekto estas tre bona kaj mi tute aprobas ĝin*».

Multe da lingvoprojektoj ekzamenis la komitato kaj finfine, la 24-an de Oktobro dum foresto de komi-

tatano Boirac, prezidanto de Esp. Lingva Komitato, oni decidis elekti en principo Esperanton sub rezervo de kelkaj modifoj, ekzamenotaj de la konstanta Komisio *en la senco difinita per la raporto de la sekretarioj kaj per la projekto de Ido*, kiu estis «anonime» naskita samtempe kun la komitata kunsido. Pli frue oni absolute ne konis Idon. Tamen la 2-an de Novembro la Delegacio sendis nur 25 ekzemplerojn de Ida gramatiko al centmembra Lingva Komitato Esperantista kaj postulis respondon pri la reformo post unu monato, kvankam kelke da Lingvokomitatanoj el Ameriko kaj Afriko povis respondi nur post du monatoj. Prezidanto de «L. K.» rektoro Boirac,—membro de la Delegacia Komitato,— vane protestis. El 100 membroj de Lingva Komitato nur 8 aprobis la reformon, proponitan de Ido, kaj 11 membroj akceptis malpli radikalan reformon. Rezultate, la 18-an de Januaro (1908) aperis la konata cirkulera letero de D-ro Zamenhof. «De la jaro 1900, kiam estis fondita la Delegacio, ĝis nun la vivo jam *mem* solvis la demandon, — skribis la kreinto de Esperanto. Bedaŭrinde la komitatanoj ne ĝuste komprenis sian taskon kaj, elektinte Esperanton, ili decidis fari en ĝi reformojn, *forgesante, ke tia tasko tute ne estas komisiita al ili...* Oni forgesis, ke la afero de lingvo internacia estas nun ankoraŭ en la stato de propagando, ke la mondo ne akceptas lingvon internacian ne pro tiuj aŭ aliaj detaloj, sed nur pro malkonfido al la tuta afero, ke sekve nun ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj kaj gustetoj kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en plej severa unueco, por ke ni akiru por nia afero la konfidon de la mondo».

Eble D-ro Zamenhof estis ne prava, opiniante, ke la Delegacio ne rajtis reformi Esperanton? Kiel juristo, mi plene konsentas kun la opinio de D-ro Zamenhof, ĉar estas nedubeble, ke la Komitato de la Delegacio ne havis la necesan mandaton por reformi la lingvon. La oficiala programo («programme officiel»), kiu entenas

eĉ negravan detalon (ekz. la § 6 pri la rajto krei propagandan societon por la elektita lingvo), tamen per neniu vorto aludas la plej esencan rajton:—reformi la lingvon elektitan. La § 1 diras nur, ke oni devas «*elekti* kaj disvastigi la uzadon de helpolingvo» («faire le choix et de répandre l'usage d'une Langue auxiliaire»). Laŭ § 4 «La *elekto* de la helplingvo apartenas unue al la Asocio internacia de Akademioj...» Laŭ § 6 la Komitato rajtas «disvastigi la uzadon de la lingvo *elektota*» («qui aura été choisie»). En la cirkulero (de I/XII 1906) same nur la termino «*elekto*» estas trovata. Plue, la 10-an de Majo (1907) al la Delegacianoj estis dissendita la cirkulero kun nomaro de la kandidatoj por la Komitato de la Delegacio; voĉdonante, ĉiu membro de la Delegacio havis samtempe la rajton esprimi sian personan opinion kaj opinion de la reprezentata societo nur pri la *elekto* de la lingvo. La Komitato devis esplori la opiniojn kaj konsideri ilin. Estas ja grave, ke el 74 ricevitaj opinioj 57 estis por Esperanto; pri la ebleco aŭ intenco *reformi* la elektitan lingvon la cirkulero silentis absolute kaj ĝi devis silenti, ĉar se la Delegacio havus la rajton reformi ekzistantan lingvon aŭ la rajton krei tute novan sistemon de lingvo internacia, sendube tiu rajto estus klare markita en la regularo, sed—ni ripetas—ĝi ne estis eĉ aludita kaj same en neniu cirkulero de la Delegacio, en neniu dokumento estis uzita la vorto «reformoj».

Oni komprenas cetere, ke kolegio, kompetenta por elekto de lingvo, povas esti nekapabla por ĝia plibonigo aŭ por ĝia originala kreo. Analogie, muzika kritikistaro povas juste elekti kaj premii la plej bonan muzikverkon, kvankam, eble, neniu el la kritikintoj kapablus memstare aŭ «komitate» komponi plej primitivan melodion. La nekompetenteco de la Delegacia Komitato estas ekster dubo kaj vane la idistoj (ekz. en la broŝuro «Apprenez Ido!») certigas, ke «Esperanto estas reformita de internacia komitato el sciencistoj - lingvistoj, elektitaj inter la plej kompetentaj»;

vane en la libro «Internacia lingvo kaj Scienco», verkita kvarope de ĥemiisto Otsvald kaj Lorenz, fizikisto Pfaundler kaj filozofo Couturat, oni kredigas, ke Esperanto estas plibonigita per laborado de «plej spertaj lingvosciencistoj». En la realeco la Delegacia Komitato *havis nur 2 lingvistojn*, nome rusan profesoron Baudouin de Courtenay kaj danan profesoron Jespersen. La unua, kiu estis vicprezidanto de la Komitato, diris, ke per la reformoj oni flikis unu lokon, krevigante la alian. En oficiala organo de Ido «Progreso» prof. Baudouin de Courtenay skribis: «tiu tendenco al la reformoj venas de l'inklino serĉi truon sur la tuto bona, t.-e. ofta flikado de Esperanto sen sufiĉaj motivoj. La rolo de la Delegacio, de la Komitato, elektita de ĝi kaj de la konstanta komisio estas malprosperinta». («Progreso», 1909, p. 114) *). Kaj ni vidos poste, ke prof. Baudouin de Courtenay malaprobas preskaŭ la tutan reformaron de Ido. La dua,—kaj lasta,—lingvisto de la Delegacia Komitato, prof. Jespersen proponis al la Delegacio sian propran originalan gramatikon, alian ol la Idista, kun la multenombro ne-idista per *oi*, *ai*, ne-idistaj pronomoj—*lo*, *la*, *loi*, *lai*, adjektiva finiĝo *e* kaj inigo per *-a*, ekz. frato= frato; frata=fratino **). La lasta demando estis longe diskutita, sed la Komitato per plimulto rifuzis akcepti la proponon de la «plej sperta lingvisto». Do, oni ne devas moki D-ron Zamenhof, kiu skribis al s-ro Lemaire: «La proponoj de Couturat ne povas plaĉi al mi; se oni min demandus, mi proponus ŝanĝojn tute aliajn, kiuj laŭ mia opinio, estas multe pli gravaj». Kiu scias? Eble, D-ro Zamenhof samopinias ĝuste kun lingvisto Jespersen!

---

*) La samon skribis la konata lingvisto Brandt, profesoro de Moskva Universitato: «Mi pensas, ke Ido ŝanĝas tro multe kaj ofte sen sufiĉaj motivoj» («Progreso», 09, pĝ. 265).

**) Ni povus citi ne malpli ol 12 lingvoprojektojn kun inigo per *-a*, ekz. Idiom Neutral, Panroman, lingvo de Liptay, Novilatin de Beerman k. t. p. Eble, Ido post kelka tempo enkondukos la saman inigmanieron.

Sed ni revenu al la Delegacio. La rezolucio pri la reformo de Esperanto indignigis ne nur la tutan esperantistaron. Pli ol 70 profesoroj, interalie la honora prezidanto de la Delegacia Komitato prof. Förster, protestis kontraŭ la pretendo reformi Esperanton. El 310 societoj, formintaj la Delegacion, nur 14 aprobis Idon en la jaro 1910. La plej gravaj societoj, kun pli ol 100.000 membroj, akre protestis kaj deklaris, ke ili rajtigis la Komitaton nur *elekti* la plej perfektan lingvon internacian. Tamen, ĝis la nuna tago en ĉiu Idista lernolibro, broŝuro, sur ĉiu Idista poŝtkarto vi nepre legos, ke Ido estas Esperanto, reformita de Delegacio, kiu konsistis el 310 societoj kaj 1250 scienculoj. Sed, Idistoj diplomatie sekretigas, ke la 1250 scienculoj ne partoprenis la elekton de la Delegacia Komitato, ke *ili nur subskribis la peton, senditan al la Internacia Asocio de l'Akademioj, kiu malaprobis ĝenerale la ideon «elekti» lingvon internacian.* Kaj certe la 1250 scienculoj ne lernis Idon. Tuŝante la demandon pri la 310 societoj, oni ne devas forgesi, ke la plimulto de la societoj estis varbita de Esperantistoj, kaj se la lastaj suspektus, ke la Delegacio havas la rajton reformi, certe ili ne laborus por la Delegacio, kaj aliparte la Delegitoj, se ili scius ke la Delegacio povas reformi, ili eble elektus la Komitaton nur el personoj, kies fideleco estis ekster dubo. Cetere s-ro Couturat mem skribis en sia broŝuro «La réforme justifié», ke «la Komitato de la Delegacio estis komisiita ne komponi teorian studon pri la demando, nek prezenti respektajn dezirojn al kiu ajn ekstera kaj ŝajnanta aŭtoritato, nek proponi humile plibonigojn en kiu ajn lingvo jam ekzistanta, sed elekti unu lingvon kompletan, pretan kaj tuj uzeblan praktike por la interesatoj».

Sed ni eĉ supozu por unu momento, ke la Delegacia Komitato efektive rajtis reformi Esperanton kaj tamen estas facile trovi sufiĉan motivaron por kasacio de la Komitata decido. Unue, laŭ § 5 de la Deklaracio «la unua misio de la Komitato» estas sin turni al la Inter-

nacia Asocio de l'Akademioj, tamen la Komitato estis elektita nur post kiam la Asocio jam rifuzis la peton prezentitan de s-roj Couturat kaj Leau; tiamaniere ili uzurpis «la unuan mision» de la Komitato kaj tiu uzurpo, eble, estis tre grava, ĉar se la Komitato mem turnus sin al la Asocio, la rezultato povus esti tute alia. Due, la komitatanoj estis «elektitaj» laŭ propono de s-ro Couturat, kiu ne devis influi la elekton, ĉar kiel ni vidos poste, li estis kunaŭtoro de Ido. Plue, por konscie elekti ian komitaton, estas necese koni la «kredon», la programon de ĉiu elektota kandidato, sed s-ro Couturat ne diskonigis tion kaj ne levis la vizieron de sia kavaliraro. Do, estas supozeble, ke li intence proponis elekti unuparte siajn samideanojn kaj aliparte la personojn, kies nepartopreno en la kunsidoj estis certa *), ĉar nur tiamaniere estas klarigebla la fakto, ke el 12 elektitaj komitatanoj nur 3 persone, kaj ne havante ian reprezentanton, vizitis la kunsidojn,—spite la § 3 de la Deklaracio, kiu diras, ke «*La Delegacio elektos Komitaton, konsistantan el membroj, povantaj kunsidi dum kelka tempo*». Ne kuraĝante kunsidi triope, la Komitato invitis interalie prof. Peano, aŭtoron de «Latino sine flexione» kaj ne protestis kontraŭ la partopreno de s-roj Rodet kaj Hugon, aŭtoroj de reform-projektoj, kvankam laŭ Delegacia cirkulero, datita de I/XII 1906 la aŭtoroj de lingvo internacia ne rajtas partopreni la Delegacion kaj des pli ne rajtas eniri en la Komitaton. Tamen la vic-prezidanto de la Komitato prof. Jespersen prezentis al la Komitato sian propran projekton «Esquisse de grammaire éclectique».—Fine, la Delegacio ne rajtis diskuti kiun ajn projekton ne-eldonitan, ĉar aliokaze estus tro absurda la rajto de ĉiu elektita aŭ invitita komitatano ne veni persone kaj sendi sian reprezentanton. Efektive, la projekto de Ido aperis dum la kunsido de

---

*) Estus tro naive kredi, ekz., ke venos Parizon s-ro Barrios el Peru aŭ s-ro Harvey el New-York.

la Komitato kaj estas memkompreneble, ke s-ro Barrios (Lima, Peru) aŭ s-ro Harvey (New-York) k. a. ne konis Idon, kaj tial iliaj *reprezentantoj* en la Komitato *ne povis* esprimi la opinion de siaj *reprezentatoj*. Same la elektitaj komitatanoj, ekzamenante Idon, absolute ne povis esprimi la opinion de la elektintaj Delegacianoj, ĉar Ido aperis publike nur post la kunsidoj de la Komitato. Jen estas la motivoj por kasacio de la Delegacia decido, eĉ se ni flanke lasos la demandon: ĉu la Komitato ĝenerale havis la juron reformi Esperanton.

Pri la rezolucio de la Komitato ni jam parolis sur la pĝ. 6 kaj nun ni devas aldoni, ke «solvinte» la problemon de lingvo internacia,—problemon, kiun pro nekompetenteco rifuzis solvi la Internacia Asocio de l'Akademio,—tiu strangamaniere elektita Komitato, plena de neelektitaj membroj, siavice elektis—sen konfirmo de la Delegacio,—konstantan komision por esplori kaj fiksi detale la elektitan lingvon. La komisio konsistis el prof. Ostwald, Baudouin de Courtenay, Jespersen, L. de Beaufront, L. Couturat kaj L. Leau. Vic-prezidanto de la komisio prof. Baudouin de Courtenay post nelonge eksiĝis; same eksiĝis la prezidanto, prof. Ostwald, kiu,—laŭ atesto de Baudouin de Courtenay—ne nur rifuzis la titolon de la prezidanto, sed ĝenerale eksiĝis kaj unu el la motivoj estis, ke s-ro Couturat volas krei novan netuŝeblan fundamenton de lingvo internacia *). Post eksiĝo de la prezidanto kaj vic-prezidanto, en la komisio restis nur kvar personoj, el kiuj tri estis kunaŭtoroj de la reformprojekto kaj, sekve, ili devis juĝi sian propran verkon. Du el ili estis nome s-roj Couturat kaj Leau, sekretarioj de la Komitato, decidinta reformi Esperan-

---

*) Mi citas la propran artikolon de s-ro Baudouin de Courtenay, presitan en «Espero», 1908, № 10, pĝ. 478, gazeto eldonita kun rusa organo «Vestnik Znanja», kies kunlaboranto (por la fako de lingvistiko) estas s-ro B. de Courtenay. Do, la artikolo estas nedubeble aŭtentika.

ton «en la senco, difinita per la *raporto de la sekretarioj* (t.-e. de s-roj Couturat kaj Leau) kaj per la projekto Ido». Aliparte estas notinde, ke la mistera aŭtoro de Ido en sia subita broŝuro, disdonita al la membroj de la Delegacia Komitato, kvazaŭ interkonsente kun Couturat, skribis, ke li tute ne parolas pri la novaj reguloj de la vortfarado, ĉar ili estas majstre kaj tre praktike difinitaj de... *s-ro Couturat* en «Etudes sur la derivation». Fine, estas atentinde, ke s-ro Couturat mem prezentis Idon, kies aŭtoro estis anonima. Kiu do estis la tria kunaŭtoro, la efektiva ĉefaŭtoro de Ido? Ĉu s-ro L. de Beaufront, advokato de Esperanto,—advokato, rekomendita de s-ro Couturat? Ni vidos tion en la ĉapitro II-a.

## II. L. de Beaufront, la advokato de Esperanto.

Kiu ne konas la nomon de markizo L. de Beaufront, pioniro de Esperanto en Franclando, nia estinta vicmajstro, aŭtoro de multaj, vere fanatikaj, artikoloj kaj libroj, redaktoro-eldonanto de gazeto «L'Espérantiste», sur kies kovrilo kaj titolpaĝo konstante, en ĉiu numero, brilis la surskribo: «*Organe propagateur et conservateur de la Langue Internationale Esperanto*» («Organo propaganda kaj konservativa de la lingvo internacia Esperanto») Kiu do esperantisto ne aŭdis, ke en la jaro 1888, traleginte la unuan Esperantan libron, L. de Beaufront grandanime mortigis pro Esperanto sian propran projekton de lingvo internacia «*Adjuvanto*», ĉar li tiutempe opiniis, ke la ĉefa difekto de lia lingvoprojekto «Adjuvanto» ĝuste estas: 1) la akcentregulo, 2) la foresto de l'akuzativo, 3) la multenombro per *i* *), per unu vorto: Adjuvanto tre (kaj, eble, tro) similis la nunan Idon. En la jaro 1888 L. de Beaufront opiniis, ke Zamenhofa regulo pri la nepra akcento sur la antaŭlasta silabo, la deviga akuzativo

---

*) Vidu «Histoire de la L. U» de Couturat et Leau (pĝ. 329).

kaj la multenombro per *-j* estas pli bonaj,—kaj li decidis forĵeti sian karan projekton pro la mamnutrata unujarulo Esperanto, kiu havis nek vortaron, nek literaturon, nek adeptaron. S-ro L. de Beaufront komencis fervore labori pro Esperanto kaj estas interese por nia celo esplori kronologie lian konduton rilate al la reformo de Esperanto.

Jam en la jaro *1894*,—en la periodo, kiam Esperanto ne estis vaste konata de la mondo, kiam Esperanta literaturo estis vere mizera—do, en la tempo tre oportuna por la reformado,—L. de Beaufront energie batalis kontraŭ la proponita reformo *), kvankam ĝi povus similigi Esperanton al lia Adjuvanto.

En la jaro *1898* L. de Beaufront skribis: «Neniam ni bezonos forlasi Esperanton. Oni ne donos al ni ion pli bonan».

En la jaro *1904* li akre protestis kontraŭ Kanada gazeto «Lumo», kies redaktoro proponis forigi la supersignitan literaron. Same li protestis en la jaro *1906* dum la Ĝeneva Kongreso.

La konservativeco kaj fideleco de s-ro Beaufront estis multfoje pruvita, bone hardita, kaj nature D-ro Zamenhof proponis al li reprezenti lin ĉe la Delegacio («le réprésenter», laŭ oficiala «Compte rendu des travaux du Comité»), des pli, ke dum la jaro 1907, t.e. en la jaro, kiam kunsidis la Delegacia Komitato,—la «organo konservativa», redaktata kaj eldonata de Beaufront, havis tendencon plej konservativan, plej ortodoksan.

Jen, ekzemple, en la № 2 de «L'Espérantiste» (j. *1907*), pĝ. 31, verŝajne aludante la fakton, okazontan post 9 monatoj, en la momento kiam la embrio de Ido certe jam ekzistis,—L. Beaufront defendis Esperanton

---

*) «Kun aliaj mi afable argumentis kontraŭ la reformo»—modeste rememoras s-ro Beaufront en la № 4, 1908 de «L'Espérantiste».

per la sekvanta argumento: «Mi prezentus, — skribis li,—eĉ kelkajn sistemojn *), kiujn la plimulto da homoj kaj precipe la kleruloj proklamus pli bona ol Esperanto. Tion farinte, mi pruvus al ili, ke mi tute simple prezentis al ili veran tromplogilon».

En la Julia № 7 (pĝ. 147) de «L'Espérantiste», t.-e. 3 monatojn antaŭ la Delegacia decido, L. Beaufront polemikis por «ĉ, ĝ, ĵ, aŭ, eŭ, aj, ej, oj, uj», ĉar la lastaj estas renkonteblaj eĉ en la lingvo franca: ekz. caille, éveil, citrouille. «Ne estas malfacile prononci *kiuj*»,— pruvis L. B., kaj en la sama numero (pĝ. 148) li pravigis, interalie, Esperantan akuzativon. Okaze de malamika artikolo verkita de prof. Leskien (*nun* la plej ŝatata citfonto de s-ro Couturat), L. Beaufront indignis pri «nekompetenteco kaj facilanimeco de tiu ĉi scienculo. Ni devas decidi,—skribis li,—agi senkompate kontraŭ la scienculoj, kiuj, trouzante sian prestiĝon kaj sian titolaron, arogas facilanime juĝi Esperanton kaj senhonte kalumnii ĝin antaŭ la okuloj de la nekompetenta publiko, kiu naive kredas al ili».

Sed jen venis Oktobro, la monato de la Delegacio kaj s-ro Couturat mem prezentis al la kunsidanta Komitato anoniman broŝuron: «Ido. Les vrais principes de la Langue Auxiliare». La mistera aŭtoro de la nomita broŝuro kritikis la opinion de «unu el la esperantistaj ĉampionoj, s-ro L. de Beaufront» kaj li deklaris: «Ni ne povas lin imiti!» Kiu do povus supozi, kiu do povus suspekti, ke la aŭtoro de la broŝuro estas... s-ro L. Beaufront, ke li gloriĝas sin mem per la epiteto «ĉampiono», ke aliparte li batalas kontraŭ si mem kaj promesas ne imiti sin mem?! Kiu fine povus imagi, ke s-ro Beaufront presigas en sia gazeto poresperantajn artikolojn kaj *samtempe* verkas kontraŭesperantan broŝuron? Kaj certe neniu kredus, ke advokato de Esperanto en la sama tempo

---

*) Ni vidos poste, ke L. de Beaufront prezentis ne kelkajn, sed nur unu sistemon.

estis ĝia sekreta prokuroro! Neniu kredus, ke la anonima aŭtoro de Ido staras tre proksime de la Delegacia tablo.

Nu, post kiam la Delegacia Komitato finis sian flik-laboron, en la Oktobra n-ro de «L'Espérantiste» (pĝ. 194), komunikante pri la decido de la Komitato, L. Beaufront solene deklaris: «Oni kolportas la famon, ke mi penis sub pseŭdonimo enkonduki per la Delegacio sistemon, kiun mi oferis al Esperanto dum 1888. Mi do deklaras, ke l'Adjuvanto, *nek ĝia aŭtoro neniam estis por io kandidatoj* antaŭ la Delegacio kaj ke eĉ unu paĝo de mia sistemo ne eliris, de la jaro 1891, el la forta kofro de l'notario, al kiu mi ĝin donis por esti post mia morto transigita al la plenumanto de mia testamento».

En la Novembra n-ro (1907), en artikolo «Mia rolo antaŭ la Deleg. Komitato» li klarigas: «Mi do ne povis aprobi, malaprobi, partopreni farojn aŭ decidojn, okazintajn sen mia kunago». Kaj li kredigas, ke li nur ludis «la simplan rolon de advokato», kaj en la sama numero sur la paĝo 217 li admonas la Esperantistaron «daŭrigi trankvile kaj energie *nian* propagandon, lasante la respondon al D-ro Zamenhof kaj al la Lingva Komitato *). Cetere,—li rezonis,—ĉu ia forto en la mondo povis iam altrudi lingvon aŭ reformon de lingvo al popolo ĝin rifuzanta? Ĉar do la akcepto aŭ rifuzo dependas fine de Esperantistoj, ni ne komprenas la maltrankvilecon de kelkaj inter *ni*. Ĉu do la konsento ne estas plu afero libera, kiun neniu povas perforte ricevi».

En la Decembra n-ro s-ro Beaufront parolas pri «notre cher maître» («nia kara majstro») kaj ripetas la «amikan konsilon»: «ni daŭrigu *nian* laboradon trankvile, serioze, respektinde kaj ne perdu tempon, kiun ni pli utile povas uzi por *nia* afero kaj ĝia triumfo» (pĝ. 242).

---

*) Tamen s-ro L. Beaufront obeis nek la decidon de Zamenhof, nek la decidon de la Lingva Komitato.

La 6-an de Decembro 1907, t. e. 1½ monatojn post la Delegacia decido, li publike parolas en Bordeaux pri «la rolo monda, rezervita al Esperanto, la simpleco kaj la fleksebleco de ĝia meĥanismo».

En la № 1 de la jaro 1908 s-ro Beaufront rekantas la saman melodion: «De l'unua momento mi oficiale skribis al niaj grupoj kaj mi diris al ĉiuj tion ĉi, kion mi ripetas: ni daŭrigu nian propagandon, niajn kursojn, kvazaŭ nenio estus okazinta. Ĉu tio ĉi ne estas klara, kaj ĉu ĝi faras el mi aprobanton, protektanton de reformaro, aŭ estron de reformistoj?»

En la № 2, 1908 de «L'Esperantiste» estis presita la cirkulera letero, en kiu D-ro Zamenhof, interalie, skribis, ke la reformprojekton «la Delegacia Komitato prezentis al la Esperantistaro en formo tre ofenda, postulante, ke la tuta multmila kaj longe laborinta Esperantistaro akceptu la decidojn, kiujn kelkaj flankaj personoj ellaboris en la daŭro de 8—10 tagoj; ili eĉ malhumile postulis, ke tiuj decidoj estu akceptataj tuj, ne atendante la Esperantan kongreson... Niaj penoj de pacigo nenion helpis. La postulantoj respondis, ke por ili ne estas aŭtoritata nia Lingva Komitato, nek nia Kongreso kaj ili rezervas al si plenan liberecon de agado... Laŭ la propra tute preciza programo de la Delegacio, la Komitato ricevis de siaj delegintoj la komision nur elekti la lingvon; de la momento, kiam tiu elekto estis farita, la Delegacia Komitato ĉesis ekzisti kaj restis nur kelkaj privataj personoj, kiuj,—laŭ iliaj propraj vortoj,—fariĝis nun esperantistoj. Sed kiam tiuj kelkaj novaj esperantistoj, kiuj aliĝis al Esperanto nur antaŭ malmultaj semajnoj, ekdeziris dikti leĝojn al la tuta popolo Esperantista, kiu laboras jam pli ol dudek jarojn, kaj ĉiuj niaj admonoj nenion helpis, tiam ni simple lasis ilin flanke... Ni estas konvinkitaj, ke tiuj kelkaj scienculoj, kiuj lasis sin entiri en reton, baldaŭ komprenos la eraron, kiun ili faris; ili baldaŭ komprenos, ke nia gravega kaj malfacila afero povas atingi sian celon nur per severa

unueco *)... Kiel ĝis nun, tiel ankaŭ plue, ni, Esperantistoj, iros trankvile nian vojon». Sub la citita cirkulero de D-ro Zamenhof s-ro L. Beaufront skribis: «ni absolute kaj ĝoje konsentas kun nia kara Majstro pri la konkludo de l'cirkulero, ke ni devas iri trankvile nian vojon... Nun ne estas tempo por senrezultataj diskutoj. Ni do en amikeco daŭrigu la propagandon de Esperanto kiel antaŭe». Jene parolis L. Beaufront en la Februara n-ro (1908) de sia gazeto, kiam pasis kvin monatoj post la decido de la Delegacio, kiam estis jam eldonata la Idista organo «Progreso», jene li parolis en la tempo, kiam estis de li preparata kaj certe jam kompostata la Idista vortaro... Kaj samtempe (vidu la saman numeron) L. Beaufront konsilas **) al la esperantistaro respondi al la Delegacio: «Permesu do, ke ni atendu. Se praktike vi pruvos, ke sub via reformaro Esperanto atingos la celon *multege* pli bone, ke oni ĝin lernas *multe* pli rapide, ke oni ĝin praktikas *multe* pli facile, ni konsiliĝos kaj decidos... Sed dume permesu, ke ni konservu nian Esperanton, kiun vi mem akceptis kaj juĝas bona... Ni ne eraru, la logiko mem sukcesigis Esperanton, ĉar ĝi donis mem al ĝi ĝian simplecon, ĝian facilecon».

Pasis 2 monatoj kaj en la Maja n-ro de L'Espérantiste» fine aperis «Deklaro de Ido», datita de 1908, 10/II, kaj sube s-ro Beaufront klarigis: «*La deklaro, kiun oni ĵus legis, estas mia. Kiel oni vidas, mi forĵetas la anonimecon*».

En la Junia n-ro de «L'Espérantiste» jam aperis artikoloj en Ido, «Esperanto reformita», kaj tamen sur la kovrilo de tiu n-ro kaj sur la unua paĝo de la teksto restis la malnova titolo: *L'Espérantiste, organe propagateur et conservateur de la langue internationale Esperanto* (organo propaganda kaj *konservativa*). En la Julia n-ro

*) Kaj efektive la honora prezidanto de la Del. K-to prof. Förster, vic-prezidanto prof. Baudouin de C. k. a. eksiĝis.

**) Kiel s-ro Beaufront sekvis sian propran konsilon, ni vidos poste.

estis forigita nur la vorto «conservateur», en la Januara n-ro (1909) malaperis la vorto «Esperanto», sed restis la malnova, grandlitera titolo «L'Espérantiste», kiu restas ĝis nun, kvankam komence de la Januara n-ro de la j. 1910 sub la titolo «L'Espérantiste» estas presite: «daŭrigata per «La Langue Auxiliaire».

Sed ni revenu al la redaktoro de tiu dutitola gazeto. Oni nomas lin Judaso, oni diras, ke li agis nehoneste, defendante Esperanton kun Ido en la poŝo. Efektive, se Beaufront ne prenus sur sin la rolon de Esperantista advokato, se li, kiel privata persono, prezentus senmaske al la Delegacia Komitato sian reformprojekton, lia honoro restus pura, kvankam en la daŭro de longa tempo li komandis la konservativan partion de l'esperantistoj. Ofte ja okazas, ke la opiniaro de homo metamorfozas sub influo de ia grava cirkonstanco, kaj mi, ekzemple, mem, ricevinte je la unua fojo propagandan folieton pri Ido, estis ravita, sed poste, studinte Idon pli profunde, mi perdis la unuarigardan simpation. Iafoje, homo sincere lasas for sian longjare adoritan idealon, kaj eĉ «maliĝas», sed li ne devas nepre perfidi kaj li povas senmakule konservi sian nomon. Alie agis s-ro Beaufront. Ne nur lia markizeco kaj nobeleco, la elementa nobleco postulis, ke li rifuzu la proponon de D-ro Zamenhof kaj ne ludu la rolon de Esperanta advokato. Ĉu li estis sola esperantisto en la mondo, ĉu D-ro Zamenhof ne trovus en Parizo mem (s-ro Beaufront estas provincano) alian advokaton por Esperanto? Sendube jes, kaj sendube L. Beaufront devis averti Dr-on Zamenhof pri sia projekto, prezentota al la Komitato, des pli, ke, laŭ atesto de D-ro Zamenhof, li esprimis la deziron, ke s-ro Beaufront klarigu al la Komitato «la kaŭzojn, pro kiuj ni ĉian reformadon trovas danĝerega». Cetere, s-ro Beaufront neas tion kaj diras pri Zamenhof, ke «lia memoro trompas lin evidente» (№ 7, 1908). Sed, eĉ se estus vero, ke ne Beaufront trompis Zamenhof'on, sed «lia memoro trompis lin»,—tute egale oni ne povas nei la fakton, ke s-ro Beaufront parto-

prenis la III-an Kongreson Esperantistan kaj, se eĉ li estus absolute surda, li devus legi en la tuta Esperanta gazetaro kaj interalie en sia propra gazeto la postkongresan Londonan paroladon de D-ro Zamenhof, okazintan la 21-an de Aŭgusto (1907), publike kaj oficiale, en ĉeesto de urba reprezentanto. «Vi scias,—diris la aŭtoro de Esperanto,—ke se ni dekliniĝus de nia disciplina vojo kaj lasus fali Esperanton, tiam la konfido da la mondo por la ideo mondolingva, konfido fine akirita... por ĉiam kaj jam neniam povus esti reakirita; vi ĉion scias, kaj tamen vi per ĉiuj fortoj penas senkreditigi nin en la okuloj de la mondo... Bone, daŭrigu do vian Herostratan laboradon kaj *ni iros trankvile nian vojon*»; do Zamenhof 3 monatojn antaŭ la Delegacia decido eldiris la frazon, kiun li poste ripetis en sia respondo al la Delegacio la 18-an de Januaro (1908), kaj sin turnante al la reformistoj nia Majstro diris, ke ili «komprenos, kiel danĝeraj estas iliaj proponoj en la nuna tempo, kiam ni antaŭ ĉio bezonas plej severan unuecon, kaj ili pacience laboros kun ni laŭ la voj' elektita ĝis tiu tempo, kiam la estonteco de nia aforo estos absolute ekster danĝero». Kompreneble, D-ro Zamenhof ne dusence aludis la kunsidontan Komitaton de la Delegacio kaj tamen post unu monato s-ro Beaufront konsentis esti advokato de Esperanto kaj reprezentanto de D-ro Zamenhof dum la kunsidoj de la Deleg. Komitato. Ne, s-ro Beaufront prefere silentu kaj ne penu senkulpigi sin. La advokato, simila al li, bezonos mem advokaton antaŭ la severa Juĝo de la Historio, kiu certe kondamnos lin, konstatinte, ke li portis la maskon, simple ĉar li ne estis certa pri la decido de la Delegacio kaj pri la reala signifo de ĝia decido. Kiel persono tre singarda, li faris rampotruon, tra kiu li intencis reveni en la okazo de fiasko: ni jam konas, ke s-ro Beaufront asekuris sin (1907) per la frazo en la Februara n-ro de sia gazeto, nome li avertis pri sia plano verki kelke da lingvoprojektoj por allogi la sciencularon kaj poste montri la superecon de Esperanto primitiva. Kaj ni supozas, ke tiun

frazon citos s-ro Beaufront post nelonge, kiam mortos Ido, sed estas nedubeble, ke la esperantistaro ne reakceptos lin en sian «rondon familian».

Por kio do kaj pro kio L. Beafront perfidis Esperanton? Oni diras, ke li pretendis esti prezidanto de Esp. Lingva Komitato kaj nature estis ofendita, kiam la Komitato elektis ne lin, sed rektoron Boirac. Oni diras, ke, konsiderante la proverbon «ne povas ĉiu homo esti pap' en Romo», li decidis fondi la novan Romon por papiĝi. Kompreneble «onidiro» povas esti erara, kaj volonte ni supozus, ke Beaufront agis ne pro gloramo kaj honoramo, volonte ni kredus lian sincerecon, se li estus aginta honeste, pure, se li estus batalinta noble, se li ne aranĝus kontraŭ Esperanto abomenan, insidan embuskon.

Pli supre ni vidis, de kiu estis akuŝita Ido, ni vidis, en kia koto ĝi estis naskita, kaj nevole venas la aprioria konkludo, ke lingvo, kies adeptaro kondutis tiel senhonte kaj senkonscience, ke lingvo, kiu aperis en la mondon per malpura trompo, ne povas esti pli bona ol Esperanto, ĉar, se efektive ĝi estus pli bona, ĝi ne timus la taglumon kaj ne penus vundi en la dorson sian konkuranton. Tamen, ni devas esplori Idon mem, por konstati propraokule, ke ĝi estas ne sana, normala ido de Esperanto, sed abortito mizera. Ni komencu per la alfabeto de Ido.

---

# Teoria parto.

## III. Alfabeto de Ido.

Esperanta alfabeto estas malbona, ĉar ĝi estas *«super-signizita»*,—kritikas la idistoj. For ĉ, ŝ, ĝ, ĵ, ĥ, ŭ! Kaj jam pli frue ol la Delegacia Komitato decidis reformi Esperanton, unu el la nunaj Idestroj, s-ro Lemaire (Bruselo) kun alia Pariza samideano proponis al D-ro Zamenhof grandan monsumon (250,000 Fr.) por ke li permesu forigi la malfeliĉan ^ super c, s, g, j, kaj h. Sed, D-ro Zamenhof rifuzis akcepti la monon, ĉar li jam delonge rekomendis en la okazo de neceso, se ^ mankas, uzi digrame: ch, sh, gh k. t. p. kaj la taŭgecon de la rekomendita rimedo pruvas ne sole la telegramoj en Esperanto, sed la Idistaj gazetoj mem, sur kies paĝaro ofte aperas tekstoj en Esperanto sen ^ (V. ekz. «Progr.» 1912, Junio). La supersignita litero kostas ne pli multe ol la ordinara; kaj aliparte la kritikata ^ estas efika kontrolilo, efika purigilo de nia lingvo kaj precipe dank'al la ^ nebonstila libro malpli ofte penetras en nian bibliotekon, ĉar tipografio havanta Esper. ^ ekzistas ordinare nur en granda urbo, kie estas facile trovi spertan esperantiston por korekto de la presota verko. La manko de speciale Esper. literoj prezentas iafoje seriozan barilon nur por novulo, kiu, komencinte lerni Esperanton kaj ankoraŭ ne studinte la lastan lecionon de la lernolibro, jam imagas, ke li estas genia stilisto, kaj sin turnas senpere al presisto. Cetere nuntempe funkcias sufiĉe granda nombro de tipografioj kun Esperantista klientaro

kaj konforme al progreso de Esperanto, kreskos la cifero de Esper. presistoj. Vane oni disvastigas la absurdan famon, ke Esperanta alfabeto ne taŭgas por mono-kaj linotipoj (kompostmaŝinoj). Vane s-ro Haugg en «Intern. Pioniro» (1911, № 17, pĝ. 108) kredigis, ke Esperanton «oni absolute ne povas uzi pro teknikaj motivoj en kompostmaŝinoj», vane, ĉar pri la fakta Esperanta maŝinkompostado ni legis en la gazeto de s-ro Beaufront mem jam en la jaro 1906 kaj nun en Moskvo nia organo «La Ondo de Esperanto» estas maŝine kompostata. La nun legata libro ankaŭ estas kompostita per maŝino. Same oni erarigas la publikon, dirante, ke Esperanto ne taŭgas por skribmaŝinoj. La Redakcio de «*La Ondo de Esperanto*» posedas du skribmaŝinojn: Hamand kaj Mignon kun la supersignoj, speciale por Esperanto. Krome, ekzistas sistemoj kun supersigno apartigita, per kiu estas eble supersigni kiun ajn literon, kaj ĝi estas farita ne pro Esperanto, sed ĉar en diversaj lingvoj la supersigno ornamas diversajn literojn.

Efektive, la supersigno havas karakteron *internacian* kaj ĝi apartenas ne sole al la lingvoj pola, bohema *), latva, litova. En la lingvo rusa ni havas ne nur la supersignitan *й*, sed eĉ la subsignitajn *ц* kaj *щ*. En la lingvo franca ni trovas 12 literojn de tia speco: à, â, é, è, ê, ë, î, ï, ô, û, ü, ç, kaj oni ofte renkontas: «précédé», «décédé», «répétition, «Délégation» k. t. p. Fine, ĉiu alfabeto latina havas streketon en *t* kaj ĉiu alfabeto ĝenerale havas supersignon (t. e. punkton) en *i*, *j*. Do, la super-aŭ sublitera signo estas fenomeno universala kaj prezentas produkton de natura ekonomiemo; pro tio la lingvoj *nuntempe* tendencas plivastigi la uzadon de supersignoj. Ekz. en la moderna franca lingvo oni nun uzas: ancêtre, fête, epître, piqûre, anstataŭ ancestre, féste, epistre,

---

*) Bohemo Khun (membro de Idista Direktanta komitato) skribis en Idista gaz. «La Langue Auxiliaire» (1910, № 5, p. 70): «Kio ne plaĉis al mi, kiel slavo, uzanta latinajn literojn, estas, ke la reformo forĵetis la signitajn literojn ĉ, ŝ...»

piquere (V. Prof. Gauterot. La Question de la langue auxiliare, pĝ. 292-a). Same 99% de germana popolo uzas überwältigend», «Königsberg», prefere ol «ueberwaeltigend», Koenigsberg» (V. Christaller. Bedarf Esperanto ein Verbesserung). Kaj sendube *ĉ* estas pli bela, pli oportuna kaj certe pli «mallonga» ol ekz. la germana *tsch*, *ĝ* pli bona ol la germana *dsch*, same *ŝ* kaj *ĥ* estas preferindaj ol *sch* kaj *ch*. Certe Esperanta *Leŝĉinski* estas pli bela ol Idista *Leshchinski* aŭ germana *Leschtschinski!* Tamen la plej esenca motivo, favora al la supersignoj, estas, ke dank'al ili en Esperanto *unu litero senescepte signas nur unu sonon* kaj krome *la fonetismo estas akordigita kun la grafismo*. Sed pri tio ni poste parolos detale. Nun ni rigardu, kiamaniere Ido reformis kaj simpligis nian esperantan fuŝ-alfabeton.

1) Anstataŭ *ĉ* кaj *ŝ* Ido enkondukis la digramojn *ch* kaj *sh* (ekz. chambro, posho), sed la sono ĉ ne egalas al c+h, kaj same ŝ ne=s+h; tiamaniere, ni jam renkontas la unuan escepton kontraŭ la fundamenta regulo: unu sono—unu litero. Ĉiu vorto estu prononcata, kiel ĝi estas skribita, kaj tamen en Ido anstataŭ c-hambro pos-ho oni legas ĉambro, poŝo. Cetere, Ido havas danshigieno, chashundo, sed oni legas dans-higieno, chashundo (ne danŝigieno, ĉaŝundo) kaj jen la nova escepto kontraŭ escepto! S-ro Couturat & K-io pardonu nian kritikon, ĉar multe pli akre kritikis la ch, sh prof. Ostwald kaj li diris, ke la principo: «unu litero—unu sono devas absolute regi en la lingvo internacia» (V. «Compte rendu du Comité»—oficiala raporto pri laboroj de la Delegacia komitato, pĝ. 21). Simile parolis la vic-prezidanto de la Del. K-to, profesoro-lingvisto Baudouin de Courtenay, kiu en oficiala organo de Ido «Progreso», (1908, № 2, pĝ. 45) skribis jene pri ch, ch: «la Komitato eternigis tiun absurdaĵon: reprezenti sonon simplan per kombino de du literoj, kiuj havas aparte sonon diferencan». Lastatempe eks-idisto Borgius en sia libro «Auf dem Wege zur Europäischen Sprache» proponis la skandinavan *sj*

(=sĵ, ĉar j en Ido=ĵ); tiamaniere s+j reale similus ŝ. La propono de s-ro Borgius estas des pli konsiderinda, ĉar la internaciecon de sh oni povas nei pro tio, ke en la lingvo franca ŝ=ch, en la germana sch, en la pola sz k. t. p. La samo estas direbla pri ch kaj tion bonege esprimis s-ro Beaufront: «sono ch—li skribis,—ricevas en niaj idiomoj skribformojn tiel diversajn, kiel diferencajn. Neeble estas ilin kunfandigi. Aliparte estus neracie aligi 2 aŭ 3 literojn al la figurado de unu sono. Oni devas do nur unu literon doni al la sono, kiu okupas nin. Kial ni ne prenus la literon s kun la signo ^ super ĝi? Tiamaniere ni konservus almenaŭ la komencon de la skribformo uzata de kelkaj lingvoj, nome de du tre vastigitaj: la angla kaj germana». Sekve, Zamenhof genie enkondukis ĉ, ŝ, ĉar ilin la tuta mondo elparolos ĝuste kaj memoros facile, dum la Idistan *ch* germano legos *ĥ*, anglo—*ĉ*, franco—*ŝ* *) k. t. p.

2) Sammotive oni ne povas aprobi la forigon de *ĵ* kaj *ĝ*, kaj ilian kunigon en j, simile al Idiom Neutral kaj Novilatin. La fama lingvisto Mayor ja diris, ke D-ro Zamenhof tute prave distingas inter ĝ kaj ĵ; la sonoj estas tute malsamaj kaj ambaŭ estas internaciaj. Sed,—krome, la kunigo de ĝ kaj ĵ en unu sola litero j kaŭzis unue kripligon de la internacia ortografio kaj due ne malpli gravan kripligon de l'prononco.

Koncerne la ortografion, la idistoj, multe parolante pri la «*unuavida komprenebleco*», tamen plene forgesis, ke unuavide por la franco kaj ĝenerale novlatinulo, iafoje eĉ por anglo kaj germano, estas pli komprenebla nia Esperanta ortografio ol la Idista. Ekz. la lingvoj franca, germana, angla, hispana, itala, pola kaj dana havas la radikojn *gendarm'*, *giraf'*, kaj simile al ili Esperanto havas ĝendarm', ĝiraf', dum Ido enkondukis jendarm', jiraf', Do, Esperanto konservis la internacian *g* en ger-

*) Pro la lingvo franca nia rusa lingvofabrikisto, s-ro Kovalev (el Rostov) enkondukis ch kun sono ŝ.

darm, giraf kaj nur kovris ĝin per ĉapeleto, sub kiu estas facile rekoni la naturan radikon. Same, se oni ŝatas la «unuavidecon», oni devas preferi esperantan skribmanieron, ekz. en arĝenta, domaĝo, ĝemi, forĝi, kaĝo, larĝa, manĝi, saĝa, sonĝo, sovaĝa, venĝi, vilaĝo, vizaĝo k. t. p. ĉar ortografie ĝi pli similas al la francaj: argent, dommage, gémir, forger, cage, large, manger, sage, songe, sauvage, se venger, village, visage k. t. p., ol la Idistaj: arjento, domajo, jemar, kajo, larja, manjar, saja, sonjo, sovaja, venjar, vilajo, vizajo k. t. p. La alia supersignita litero de Esperanto ĵ, aliflanke, ne kripligas la nacian ortografion, ĉar ekz. franco spite la ĉapelita j rekonos sian jaloux, jeter, jongler en ĵaluza, ĵeti, ĵongli.

Granda peko de Ido estas la kunigo de ĝ kaj ĵ en unu litero j, ĉar tio sekvigis ne nur kripligon de l'ortografio, sed, krome tre gravan difekton de l'prononcado. Ni lasu flanke la malpli gravan cirkonstancon, ke la germanoj, holandanoj kaj skandinavoj havas j kun la sono de Esperanta j. Pli esenca estas la fakto, ke la sono de litero j ne estas precize fiksita en Ido. Komence en Ido j=ĝ, kaj tial oni bele prononcis: Ĝanuaro, Ĝesuo, ĝubileo, ĝupo, ĝuvelo, ĝesuito anstataŭ Januaro, Jesuo, jubileo, jupo, juvelo, jezuito. Poste Delegacia Komitato decidis «*permesi* doni al j la sonon de franca j anstataŭ dj (Compte rendu, pĝ. 23). Tiamaniere oni enkondukis novan escepton kontraŭ la regulo: unu sono—unu litero *). «J=ĝ aŭ ĵ»—instruas la gramatiko de Kofman. En la oficiala «Grammaire compléte» de Beaufront ni legas: «j=dj, kiel en djinn; sed oni povas prononci ankaŭ j simple, nome, kiam tiu ĉi konsonanto sekvas la alian kaj ĉiam d—abjurar, adjurar (§ 1, pĝ. 7). La sama regulo sin trovas en la Deklaro de Ido. Tamen, en la oficiale aprobita lernolibro de A. Waltisbühl estas presite: «la j estas prononcata, kiel la antaŭa ĝ». La gramatiko de Giminne

*) Tamen la germana «Guidlibreto» de Ido kredigas, ke «ĉiuj literoj estas prononcataj kaj havas ĉiam la saman sonon».

ankaŭ lernigas: «j=dj». Fine, en la jaro 1912 la Idista «Akademio» subite maligis la regulon per sia decido № 646: «oni fiksis, kiel normalan sonon de j la j francan; nur per tolero (?) oni permesas la prononcon de la angla». Alivorte, Ido toleras la esccpton.

3) Anstataŭ ĵ, kiu,—ni ripetas,—estas ne sole Esperanta, sed krome germana, holanda kaj skandinava, Ido enkondukis, kiel Volapük, *y* kaj pro tio multokaze suferis la internacia ortografio, ĉar ekz. anstat. franca, angla, germana, hispana, dana, pola k. t. p. jur', just'. Ido skribas yur', yust'. Sed, aliparte, Ido ne uzas Yanuaro, Yesuo, yubileo, yupo, yuvelo, kaj por tiu kategorio konservis la Esperantan skribmanieron, kvankam j=ĵ aŭ «per (?) tolero» ĝ. Prave opinias prof. Baudouin de Courtenay, ke la enkonduko de y estas «ne progreso, sed regreso» (V. en la Idista «Progreso» 1909, pĝ. 115).

4) Oni enkondukis *x*, «tiun malsaĝaĵon de latina gramatiko», kiel skribis prof. R. Brandt en «Progreso» (1909, pĝ. 195) kaj same pensas alia lingvisto, prof. Baudouin de C. (Progreso, 1909, pĝ. 115). Laŭ la kompleta gramatiko de Ido «*x* estas prononcata *ks* aŭ *gz* laŭvole» kaj jen nova escepto ekster la fama principo. Plue, apud exhortar, exhalar, expresar oni renkontas ekspiracar, ekskrapar (*ne* expiracar, exkrapar), ĉar ek estas prepozicio. Pli prudente Esperanto imitis la modelon de la lingvoj slavaj, skandinavaj, dana kaj itala, kies alfabeto ne posedas *x*.

5) Same ne estas aprobinda *q*. Laŭ opinio de nia fama lingvisto Brandt, profesoro de Moskva Universitato: «enigi *q* en la internacian alfabeton estas preskaŭ krimo» («Progreso», 1909, pĝ. 195). Efektive por unu sono *k* ni trovas en Ido *ne unu* literon (konforme al la principo), sed *tri*: *k*, *x* kaj *q*, kiun nepre sekvas u. «Qu estas prononcata kiel ku aŭ *proksimume* kiel kv» *)—instruas Kofman en sia gramatiko. Q=k decidas Kapustjanskij

*) Pli racie Idiom Neutral uzas ku kaj Novilatin — qv.

en sia lernolibro. Cetere, la kompleta gramatiko de Beaufront komentarias, ke «la popoloj, kiuj malfacile prononcas qu, povas prononci kv» (§ 1, pĝ. 7). Do, qu=ku= proksimume kv=kv.

Ne estas do mirinde, ke idisto Twombly plendas, ke: «Nek la rusoj, nek germanoj povas prononci ĝuste *qu*, eĉ la francoj oftege evitas, la angloj, hispanoj kaj italoj preferas *k*» («Progr.», 1909, pĝ. 160). Tamen la Idestroj obstine rifuzas plisimpligi la ortografion kaj ili uzas qu sub preteksto de l'internacieco, kvankam qu ne estas trovebla en multaj lingvoj skandinavaj kaj slavaj, kvankam qu ne estas pli necesa ol la tute superflua rusa litero *ъ*.

Oni, plue, eraros, supozinte, ke la escepto pri qu siavice ne havas multe da «esceptoj kontraŭ la escepto». Unuparte, Ido uzas francmaniere q en quankam, inquiziciono, aquirar, liquoro, quaranteno, inquesto, koquar, quieta, squamo, liquidacar k. t. p., sed aliparte ĝi ne uzas qu spite la franca maniero en skeleto, bosketo, buketo, baldakeno, meskina, etiketo, moskeo, musketo, jaketo, kayo, kvankam en la lingvo franca estas: squelette, bosquet, bouquet, baldaquin, mesquin, étiquette, mosquée, mousquet, jaquette, quai. Apud *qua*, *quanta*, *quala*, ni renkontas *ke*, *kam*, *kande*, sed ne *que*, *quam*, *quande* malgraŭ la ĝenerala regulo. Same post quar (4) sekvas ne quin (5), sed kin. Kurioze estas, ke, ofte ne uzante qu, Ido uzas ĝin iafoje kontraŭ la franca lingvo, ekz. en bisquito (france kaj angle biscuit), esquado (fr. escouade). Tiamaniere, estas necese ne nur bone koni la ortografion de la lingvoj latinaj, sed, krom tio, memore lerni la esceptaron de Ido. Espereble s-ro Couturat eldonos post nelonge specialan diktolibron por Ido-lernantoj.

7) La samon ni devas diri pri *gu* en guardo, guidar k. t. p. Ni rajtas demandi, pro kio Ido tamen uzas begino (beg*u*in'—france, angle kaj germane), getro (kial ne *gu*etro?), extingar, distingar, kial Ido uzas sango (ne sanguo) kaj aliokaze uzas sanguisugo (=hirudo). En la lingvoj angla, itala, hispana, portugala oni skribas guard' ne

nur por gvardio, sed ankaŭ por la verbo gardi, tamen Ido havas gardar, kaj, se oni volus imiti la lingvon italan, oni ja devus skribi riguardar, guanto, anstat. rigardar, ganto. Sendube, la simila ortografio ne konvenas por lingvo internacia.

8) Oni enkondukis tute superfluan literon *w*, kiu estas prononcata kiel *u* kaj oni uzas ĝin en la vortoj wiskio, wisto, waranto, weldar, warfo, westo, wato k.t.p. Ni vidis, ke Ido skribas w eĉ en westo, kvankam en la lingvo franca oni simple skribas *ouest*. Sed aliflanke Ido uzas *vagono*, kvankam en la lingvoj franca, angla, germana, portugala, pola k.t.p. ni trovas la radikon *wagon*. Kaj ni miras, ke Ido ne skribas laŭ angla-germana ortografio: waflo, warma, wekar, wintro, worto, ĉar ili povas havi la saman pretendon kiel wisto, wiskio k. t. p.

9) La «reformo» forigis la literon (sed ne la sonon) *ŭ*, kaj nun estas nenia diferenco (litera, sed ne sona) inter u vokala kaj u duonvokala, spite la regulo: unu litero— unu sono, ĉar, skribante autuno, autoritato, oni legas aŭtuno, aŭtoritato.

10) Fine, la reformo forĵetis *ĥ* (ne nur la literon, sed eĉ la sonon), kvankam tiu sono ĥ apartenas ne nur al la lingvoj slavaj kaj germanaj, ne nur al la latina kaj greka, sed eĉ al kelkaj lingvoj romanaj. Kaj ni rajtas demandi: kiamotive la reformo, kiu enkondukis tute superfluan balaston: x, w, qu, gu, samtempe ekzilis ĥ, sonon sufiĉe elementan. Ni rajtas, plue, demandi: kiamotive kune kun ĥ oni ne forpelis *h*, kiu ne estas elparolata en la lingvo franca kaj hispana, kaj kiun ne havas la alfabetoj rusa kaj itala? *)

Resumante, ni konkludas, ke Ido grave pekis kontraŭ sia fundamenta principo: unu litero—unu sono, ĉar en Ido sono k=k, x, q, g *); sono u=u, ŭ, w kaj «proksimume» v en qu kaj gu; litero j=ĵ kaj ĝ. Krome, la litero z=z kaj s,

---

*) Same h ne troviĝas en Volapük kaj en Simplo.
*) Ĉar x = kz aŭ gz.

ĉar, laŭ la deklaro de Ido oni povas prononci *s* anstataŭ z en Imperativo. Kompreneble, tio tre komplikis la ortografion kaj se vi diktos Idan tekston al nova Idisto, li certe faros multe da eraroj.

Cetere, Ido antaŭnelonge reformis ree sian perfektan ortografion. Ĝis la jaro 1911 Ido havis evangelyo, folyo, kordyo, envidyo, cikonyo, silvyo, medyo, eklezyo, sekretaryo, imperyo, komisaryo, bronkyo, binomyo, notaryo, historyo, kolonyo, kranyo, stipendyo, teritoryo, skabyo, facyo, filyo k. t. p., sed samtempe Ido havis en sia vortaro: alegorio, energio, geometrio, mineralogio, ftizio, ceremonio, analogio, socio, infanterio, harmonio, fantazio, tragedio, komedio, parodio k. t. p. Prof. Jespersen prave rimarkigis en «Progr.» (1909, p. 585), ke «estas ofte nefacile memori, kiuj vortoj devas havi *-io* kaj kiuj *-yo*». Tiamotive, la Idista Akademio decidis unuigi -io kaj -yo en -io kaj, sekve, skribi notario k. t. p., tamen y kompreneble restis en adyunto, gaya, joyo, etuyo, onyono, konyako k. t. p. *). «La nova regulo estas granda simpligo de l'ortografio»—naive triumfis la idistaro, forgesinte, ke ĝi mem malsimpligis la ortografion de Esperanto kaj nun, reforminte la reformon, simple revenis al sekretario, notario, historio k. t. p. de «Esperanto primitiva!» Jen estas la sincereco de Idista simpligado.

Ĝenerale, se, ekzilante la ĉapelliterojn kaj detruante la principecon de internacilingva alfabeto, Ido sincere volis plioportunigi kaj plinaturigi la aspekton de Esperanto, ĝi devus,—konforme al la lingvoj latina, angla, franca, hispana, portugala, itala, holanda k. t. p. kaj laŭ modelo de la ceteraj lingvoprojektoj (ekz. Mundolingue de J. Lott, Langue Catholique de Liptay, Nuove-Roman, Mundolinco, Weltsprache, Neolatine de Courtonne, Kosmos, Lingua Henderson, Simplo, Commu-

*) Estas vera enigmo de l'Ida gramatiko, ke oni samtempe uzas driado kaj kariatido, kontraŭ la franca-germana-angla radiko *dryad'*, *karyatid'* kaj kontraŭ sia propra ortografio. En alia okazo Ido havas pleyado kontraŭ la franca-angla-itala *pleiad'*.

nicationssprache, Reform-Neutral, projekto de Blondel k. t. p.). absolute forigi la literon *k* kaj starigi, ke *c* estu legata kiel *k* antaŭ *a*, *o*, *u*, kaj kiel *c* antaŭ *e* kaj *i*. Do, la Idista vidpunkto logike postulas, ke oni konsekvence forigu *k*, ĉar 1) ĝi ne estas internacia, dum *c* havus vere internacian karakteron kaj ebligus konservi la naturan ortografion kaj la multe ŝatatan de Ido «unuavidan kompreneblecon», 2) ĉar —tion opinias la Idista idolo prof. Jespersen,—*k* estas «sufiĉe neoportuna por skribado» (Int. Deutsch. Wörterb. Vorwort, pĝ. X) kaj 3) ĉar *k* ofte mankas en la presejoj francaj, anglaj kaj ĝenerale ne-slavaj kaj aliparte en la slavaj presejoj ordinare mankas la latinaj literoj entute. Sendube, franco kaj anglo preferus: «cafo», «cacao», «confitar», «corectar», «cupono», «curioza» k. t. p.

Poste, pro la simpligo, oni devus forigi la literon *z* *), ĉar laŭ atesto de prof. Jespersen ĝi estas malfacile prononcebla por skandinavoj kaj precipe ĉar tiamaniere estus atingita la natureco kaj unuavida kompreneblеco **) Efektive, oni dekretu la regulon, ke *s* intervokala,— simile al la lingvoj franca, germana, angla k. t. p.—estu prononcata kiel z kaj Ido havu visitar, refusar, resino, mesuro, poesio, reservar, desirar idente al la franca, angla k. t. p.! «Kiu diras *A*, devas *B* diri»—ordonas la germana proverbo kaj logike Ido devus,—simile al prof. Peano, kiel en Reform-Neutral kaj en «Parla»,—skribi «nature», konservante la duobligon de l'konsonantoj: classica, casso, congresso, terrasso, accordo, acceptar, correspondar, systemo, syntaxo, encyclopedio, synonymo, idyllio, hymno, affero, theatro, rhetorico, rythmo, asphalto, physico, catholiqua. Do, Ido devus imiti nian rusan lingvoprojektiston s-ron Kovalev, kiu en sia «Adelfia lingvo» uzas *kh*, *dh* kaj *ou* anstataŭ u, kaj estas nedubeble, ke Adelfia *vou* pli «similas» al la franca *vous*

*) «Idiom Neutral» kaj lingvo de Stelzner ne havas z.

**) Ido, ekz., havas vizar (=celi) kaj visar (=ŝraŭbi). Sendube la lasta estos prononcata kiel vizar, t. e. kiel la unua verbo.

ol la Idista *vu*! Nur tiamaniere Ido fine ricevos naturan internacian «alphabeton» kaj «orthographion». La «Akademio» de Ido bonvolu esplori la demandon kaj dume ni, esperantistoj, trankvile iru nian vojon. Ni konservu nian alfabeton, kiun eĉ la Idista profesoro Pfaundler opinias «teorie regula» (V. Pfaundler. Die Weltsprache, pĝ. 5-a), ni ne ruinigu facilanime la alfabeton, kies «ĉapeloj» ( ^ ) estis en la jaro 1894 premiitaj de la Franca Akademio de Sciencoj. Kaj fine ni konsentu kun la opinio de Couturat kaj Leau; en sia libro «Histoire de la L. I.», reeldonita en la jaro 1907, t.-e. en la jaro, kiam kunsidis la Delegacia Komitato, ili skribis pri Esperanta alfabeto: «*la literoj signitaj estas necesaj kaj ili neniom estas arbitre elektitaj laŭ sia formo, nek laŭ sia sono... krom tio speciale ili servas por harmoniigi la fonetismon kaj grafismon en la ortografio de vortoj internaciaj* (pĝ. 333-a).

Kiamotive la aŭtoroj metamorfoze maligis sian opinion, —la diritan fenomenon esploru la Juĝo de la Historio dum la sensacia proceso: «Beaufront—Couturat & K-io.»

## IV. Akcento.

En Ido same kiel en Esperanto la regulo diras, ke la antaŭlasta silabo estu akcentata, sed la Idista regulo havas multe da *esceptoj*. Kontraŭ la termino «*escepto*» ofte protestas «Progreso» kaj tamen en «Progreso» mem (1909, pĝ. 64) ni legas: «l'infinitivo formas *escepton* el nia ĝenerala regulo pri la akcento», ĉar en l'infinitivo estas akcentata la *lasta* silabo, ekz. gargarár, starár, transirír, laborór. *Due*, laŭ kompleta gramatiko de Beaufront, lastsilaban akcenton ricevas milión, miliárd, bilión, trilión, quadrilión k. c., entute 11 vortoj, ĉar en ili *-o* estas eliziita. Sed tio, siavice, formas novan escepton, ĉar la substantivo en Ido ne estas eliziebla, kaj oni povas elizii nur la adjektivon. *Trie*, laŭ opinio de idisto Strauss («Progreso», 1911, pĝ. 274), la elizio de adjektivoj ankaŭ «estas *escepto* kaj neutila kompliko de

nia regulo pri la akcentado», ĉar oni akcentas la lastan silabon, ekzemple: universitatál, malbendikát, establisít, semblánt, k. t. p. *Kvare*, en Ido oni havas, krome, akcenton sur la *tria* silabo, sekve de la regulo,—pli ĝuste: escepto—enkondukita de Idista Akademio en la j. 1910, ke «en kelksilabaj radikoj *i* kaj *u* senpere antaŭ vokalo ne povas ricevi l'akcenton», ekz. en kóncias, méntias, precípua. La lasta escepto estas aparte komplika, ĉar oni bezonas ĉiuvorte pripensi: ĉu la vorto estas kelksilaba? ĉu la antaŭlasta silabo havas vokalon? ĉu la vokalo sekvas la literon i aŭ u? Vi devas akcenti la *trian* silabon en kontínue, ínfluo, mánuo, sítuas, séxuo, stóika, révuo, ménuo, rendévuo, kaj nepre la *duan*, antaŭlastan' silabon en livréo, muzéo, manáo, lakéo, trakéo. Rezultate, estas tre malfacile ne erari kaj regule (pli ĝuste ni diru «escepte») akcenti: mánuo, manáo, ménuo, ínfluo, influár, influíva, ínfluas k. s. *Kvine*, escepton prezentas: fáiro, máizo, prúino, tráito, kóito, véino, romanálai k. s. *Sese*, evidentan escepton formas: lúndio, mársdio, satúrndio kaj la ceteraj tagnomoj. Kvankam № 42 de «Progreso» diras, ke lúndio ne estas escepto, tamen,— pli frue, en la № 35 de la sama organo ni legis, ke oni devas nepre akcenti la *lastan* elementon en la vorto kunmetita, ekz. omnadía kaj ne omnádia. Do, oni devus akcenti lundío, jovdío, se ne ekzistus la montrita escepto de la sesa kategorio.

Nun venas la demando: kiucele Ido komplikis la akcentregulon? Por naturigi la akcenton, ekz. en sekretário, notário? Sed en tia okazo, kiel diras la rusa proverbo «ludo ne valoras la kandelojn», ĉar ekz. la natura franca akcento ja ne estas konservita en lúndio, mársdio, geométrio, enérgio k. t. p. de Ido. Por la franca kaj ĝenerale por ĉies orelo, strange kaj neagrable sonos ávan, ádio, révuo, rendévuo, náiva, avénuo, ménuo, kokáino, stóika, judáismo, egóismo k. t. p. Male, estas klare, ke nia Esperanta akcento havas pli da natureco (ekz. revúo, menúo naíva k. t. p.).

Certe interesos nian legantaron la fakto, ke la supre kritikitan akcentregulon Ido imitis ĉe Novilatin, Panroman, Idiom Neutral, kaj ke ĝuste pri la akcentreguloj de la lasta (t. e. Idiom Neutral) s-roj Couturat kaj Leau skribis, ke ili estas tro komplikitaj, des pli por lingvo, kiu devas servi por vulgara uzado kaj al homoj meze instruitaj (Histoire de la L. U., pĝ. 499-a). Sed, ni devas rimarkigi, ke la akcento de Ido estas multe pli embarasanta, kompare kun la akcento de Idiom Neutral, Panroman kaj Novilatin,—kaj, konsiderante la supre prezentitan «esceptaron»,—ni ne povas ne konsenti kun la redaktoro de «Progresido», membro de Idista Direktanta Komitato, s-ro Populus, kiu,—okaze de la nova akcentregulo, enkondukita de l'«Akademio» en la j. 1910,—skribis en la № 9, pĝ. 81 de sia organo jenan artikoleton, titolitan: «Pri la decidoj de l'Akademio». «Ni malfermas pordon al l'esceptoj,—ĝemis s-ro Populus. Kie ni haltos sur tiu ĉi vojo? L'esceptoj estas nulo por la sciencisto, sed estas terurega por la plimulto de l'publiko.. Mi persistas opinii, ke estus pli bone konservi ĉiuokaze l'akcenton sur la antaŭlasta silabo kaj eĉ en qúo, qúa. Per tiu decido l'Akademio igas la prononcon pli malfacila pro la tro subtilaj distingoj... Nun ni devas forigi la paragrafon 3, p. 9 de la kompleta gramatiko, kiu estas reproduktita en ĉiuj lernolibroj aprobitaj. Cetere, tio ne havas grandan gravecon, ĉar la plimulto de l'publiko, ne zorgante pri tiuj distingoj, tro subtilaj, akcentos ĉiam la vortojn sur la antaŭlasta silabo kaj la *publika uzado* donos al la afero fortecon de leĝo, malgraŭ l'Akademio». Tamen pri unu punkto ni ne konsentas kun s-ro Populus, nome, pri la publika uzado, ĉar la publiko ne uzis, ne uzas, kaj ne uzos Idon; sed teorie s-ro Populus estas prava.

Efektive, la akcentregulo en Ido estas tre komplikita kontraste eĉ kun la mokata Volapük, en kiu la akcento estis lastasilaba sen ia escepto *). Ido ne komprenis, ke

*) Rimarkinde estas, ke «Pasilingua» kaj «La Langue Bleue» absolute ne havas la akcenton. Ĉiu silabo estas egale kaj senakcente elparolata.

la akcento natura ĝenerale estas fantomo,ĉar la naturaj lingvoj havas malsaman kaj ofte konstantan akcenton sur unu fiksita silabo, ekz. la lingvo franca sur la lasta silabo, la lingvo pola sur la antaŭlasta, la lingvoj hungara, islanda, finna, esta, bohema sur la unua silabo. Nu, se eĉ kelkaj naturaj lingvoj havas regulan, fiksitan akcenton, des pli lingvo internacia rajtas havi senesceptan akcentregulon, konforme al la formulo de prof. Jespersen: «La plej bona lingvo internacia estas la prezentanta la plej grandan facilecon por la plej granda nombro de homoj».

## V. DEKLINACIO.

Simile al Esperanto Ido deklinacias pere de prepozicioj, sed por Dativo ni trovas en Ido *ad* (=*al* en Esperanto) kaj por Genetivo *da*, *de*, *di*. La lasta estas ekzameninda pli detale.

En Ido *da* ne estas uzata post vorto esprimanta mezuron aŭ kvanton, sed «por montri la komplementon de verbo pasiva aŭ, pli ĝenerale, la aganton aŭ la aŭtoron» (Lernolibro de A. Waltisbühl, pĝ. 13). Ekz.: romano *da* Tolstoy. *De* «montras nur la devenon, originon, la lokon de foriro, konsekvence ankaŭ la materion kaj la enhavaĵon». Fine, *di* estas uzata por montri la apartenon aŭ ĝeneralan rilaton. Ekz.: redaktisto *di* «La Ondo», doktoro *di* medicino (cetere, ne malpli logike estus diri: doktoro *de* medicino).

En Esperanto la Genetiv-uzo estas simpla: ni, ekz. diras «filo *de* la patro». La Idisto, kompreneble devas longe mediti la problemon, kio do estus pli logika: 1) «filio *di* la patro», ĉar *di* montras apartenon kaj ĝeneralan rilaton, 2) «filio *da* la patro», ĉar *da* montras la aganton, la aŭtoron, 3) «filio *de* la patro», ĉar *de* montras la devenon, originon k. t. p. Ho, saĝa Edipo, solvu! Nature, la Idistoj ordinare vagas inter *de*, *di*, *da* kaj ili mem uzas «reformo *di*», «Lingvo Internaciona *di* la Delegi-

taro», kvankam pli regule estus uzi «*da* la Delegitaro», ĉar la Delegitaro ja estis «la aganto aŭ la aŭtoro».

Por kio do servas da, de, di? Oni argumentas, ke dank'al ili 1) estas evitata la samfraza ripetado de prepozicio *de*, tamen ni ofte renkontas en Ido frazojn, kiel ekz. jena el cirkulero de prof. Lorenz, tre eminenta Idestro: «*Aceptante la prezidanteso* **di** *l'Komitato* **di** *l'Uniono* **di** *l'Amiki* **di** la Linguo Internaciona, me...» Jen, alia ekzemplo,—fragmento el § 7 de Idista oficiala statuto: «*la listo* **di** *la kandidati* **di** qua la nombro povos superesar ta **di**...», 2) oni pruvas, ke de, di, da precizigas la sencon, sed unue estas malfacile precizigi la sencon de la frazo per prepozicioj, kies senco estas tro nepreciza *), kaj due oni forgesas, ke eĉ en la lingvo franca, lingvo, kiu havas severe prepozician deklinacion, tamen estas pli avara en tiu rilato kaj uzas, kiel Esperanto, *nur* **de** en la sekvantaj ekzemploj: «la libro *di* Petro = le livre *de* Pierre»; «il esas amata *da* omni = il est aimé *de* tous».

Cetere, por eviti la suspekton pri partieco, ni prefere citu la opinion de Idistaj organoj:

«*Kelkaj* samideanoj estas iafoje embarasataj, elektante inter tri prepozicioj da, de, di»,—konstatas «Progreso» (1909, pĝ. 33).

«La prepozicioj di, da, de estas iom parencaj; pro tio oni povas *kelkafoje* heziti, elektante»—plendetas «Internaciona Pioniro» (1910, pĝ. 55).

«La ĉiutaga sperto instruas, ke *ne malmultaj* samideanoj estas *tre ofte* embarasataj, elektante inter da, de, di»—sincere konfesas «Idano» (1910, № 7—8), organo de Schneeberger.

Tamen prof. Jespersen proponis akcepti novan (kvaran!) prepozicion de la sama speco «*an*» kaj okaze de la lasta propono prave rimarkigis s-ro Alfred Doutens en «Progreso» (1911, pĝ. 688): «...mi timas, ke niaj sciencaj

---

*) Se Ido zorgus efektive pri la precizeco, ĝi alie agus rilate al Akuzativo, nevariebleco de Adjektivo k. t. p.

(«ciencoza») samideanoj eniru danĝeran («danjeroza») vojon. Tro dezirante perfektigi la lingvon internacian, ni riskas pli multe rafini ol estas vere necesa por la klareco, kaj konsekvence ni riskas kompliki kaj malfaciligi ĝin». Sed, sufiĉas paroli pri Genetivo. Nun ni esploru la atuton de Ido, la Akuzativon.

---

La estimita vic-majstro de Esperanto s-ro Louis de Beaufront jene skribis pri la rolo de Akuzativo: «Ĝi evitigas al vi la lernon de principoj rigidaj kaj ofte komplikitaj... de la vortordo en la lingvo franca,—vortordo, kiun oni diras logika, mi ne scias kial, ĉar konstante ĝi rifuzas, ke oni sekvu la ordon de l'faktoj kaj ne permesas meti la vortojn, kien la pensado volas nature. Logikeco, klareco, fleksebleco: tia estas la triobla rezultato de l'Akuzativo por la lingvo Esperanto» (Prozaĵoj, pĝ. 220). Kaj ne malpli kategorie defendis l'Akuzativon s-ro Beaufront en la jaro 1907, en la № 7 de sia «L'Espérantiste».

Se ni turnos nin nun al «Histoire» ni konstatos, ke s-ro Couturat kaj Leau skribis multe da paĝoj por defendi la Akuzativon devigan en Esperanto. Bedaŭrinde, ĉar la loko mankas, ni ne povas traduki la tutan fragmenton kaj ni citos nur kelke da frazoj el Histoire,— evangelio de la «Delegitaro»: «Oni do povas proponi la dilemon: la lingvo internacia havu Akuzativon aŭ ĝi ne havu la liberecon de frazkonstruo. Kiu do el la du alternativoj estas pli embarasanta? Ni opinias ke *la dua*,—respondas s-roj Couturat & Leau,—ĉar ni scias, kiom multe la franca lingvo perdas, koncerne fleksreblecon kaj iafoje eĉ klarecon, kaŭze de sia frazkonstruo unuforma» (pĝ. 338). Plue, sur la paĝo 339-a ni legas: «Oni povas diri, ke sen l'Akuzativo la lingvo internacia ne povus posedi la kvalitojn de fleksebleco, finiteco kaj precizeco por la tuta nuancaro de la penso... Oni ja ne devas forgesi, ke unu el la ĉefaj uzoj de la lingvo internacia,

eble la plej grava, estus la traduko de sciencaj verkoj».

Do, la rolo de l'Akuzativo deviga estas ekster dubo kaj tamen la Akuzativon *absolute* ne havas multe da lingvoprojektoj ekz. Antivolapük, Novilatin, Nuove Roman, Lingua Komun, Panroman, Latino sine flexione, «Reforma projecto» de Grabowski k. t. p. Nur en tri,—plej malgravaj—projektoj, en «Weltsprache» de Eichhorn, Tutonish kaj Ekselsior ni trovas la *nedevigan* formon de Akuzativo kaj la saman strangaĵon, t.-e. la nedevigan akuzativon ni grandmire konstatas en Ido, kvankam Idistoj multe parolas pri la forigo de l'Akuzativo kaj en propagandaj broŝuroj, ekz. en «Apprenez Ido. Ixelles-Bruxelles» (pĝ 19-a) ni legas pri «suppression de l'accusatif». Sed, en la realeco Ido ne forigis Akuzativon, ĝi havas Akuzativon *oficiale* nedevigan, sed *fakte* devigan en kelkaj okazoj. Tiamaniere vi devas ne sole koni la uzon de l'Akuzativo, sed,—krome,—koni la «okazaron», kiam vi devas nepre uzi ĝin. Jen, ekz., la kompleta gramatiko de A. Waltisbühl instruas: «Kiam la rekta komplemento de verbo antaŭiras la subjekton de la sama verbo, kia ajn estas la loko de l'verbo, *oni devas* meti ĝin en l'akuzativon... Kiam pronomo relativa estas rekta komplemento, ĝi *devas necese* preni l'akuzativon». Sekve, idisto devas rekoni la rektan komplementon kaj distingi l'Akuzativon de l'Nominativo, sed, kompreneble, estas malfacile rekoni en la frazo ĝuste la rektan komplementon kaj,—kontraŭe,—estas tre facile uzi la Akuzativon, post kiam la rekta komplemento estas jam rekonita. Do, se Idisto,—tute egale,—devas kompreni la ideon mem de l'Akuzativo, estus pli facile por li mem uzi la Akuzativon konstante sen escepto, ĉar tiam li ne bezonos en ĉiu frazo esplori, ĉu «la rekta komplemento de verbo antaŭiras la subjekton de la sama verbo, kia ajn estos la loko de l'verbo», ĉu «pronomo relativa estas rekta komplemento» k. t. p. Sendube estus pli racie plene forigi la Akuzativon kaj la Idista «Akademio» faris grandan eraron

decidinte sub la № 53 konservi la Akuzativon nedevigan.

Kontraste, en Esperanto la problemo de l'Akuzativo estas solvita klare kaj logike. Se vi private korespondas, vi povas laŭ rekomendo de D-ro Zamenhof mem *), ne tro atenti la Akuzativon, kaj ne estas dubeble, ke via korespondanto ne pendigos vin. Sed, se vi deziras ekz. presigi mem ian libron, vi devas regule uzi la Akuzativon, kiu oficiale estas deviga en Esperanto. La motivoj de tiu devigeco estas *unue* la fakto, ke uzi konstante, senescepte la regulon estas pli facile ol vagi meze de diversaj «okazoj»**) kaj *due* la alia fakto, ke la Akuzativo precizigas la sencon kaj ebligas liberan vortordon; la lastan kvaliton de Esperanta akuzativo admiris prof. Ostwald mem en sia broŝuro pri lingvo internacia (pĝ. 27-a) kaj tute prave skribis al Ostwald la 51 Amerikaj scienculoj, ke «la kelkfoja uzo de la Akuzativo en Ido ŝajnas pli konfuzanta ol ĝia regula kaj konstanta uzado en Esperanto». Krome, Ido postulas fiksitan vortordon» ***). Efektive en la gramatiko, ekz. de Waltisbühl la paĝojn 18, 19, 20 okupas sole la «Reguloj de l'vortordo». Laŭ kompleta gramatiko de Beaufront oni devas nepre diri «reto kovranta la mondo» kaj oni *ne* povas, kiel en Esperanto, ordigi la vortojn kvarmaniere: 1) reto, kovranta la mondon, 2) reto la mondon kovranta, 3) la mondon kovranta reto kaj 4) kovranta la mondon reto. Se mal-

*) D-ro Zamenhof en «La Esperantisto» skribis la 20-an de Januaro, 1890: «Tuŝante la akuzativon, mi povas doni la jenan konsilon: uzu ĝin ĉiam nur en tiuj okazoj, kie vi vidas, ke ĝi estas efektive necesa; en ĉiuj aliaj okazoj... uzu ĉiam la nominativon. La akuzativo estas enkondukita nur el neceso, ĉar sen ĝi la senco ofte estas ne klara, sed la uzado en okazo de senbezono pli multe malbeligas la lingvon, ol la ne uzado en okazo de bezono».

**) Laŭ gramatiko de Kofman oni devas uzi l'Akuzativon «en okazo de *neceso*», sed estas absurde postuli ion absolutan, objektivan, se la kriterio mem estas tre subjektiva kaj individua.

***) Kroma argumento por Akuzativo estas, ke ĝi variigas la vortfiniĝojn kaj tiamaniere belsonigas la lingvon per *-on*, *-an*, rompante la monotonecon de -o, -a.

graŭ la rigida kaj fiksita vortordo la senco ne estas klara, oni uzas en Ido la akuzativon, ekz.: «subsidiin», «bonajin», «lernantinin» k. s.

Ne estas do mirinde, se en Ida teksto troviĝas frazoj, kies senco estas dubebla. Jen kelke da ekzemploj:

Sur la paĝo 30 de broŝuro «Ido. Les vrais principes de L. A.» unu ĉapitro estas titolita: «*Fiasko expektas* *) *ni*». Nu, ĉu «fiasko atendas nin» aŭ «fiaskon atendas ni»; alivorte, ĉu fiasko atendas Idon, aŭ fiaskon de Esperanto atendas Ido?

El «Progresido», 1910, № 2, p. 15: «Amez la homo quale vu ipsa». La frazo estas kvarsenca kaj vi devas diveni, ĉu 1) «Amu la homo kiel vi mem», 2) «Amu la homon kiel vi mem», 3) «Amu la homon kiel vin mem» kaj 4) «Amu la homo, kiel vin mem».

Fine, s-ro Couturat mem skribis en «Progreso» 1908, p. 332: «la maniero per qua la centra organo informas la esperantisti». Kiu do informas: la organo aŭ la esperantistoj?—En la Oktobra n-ro de Progreso, 1912, estas trovata jena frazo de Couturat: «metal-bruisi qui kovras la voco de la chefi». Ĉu la bruo kovras la voĉon de la ĉefoj? Eble, la voĉo kovras la bruon? Jen estas la fanfaronata precizeco de Ido!

Restis al ni ankoraŭ unu detalo: ne sole en nia Esperanto, sed en la lingvoj rusa, germana, sanskrita k. a. Akuzativo montras la direkton, ĉar esence Akuzativo estas «direktmontrilo» al rekta komplemento; Ido forigis la akuzativon de direkto kaj por montri la direkton uzas kombinon de prepozicioj, ekz., aden, adsub k. t. p., spite la fakto, ke en «Histoire» Couturat & Leau malaprobis la similan manieron, nome, sur la pĝ. 339 ili elokvente klarigis, ke: «la Akuzativo ebligas distingi la lokon, kien oni iras, de la loko, kie oni estas. Oni povas tion distingi sen Akuzativo nur per variigo de la prepozicioj, sed tio estus pli embarasanta por la memoro».

*) Expektas=atendas en Esperanto.

Kaj ni rememoras, ke sur la paĝo 338 de la sama libro s-roj Couturat & Leau pruvis, ke la regulo! pri Akuzativo devas esti «ĝenerala kaj unika», ni rememoras, ke, plue, sur la paĝo 552-a estas presite, ke «ĝenerale la gramatikaj reguloj devas havi valoron universalan, absolutan kaj havi nenian escepton kaj nenion nedevigan».

Tamen Ido havas multe da esceptoj, tamen Ido havas nedevigan Akuzativon, kaj tute prave prezidanto de Berlina Societo Esperantista D-ro Borgius skribis en «Progreso» (1909, p. 83): «Ŝajnas al mi, ke la enkonduko de *akuzativo laŭvola* estas afero tre duba, kies analogion oni apenaŭ trovas en iu lingvo, kaj kiu certe incitos kritikemecon de ĉiuj lingvistoj kontraŭ Ido».

Kaj efektive la fama lingvisto J. Mayor, okupinta dum 50 jaroj profesoran katedron en Kembriĝa universitato, diris okaze de Akuzativo en Esperanto kaj Ido: «Neniam preterlasu Akuzativon; observu fidele ĝiajn nevarieblajn regulojn. La peno estas malgranda, la profito nekalkulebla» *).

## VI. La multenombro.

Nun ni venis al unu el la plej gravaj punktoj de la «reformo»:—multenombro per *i*, kiu ne estas aldonata al la substantivo, sed okupas la lokon de la substantiva finiĝo—*o*. Ekz. *folio* en la multenombro—*folii* (*ne* folioi). Per tio Ido donacis al ni novan escepton kontraŭ la principo de aglutinado, t.-e. kunigado de l'vortelementoj (ekz. en Esperanto: folio+j). Kaj jena principo de l'sumigado ja karakterizas la tutan sistemon de Esperanto. Sed, krome Ido rompis alian principon, proklamitan de prof. Ostwald, kiel ĉefa bazo de lingvo internacia,—nome, la *principon de unusenceco*, ĉar -*i* en Ido havas pli ol unu sencon, estante samtempe signo de l'multe-

*) La adjektivoj ne havas Akuzativon, sed pri tio ni parolos en speciala ĉapitro: «Adjektivo nevarianta».

nombro kaj la substantivsigno *). «*I* estas signo de substantivo en multenombro»—argumentas sofisto Couturat, sed lia argumento estas netrafa, ĉar,—ree kontraŭ la principo de Ostwald—la saman finiĝon -*i* havas en la multenombro substantivoj, pronomoj (ekz. kelki, iti), adjektivoj (belai, fortai) k. t. p. Pri la lastaj formoj «belai», «fortai» ni parolos en la sekvonta ĉapitro, titolita «Adjektivo nevarianta» kaj tie ni montros, ke en Ido la adjektivo estas nevarianta kaŭze de la multenombro per i. Dum Esperanto harmonie kaj simetrie multenombrigas la substantivon kaj ĝian adjektivon per la aldono de unu sama litero -j, Ido ne povas sammaniere multnombrigi la substantivon kaj adjektivon, ĉar se ni diros *beli folii* la adjektivo ne diferencos de la substantivo. Sekve, oni devas nepre *aldoni* al la substantivo kaj adjektivo ian literon ekz. -*s*, se -j ne estas simpatia, kaj kvankam, niaopinie, -s ne estas pli bona, ol -j, tamen ĝi estas multe pli oportuna kaj pli internacia ol -i, ĉar -s por la multenombro uzas 242 milionoj de Eŭropanoj, kaj ni trovas ĝin en la lingvoj franca, angla, germana, hispana, portugala, litova, latina, greka, sanskrita, en Volapük, Nov Latin, Novilatin, Mundolingue, Nuove Roman, Perio, Europal de J. Weisbart kaj en pli ol 20 aliaj lingvoprojektoj. Sed... tiaokaze ne taŭgos -*n* por la akuzativo («belasn foliosn» ne estas elparolebla) kaj tial ni volonte subskribas la opinion de s-roj Couturat & Leau en «Histoire»: «Se ekzemple,—skribis Couturat kaj Leau en libro, reeldonita en 1907,—oni volus prunti el la lingvo latina la signon de multenombro (-*i* aŭ -*s*),oni devus formi la multenombron: *ovi*, *templi* aŭ *ovos*, *templos* kaj tio ŝokus kruele la latinistojn... Oni devas konfesi, ke la duon-konsonanto j estas tre feliĉe («fort heuresement») elektita, kiel signo de multenombro, ĉar ĝi sola povas akordiĝi kun -*n* de l'akuzativo.

*) Pli racie aranĝis Idiom Neutral, en kiu -i estas *aldonata* al la substantivo (ekz. kavaloi). La saman manieron proponis sensukcese prof. Jespersen dum kunsidoj de la Delegacia Komitato.

Ĝi krome havas la avantaĝon esti indiferenta, neŭtrala kaj ŝoki nenies kutimon, nenies tradicion» («Histoire», pĝ. 335 kaj 557).

Pro kio s-ro Couturat subite aliigis sian opinion? Eble, sub la influo de la 2 lingvistoj, membroj de la Delegacia Komitato? Sed, unu lingvisto, prof. Jespersen, kiel ni jam diris foje, proponis ne-idistan, aglutinan finiĝon, kaj la dua lingvisto de la Delegacio prof. Baudouin de Courtenay skribis en Idista Progreso (1909, pĝ. 115): «Mi ankaŭ vidas nenian plibonigon, sed kontraŭe malbonigon ekz. en la forlaso de substantiva finiĝo, t.-e. en la anstataŭigo de -oj per -i, ekz. nomi anst. nomoj» *). Simile parolis fama lingvisto prof. R. Brandt, kiu opinias, ke j estas pli harmonia, sed pri tio ni diros en speciala ĉapitro.

Ni devas fine noti, ke Idista multenombro estas esceptoriĉa kaj s-ro Rollet de l'Isle ne senmotive distingas ses formojn de la multenombro en Ido: *1*) la adjektivoj ne havas la multenombron, *2*) multenobro per i anstataŭ o, ekz. teorio—teorii, *3*) per i anstataŭ u, ekz. ulu—uli, *4*) per i anstat. a ekz. qua—qui, *5*) per i aldonata al a, ekz. romanala—romanalai kaj *6*) per e anstataŭ a, ekz. la—le. Pri la formoj № 1, 3, 4, 5 ni parolos aliloke pli malsupre, kaj tuŝante la lastan formon № 6, estas necese klarigi, ke la artikolo *la* escepte havas la multenombron ne *li*, sed *le*, kaj siavice la multenombra formo de l'artikolo estas uzata nur kiel escepto, ekz. le bona (en Es. la bonaj), le Grachus k. t. p. Pri tio en la tre interesa ne-esperantista libro «Auf dem Wege zur Europ. Sprache» (pĝ. 279-a) ni trovas pravan opinion, ke la formoj kun *le* prezentas escepton el la regulo, ke la substantivoj nepre varias en la multenombro. Parolante pri la artikolo, ni utiligas la okazon por demandi la Idistojn: kial «simpligante» Esperanton, ili ne forigis la artikolon. Sed, kontraŭe, Ido krom *la* enkondukis *le*—jen estas vera simpligo!

---

*) Samon skribis prof. B. de C. en «Espero», 1908, № 10, pĝ. 427.

## VII. Adjektivo nevarianta.

En Ido adjektivo ne varias en la Akuzativo nek en la multenombro «*esceptinte* tre maloftajn okazojn», kiel diras Kofman en sia gramatiko (pĝ. 7-a). Unue konforme al la § 102 (pĝ. 45) de la kompleta gramatiko de Beaufront oni povas akuzativigi la adjektivon, kiam dusencaĵo estas timebla, ekz. «belan historion me rakontis», «panon nian omnadian donez», sed pri tiu punkto silentas la ceteraj gramatikoj de Ido kaj en la Idaj tekstoj ni neniam trovis adjektivon en la akuzativo. La duan escepton formas la multenombro per *aldono* de -i, ekz. antiquai, tranzitivai *), kaj fine la trian escepton prezentas la multenombro per *le*, ekz. le antiqua, le tranzitiva k. t. p.

Kontraste, en Esperanto oni senescepte kaj logike akordigas harmonie la adjektivon kun la substantivo, ĉu en la akuzativo (belan floron), ĉu en la multenombro (belaj floroj, belajn florojn), dum en Ido ni havas: bela floro, bel floro, bela flori, bel flori, bela florin, bel florin. Do, en Ido forestas la tre utila ligilo inter adjektivo kaj substantivo, la ligilo, kiu montras en la frazo, ke jena adjektivo apartenas al jena substantivo, kaj tiamaniere estas atingata multe pli granda komprenebleco «unuavida» kaj eĉ «unuaaŭda». Eble, oni supozas, ke la Idista adjektivo estas pli facile uzebla? Evidenta eraro, ĉar *aŭtomate* ni akordigas adjektivon kun substantivo, aldonante al la ambaŭ -n en la Akuzativo kaj j en la multenombro; tial la lasta procedo estas pli facila dank'al sia simetrieco kaj aŭtomateco. Nur en unu natura lingvo la adjektivo ne estas akordigata kun la substantivo, en la ceteraj lingvoj, vivantaj kaj mortintaj (greka, latina, sanskrita) la adjektivo akordiĝas kun la substantivo, do, ni havas jam tiun kutimon el nia patrolingvo kaj estas al ni pli facile sekvi la kutimon ankaŭ en la lingvo

*) Tamen, la formoj *manai*, *sofai* k. a. prezentas ne adjektivan sed substantivan multenombron de *manao*, *sofao* k. a.

artefarita; tial mi estas certa, ke komence la nova idisto erare akordigas la adjektivon kaj devas longe ekzerci por ne multenombrigi la adjektivon.

En la ĉapitro V-a ni jam vidis, ke la nedeviga Akuzativo sekvigis en Ido rigidan vortordon. La Idista adjektivo pligrandigas la supre montritan rigidecon. Ni vidis ankaŭ, ke la nedeviga Akuzativo ofte malklarigas la sencon de la frazo. Nu, la neakordigata adjektivo siavice prezentas fonton da plej diversaj dusencaĵoj. Jen ekzemplo tre reliefa, kiu pruvas la necesecon de Esperanta adjektivo. Kiam aperis la «Titolaro de esperantaj verkoj, *tradukitaj* el la rusa literaturo» en ia gazeta recenzo erare estis presite, ke la titolo de la recenzata broŝuro estas «Titolaro de esperantaj verkoj *tradukita* (anstataŭ: tradukitaj) el la rusa literaturo», kaj sekve de tiu preseraro la senco tute aliiĝis: la leganto povas pensi, ke ne la verkoj, estas tradukitaj el la rusa literaturo, sed, ke estas tradukita la titolaro de originalaj esperantaj verkoj. Alia ekzemplo el Progreso (1909, pĝ. 302). S-ro Couturat skribis «Me ricevis de l'tutmondala Asocio *Esperantista* letro». Estas neklare, ĉu la vorto *Esperantista* rilatas al «Asocio» aŭ al «letro», ĉu s-ro Couturat ricevis *leteron esperantistan* de ia tutmonda Asocio, eble, ne esperantista, aŭ ĉu li ricevis leteron de l'tutmonda *Asocio Esperantista*. Ankoraŭ unu, lasta, ekzemplo: «La lernolibri franca e germana, aprobita da la Akademio». La citata frazo estas almenaŭ *sepsenca*: 1) La lernolibroj franca kaj germana, aprobita de l'Akademio, 2) La lernolibroj francaj kaj germana, aprobita de l'Akademio, 3) La lernolibroj francaj kaj germana, aprobitaj de..., 4) La lernolibroj francaj kaj germanaj, aprobitaj de..., 5) La lernolibroj franca kaj germanaj, aprobitaj de..., 6) La lernolibroj franca kaj germana, aprobitaj de,.., 7) La lernolibroj franca kaj germanaj, aprobita de l'Akademio.

Se la akordigo de l'adjektivo estas efektive superflua, se adjektivo ne bezonas la multenombron, konsekvence,

ne bezonas la multenombron ankaŭ la substantivo *). Ni parolas serioze kaj ni devas rimarkigi, ke ekz. en «Langue Catholique» de Liptay la multenombro estas nedeviga kaj uzata nur en okazo de neceso **). La multenombro absolute forestas en «Latino sine flexione» (mi nomus ĝin: Latino sine grammatico), de prof. Peano, membro de la Delegacia Komitato, al kiu apartenas la aforismo «Gramatika minimumo estas gramatika nulo» kaj kiu opinias, ke, se oni diras «la homo havas unu buŝon kaj du orelojn» la signo de la multenombro ne estas necesa, ĉar ni jam diris, ke la buŝo estas *unu* (do, ununombro) kaj la oreloj *du* (do, multenombro), kaj se neniu vorto signas la nombron, oni ja povas *aldoni* la vorton «unu» por ununombro kaj «kelkaj» por marki la multenombron.

Cetere, ni opinias, ke prof. Peano ne estas sufiĉe radikala. Jen, en la lingvo ĥina verbo ne diferencas de substantivo kaj distingiĝas nur per la *vortordo*. Ni esperu, ke Ido, pli kaj pli «simpligante» siam gramatikon, fine evoluos en la direkto al la ĥina vortordo. Ido ja havas la multenombron por *la:—le*, kaj se ĝi havus la artikolon nedifinitan, ĝi «logike» ne bezonus plu la multenombron por la substantivo (ekz. bona homo—le bona homo). Se la «Akademio» decidos esplori la proponitan de ni re«formon», ni konsilas al la Akademianoj ne legi, kaj se ili legis, forgesi «Histoire» de Couturat kaj Leau, ĉar tie sur la paĝoj 315, 335, 336 estas presite per nigraj literoj sur blanka papero, ke:

«adjektivo povas ludi la rolon de epiteto kaj de predikato... En la lingvo franca oni distingas iafoje la du sencojn per la loko de l'adjektivo... Sed tiu rimedo,—nelogika kaj subtila—ne sufiĉas en la lingvo franca kaj ne konvenas por la lingvo internacia. *Esperanto trovis*

---

*) Tiam la adjektivo reakordiĝus kun la substantivo, ĉar ili ambaŭ estus samgrade ŝtonigitaj.

**) Ekz., oni ne bezonas la multenombron en frazo: six hom. Same, se mi diros en Esperanto ses homo,—oni komprenos min.

*en akuzativo rimedon universalan*—konstatas s-roj Couturat kaj Leau: ĝi (t. e. Esperanto) akuzativigas la epitetan adjektivon kaj nominativigas la adjektivon predikatan. Ekzemple, se temas pri botelo rompita, kiun vi trovis, diru: —Mi trovis la botelon rompitan. Se temas male pri botelo, kiun vi trovis rompita, diru:—Mi trovis la botelon rompita. La senco estas klara ĉe kiu ajn vortordo... Sed oni kritikas la formalan distingon por partoj de l'propozicio,—daŭrigas la aŭtoroj de «Histoire». Oni juĝas tion neutila. Ŝajnas al ni kontraŭe, ke tio estas avantaĝo kapitala. La distingado de propoziciaj partoj per la finiĝo ebligas rekoni unuavide kaj unuaaŭde la specon de la vorto kaj sekve ĝian rolon en la frazo, kompreni senpere la konstruon en maniero senerara, preskaŭ senkonscia kaj aŭtomata» (*Histoire*).

Kaj nun Ido, mamnutrita de s-ro Couturat, ne havas por sia adjektivo konstantan finiĝon, eĉ en la nominativo kaj eĉ en la ununombro, ĉar kaŭze de la proza elizio *) vi renkontos: «sentem anmi» («Progresido», 1910, p. 10), «jorni konsakrit» (Ib.), «primitiv esperantisti», «simpl», «lumizit», «preferat», «nemezurebl», «deliberend», k. t. p. **).

Resumante, ni konkludas, ke Idista adjektivo prezentas evidentan regreson kaj revenon al Volapük, kiu simile havis adjektivon ŝtonigitan kaj pro tio en Volapüka vortordo la adjektivo ĉiam sekvis la substantivon (laŭ Volapüka lernolibro de Raviĉ, eldonita de A. S. Suvorin). D-ro Zamenhof bonege komprenis, ke ne tiamaniere oni simpligas la lingvon kaj li genie donis al Esperanto adjektivon akordigatan. Naive estus kredi, ke Ido intencis plisimpligi Esperanton per sia adjektivo. Pli supre ni jam diris, ke, se eĉ Ido volus, ĝi ne povus akordigi

---

*) En Esperanto elizio estas uzata ordinare nur en versaĵoj kaj nur ĉe substantivoj en ununombro kaj en nominativo. Ido elizias, krome en multenombro kaj en Akuzativo, sen apostrofo.

**) Pli radikale D-ro Stelzner en sia projekto forigis la diferencon inter adjektivo kaj adverbo (ekz. bel uniformo kaj bel ornamed jardeno).

la adjektivon, ĉar la meĥanismo de Ido ne ebligas tion:— se ni multenombrigus la adjektivon; ekz. en «boni homi» l'adjektivo «boni» ne estus distingebla de l'substantivo «homi».—La akordigo estas superflua, ni ne bezonas ĝin!—sin konsolas la Idistoj. Sed simile, ne havante beletristikon kaj poezion, Idistoj aplombe deklaris: «Ni ne bezonas literaturon». Ne havante la kongresojn, ili same parolis:—Ni ne bezonas bruan demonstracion...

## VIII. Pronomoj.

La personaj pronomoj en Ido estas por la ununombro: 1) *me* kaj *ego*, 2) *tu* kaj *vu*, 3) *ilu* (il), *elu* (el), *olu* (ol), *lu*, kaj por la multenombro: 1) *ni*, 2) *vi*, 3) *ili*, *eli*, *oli*, *li*, kaj nedifinita pronomo *onu* (on). La refleksiva pronomo estas *su*.

En Esperanto ni havas por ununombro: 1) mi, 2) ci *), 3) li, ŝi, ĝi kaj por multenombro 1) ni, 2) vi, 3) ili. La nedifinita pronomo estas oni, la refleksiva si, do en Esperanto ni havas nur *10*, dum en Ido ekzistas *19* formoj de person-pronomoj. Tamen la Idistoj ne estas kontentaj kaj oni jam proponis reformi me (=Esp. mi) kaj enkonduki *ik*, sed la Akademio ne konsentis (Decido № 511). Anstataŭ ol (=Esp. ĝi) estis proponita la angla *it*. Se mi estus Idisto, mi nepre postulus la reenkondukon de ŝi (=la angla *she*, prononcata ŝi), kaj forigon de *el*, des pli, ke *el* estas artikolo en la lingvo hispana **). Plue, por Ido ne sufiĉis *vi*, kiu en Esperanto, kiel en la lingvo franca kaj en la aliaj lingvoj, servas ne nur por la multenombro, sed ankaŭ por la ununombro. Krom *tu* (familiara formo por la ununombro) kaj *vi*, Ido havas *vu* por «ĝentila» formo en la ununombro, kaj ni miras, ke Ido ne havas por la multenombro specialan ĝentilan kaj specialan familiaran formojn,—simile al la «Langue

*) Ci estas uzata tre malofte.
**) Same en «Simplo», nova projekto de lingvo internacio.

Bleue». La «li, ŝi, ĝi» de Esperanto ankaŭ ne kontentigis Idon kaj ĝi solvis iom alie la seksan problemon, nome por la vira sekso Ido havas il, por la virina—el, por la nedifinita sekso ol kaj fine por la... senseksa difino—*lu* por la ununombro kaj *li* por la multenombro.

La posesivoj en Ido estas formataj regule per -a, esceptinte kelke da okazoj. Ekz., kvankam oni uzas ordinare la formojn il, el, ol, tamen la posesivoj estas ne ila, ela, ola, sed ilua, elua, olua kaj plej ofte estas uzata la eksterregula formo: ilsa, elsa, olsa, aŭ simple sa por la ununombro, kaj por la multenombro lia aŭ ilia, elia, olia (sed *ne* ilisa, elisa, olisa). Niaopinie, se ili, eli, oli estas multenombro de ilu, elu, olu,—tiaokaze la adjektivigo per aldono de -a al la finiĝo -i de la multenombro estas neregula, same neregula kiel se, ekz., ni dirus viria, fratia k. t. p. Siavice la multenombro en ili, eli k.t.p. estas neregula, ĉar laŭ regulo nur -o (sed ne u) cedas la lokon al -i. Plian escepton prezentas la fakto, ke en Akuzativo apud ilu'n elu'n, olu'n, oni ne uzas sun (=Esp. sin), sed nepre su. Kontraŭe alia pronomo qua nepre devas ricevi la Akuzativon (quan, quin), kiam ĝi estas rekta komplemento. Fine, ni devas rimarkigi, ke en Ido ekzistas ankaŭ la formoj ilsi, elsi, olsi, kaj, paralele kun mei, tui, nii, lii, vii,—le mea, le tua, le nia, le ilsa, le sa, le sua k. t. p., k. t. p.

Tuŝante la demandon pri la demonstrativoj, ni devas noti, ke Ido forigis *tiu ĉi* (kiu cetere = celui *ci* de la lingvo franca) kaj enkondukis la senfinan serion: ica, ita, ici, iti, ico, ito, ilca, elca, olca, ilci, elci, olci, ilta, elta, olta, ilti, elti, olti, ca, ta, ci, ti, co, to, kaj aliajn similajn «volapükismojn», kiel karakterizis la Idistan pronomaron en Progreso (1909, pĝ. 31) unu eminenta idisto, kiu proponis por la demonstrativoj *tisa*=germana dieser, angla this. La relativoj, la demandpronomoj kaj la nedifinaj pronomoj en Ido estas: qua, qui, quo, ilqua, olqua, elqua, ilqui, olqui, kelku, irgu k. t. p. Kiel skribis s-ro Jöhnsson, konstanta kunlaboranto de la «Progreso»,

la pronomoj qua, qui, quo k. t. p. «nek en latina, nek vivantaj lingvoj havas la signifojn, kiujn Ido alskribas al ili» («Progreso», 1909, p. 161). Plue, estas notinde, ke la pronomoj de Ido havas jenan escepton, nome: apud altru, nulu, omnu, kelku, irgu, Ido ne havas analogie la formojn: icu, cu, quu k. t. p.

Ĝenerale, la harmonieco kaj simetrieco forestas en la Ida pronomaro, kiu,—diris Ĉefeĉ,—«eble taŭgas por novlatinuloj, sed aperas al teŭtonoj kaj, mi kredas, ankaŭ al slavoj, kiel vera ĥaoso» («Elementoj de la vortfarado», pĝ. 27). Kontraste, en Esperanto regas la sistemeco, kaj ekz. estas ja evidente, ke pli facile oni memoros «kiam, tiam, ĉiam», ol «kande, lor, sempre». Por koni la Esperantan tabelon de pronomoj, vi bezonas ellerni nur 13 vortetojn. Dank'al la simetria sistemo, vi senlerne memoros la tutan 45-vortan tabelon *), dum en Ido vi devas parkere lerni preskaŭ la tutan pronomaron kaj mi persone ofte forgesas la pronomojn de Ido, kvankam mi delonge kaj atente studas ĝin.

Ido diras, ke Esperanta pronomsistemo ne estas racia, sed ĝi estas internacia, simila al la sistemoj greka, franca, germana, angla, rusa, pola kaj, kiel pruvis s-ro Polczynski, eĉ la vortoj de la tabelo estas pruntitaj el la lingvoj pola, rusa, litova, rumana k. t. p.

«Mirinda estas la eltrovo de la tabelo; mi ne povas sufiĉe ĝin admiri; certe, via Majstro estas granda geniulo», — diris la mondfama lingvisto prof. Mayor; same opinias prof. Gautherot kaj prof. Fuchs, same la 51 Amerikaj scienculoj en sia letero adresita al Ostwald, skribis: «La manko en Ido de la logika serio de 45 korelativaj vortoj de Esperanto estas bedaŭrinda ŝanĝo kaj maloportuna pro la pli granda laboro, kiun ilia manko kaŭzas al la lernantoj kaj uzantoj de la lingvo». Fine,

*) Krome, en Esperanto paralele kun «kiam, tiam, kie, ĉie, tiel, kiel, kial, tial, kiom, neniom», k. t. p. oni uzas: kiatempe, tiutempe, kiuloke, ĉiuloke, tiuloke, tiamaniere, kiamaniere, kiukaŭze, tiukaŭze, kiukvante, neniukvante k. t. p.

4

eĉ prof. Jespersen mem konfesis, ke la pronomoj de Ido «eble estas malpli sistemaj» (Int.-D. Wört., Vorwort XX) kaj eĉ en «Progreso» (1908, pĝ. 79) ni legas, ke «je teoria vidpunkto oni konsentas por admiri la lertecon de tiu logika interrilateco».

Nature plej interese estus aŭdi la opinion de s-roj Couturat kaj Leau. *Nun* la unua *) t.-e. s-ro Couturat ofte mokas la tabelaĉon, la sistemaĉon de Esper. propomoj, tamen en lia «Histoire» (eldono de la jaro 1907) ni legas, ke «La pronomoj prezentas korelativon *elegantan kaj oportunan*... Oni rimarku, ke la solaj vortoj, konstruitaj apriore estas la pronomoj kaj adverboj de la tabelo. Tiu escepto estas justigata per du motivoj,—skribas Couturat,—1) la pliparto de tiuj vortoj ne povas esti internaciaj (ekz. *immer* en la germana, *allways* en la angla, *toujours* en la franca, *sempre* en la itala), 2) la donitaj formoj prezentas *korelativon logikan* **), *kiu helpas por ilin memori*» (pĝ. 308 ,343). Kaj la sama opinio estas kelkfoje ripetita en «Histoire» sur la pĝ. 513, 514, 558, sed ni ne citu plu. Sufiĉas, se ni diros, ke la Idistoj mem ne aprobas sian novan tabelon kaj atakas sian Akademion per la proponoj ree reformi la «simpligatan» pronomaron de Ido.

## XI. Verbo.

«La Esperanta konjugacio estas mirindaĵo de simpleco kaj reguleco... Ĝi permesas reprodukti *la tutan nuancaron*, uzatan en diversaj lingvoj naciaj. Ŝajnas esti neebla imagi sistemon pli facile kompreneblan, pli facile lerneblan, kaj samtempe pli konforman al niaj kutimoj de parolado kaj pensado»,—tion skribis s-roj Couturat

*) La ekzisto de la dua kunaŭtoro, s-ro Leau, estas iomete mitosimila, ĉar, kvankam li estas vic-prezidanto de Id. Akademio, tamen ŝajnas, ke li ne havas ian rilaton al Ido.

**) Se la tabelo estas logika, kial do Ido, fanfaronanta pri sia logikeco, forigis ĝin?

kaj Leau en «Histoire», sur la paĝo 340, kaj tamen Esperanta konjugacio ne evitis la «plisimpligon». *Krom* Esperanta *analiza* konjungacio, Ido enkondukis paralele tute superfluan konjugacion *sintezan*, *aktivan*, *pasivan*, kaj eĉ *aktive-pasivan*, ekz., krom esas amanta, esas amata k. t. p., amesas, amesis, amesos, amabas, amabis, amabos, amabus, amesabas, amesabis k. t. p. Cetere Idista Akademiano Janko skribis en «Progreso» (1909, pĝ. 90), ke «la formo amesas por la pasivo ŝajnas ne feliĉe elektita» kaj en la sama organo prof. Brandt argumentis kontraŭ tiu formo, ĉar estas sufiĉa la analiza formo: «esas amanta, esas amata» k. t. p.

Sed kial «*esas*»?—certe miros la leganto,—kial ne «*estas*», simila al la latina *est*, franca *est*, hispana kaj portugala *estar*, germana *ist*, kaj rusa *est*? Krom tio, «*esti*» estas ja pli belsona, laŭ opinio de Idista organo «The Internacional Language». Sed,—tute egale,—nia admonado ne efikos kaj ne influos sur la Idistaron, kiu ne atentis eĉ la admonon de lingvisto prof. Brandt en «Progreso»; nome en la 1909, pĝ. 267 la estimata profesoro skribis: «La radiko prahistoria *es* ne plu ekzistas; ĝi estas lingvista preparato ne ekzistanta en la nunaj lingvoj kaj tute ne internacia; pli nature Zamenhof prenis la sufiĉe internacian trian personon».

---

Ni transiru nun al Imperativo. Ido forigis la finiĝon de Esperanto -u, sonantan ordone, kaj akceptis la francismon -ez *), kiu dum parolo estas facile konfuzebla kun la ceteraj verbofiniĝoj (ekz. -as, is, os) kaj, krome, ez ne estas prononcebla, kiel *ez*, sed neeviteble oni ĝin elparolos, kiel *es*. Tiamotive, laŭ oficiala deklaro de Ido: «Se iu ne povas prononci z en imperativo -ez, oni povas prononci, kiel *es*». Do, ne estas mirinde, ke Ido intencas

*) Ez, kiu interalie troviĝis ankaŭ en la Adjuvanto de Beaufront, certe erarigos la francojn, ĉar en la lingvo franca *ez* estas prononcata, kiel *e*. Pli racia estas por Imperativo -*e* en Panroman kaj en la Internacia Scienca Lingvo de Kovalev.

rereformi sian Imperativon. «Ez estas strangaĵo ekster la sistemo»—oni skribis en «Progreso» (1909, pĝ. 313).—«Pezoza formo ez»,—karakterizis ĝin D-ro Krikortz («Progr.», 1909, pĝ. 350). —«Ez estas nula plibonigo, sed kontraŭe malbonigo»,—kategorie deklaris en «Progreso» (1909, pĝ. 115), la vic-prezidanto de la Delegacia Komitato, konata lingvisto Baudouin de Courtenay. Rezultate «Belga Sonorilo» proponis forĵeti *-ez* kaj elekti *-er* (1908, Dec.). Pinth proponis *-ev* en «The International Language. Oni proponis ankaŭ *es*, *-u* (reveno al Esperanto!) kaj fine oni eĉ proponis, ke Imperativo absolute ne havu ian finiĝon. Tamen per la decido №675 la Idista Akademio malakceptis la proponojn.

---

Alia «simpligo» de Ido konsistas en la trispeca infinitivo: -ar, ir, -or por la tempoj estanta, estinta kaj estonta, ekz. «per lektor kaj skribor, vi rapide instruktos vi» (Giminne. Petite Grammaire, pĝ. 13-a). Por ke la infinitivo (pli ĝuste: la infinitivoj) estu ankoraŭ pli «simpla», oni decidis akcenti la lastan silabon. Dume, oni dubas, ĉu la reformo estas racia, ĉar -i por Infinitivo ne estas originala en Esperanto, ĝi estas finiĝo internacia, uzata por infinitivo en la lingvoj latina, rusa, hungara, bohema, kroata, serba, litova kaj eĉ japana *). Esperanta -i «estas pli bona ol -ar, -ir, -or, kaj la enkonduko de tri infinitivoj estas nepardonebla eraro; ĝi estas des pli mallaŭdinda, ke restas sufikso *-ar*, kiel signo de kolekto»—skribis en «Progreso» prof. Baudouin de Courtenay (1909, pĝ. 112). Same, «akademiano» Janko opinias, ke «konforme al la principo de unusenceco oni devas forigi ar» **). («Progreso», 1910, pĝ. 651).

---

*) Estas eraro opinii, ke la Idista finigo — ar = franca er, en kiu r ja ne estas elparolata.

**) Samprincipe, oni mia pinie devas forigi, ne nur *ar*, sed krome: *1) in*, ĉar ĝi estas samtempe sufikso kaj finiĝo de l'Akuzativo en la multenombro (ekz. en «sufixin»), *2) al*, ĉar ĝi estas sufikso kaj substantivo=flugilo. Pro tio, oni skribas en Ido «insekto

«Malbona ekzemplo imitigas»—diras la proverbo kaj efektive, koncerne la infinitivon, Ido imitis sian kolegaron: Panroman, Nuove Roman, Universal, Mundolingue k. t. p. Nun kelkaj idistoj proponas enkonduki la kvaran «infinitivon imperativan» kaj esperable, post nelonge estos proponita la kvina «infinitivo eterna», kiel en «Neo-Latin» kaj en «La Langue Bleue». Tiam la «simpleco» de Ido atingos sian apogeon!

Pli supre ni vidis, ke Idistoj tro «simpligis» la Akuzativon, ke pro la «simpleco» ili rigidigis la adjektivon. Sed se la «simplemo» de Ido estus sincera kaj vera, sendube ili ne enkondukus la trioblan infinitivon kaj trovus pli efikan rimedon por plisimpligi la verbon, nome ili povus apliki la metodon, jam provitan por la Akuzativo, adjektivo k. t. p.; efektive, se estas utile ŝtonigi la lastan, estus ja konsekvence ŝtonigi ankaŭ la verbon kaj agi simile al prof. Peano, en kies «Latino sine flexione» la verboj ne varias en la tempoj estinta, estanta kaj estonta, ĉar tio estas superflua, se oni diras «mi *skribis hieraŭ*», «mi *iros morgaŭ* Romon»; en la ceteraj okazoj la tempo de verbo estas distingebla per tempadverboj (V. pli detale en la libro de Couturat & Leau. Les Nouvelles Langues Internationales, pĝ. 71-a).

La leganto pardonu: ni forgesis citi la opinion de Couturat kaj Leau pri infinitivo en «Histoire», sed certe

---

sen-ala» («Progr.», 1812, pg. 263), sed kiamaniere oni prononcas tiun vorton,—mi ne scias, *3) ek*, ĉar ĝi estas prepozicio (=*el* en Esp.) kaj substantivo=eĥo, *4) ed*, kiu samtempe estas konjunkcio kaj sufikso, *5) kom*, kiu estas sinonimo de quale (=kiel) kaj samtempe estas substantivo=komo, *6) quin*=pronoma formo kaj kinino, *7) vers*—samtempe prepozicio kaj verso, kiel en la lingvo franca, *8) o*—substantiva finiĝo kaj konjunkcio, *9) e*—adverba finiĝo kaj konjunkcio, *10) er*, kiu pli frue signifis amatoron kaj nun laŭ nova decido № 591 signifas personon «kiu okupas sin pri». Tamen laŭ decido № 690 er samtempe estas sufikso «por la ago ne precize nuna (ekz. subskribero)» kaj la Akademio eĉ rimarkigis, ke la lasta decido № 690 ŝanĝis nenion en la decido № 591. Jen kiel Ido obeas la principon de Ostwald pri la unusenceco!

la leganto jam ne miros, se li sur la paĝo 340-a trovos, ke -«ar» estas ŝokanta kaj ke akcepti tri formojn por la infinitivo, signifus «oferi la unuformecon, kiu estas avantaĝo kapitala».

---

Finante la ĉapitron pri verboj, ni devas atentigi, ke Ido havas multe da verboj samtempe transitivaj kaj netransitivaj, ekz. komencar (=komenci, komenciĝi), durar (=daŭri, daŭrigi), movar (movi, moviĝi), same finar, chanjar, turnar, pendar, embarkar, extingar, brular, plungar, kombustar, acelerar, alternar, asfixar, augmentar, avancar, filtrar, grilar k. t. p. La samtempa transitiveco kaj netransitiveco de kelkaj verboj estas escepto, kiu apartenas al la lingvo franca, sed kiu estas fremda, ekz., al la lingvo rusa, kaj sekve la ruso, se li ne konas perfekte la lingvon francan, devos parkere lerni serion de verboj, samtempe transitivaj kaj netransitivaj. L. Beaufront en sia kompleta gramatiko argumentas, ke tiu «dusenceco ne estas grava» kaj li ilustras sian argumenton per ekzemploj, pruvantaj ĝuste la malon, nome pruvantaj, ke la dusenceco de miksitaj verboj estas reala. Beaufront ekzempligas la frazon: «La tero movas cirke la suno». Nu, ĉu la tero moviĝas mem ĉirkaŭ la suno aŭ la tero movas ion ĉirkaŭ la suno, ekz. la lunon? Se ni dirus «extingo di la kandelo esis tre bela», oni ja ne scius, ĉu la kandelo estis estingita de iu, aŭ la kandelo estingiĝis mem? En la lasta okazo estas necese diri «estingiĝo».

Ne, ni plene konsentas kun la Idista Akademiano Casares, skribinta en «Progreso» (1910, p. 725), ke *«en lingvo internacia* ne devas ekzisti verboj miksitaj, t.-e. transitivaj kaj netransitivaj sen variigo de formo»,— ni aldonu: des pli ne devas ekzisti en la lingvo, kiu pretendas servi por scienco kaj titolas sin: «Esperanto simpligita».

## X. Derivado.

Logiko «estas por ni ne celo, sed rimedo. La celo de lingvo internacia ne estas la plej granda logikeco, sed la plej granda simpleco kaj facileco en la klara kaj ĝusta esprimado de l'pensoj».
*L. Beaufront* («Progreso», 1913, Jan.).

En «Histoire de la Langue Universelle» s-roj Couturat & Leau jene karakterizas nian Esperantan derivadon: «En Esperanto,—ili skribas,—ne ekzistas diferenco inter vortoj derivitaj kaj kunmetitaj, ne pli ol inter afiksoj kaj partikuloj; la ambaŭ estas elementoj sendependaj kaj nevariantaj kun senco konstanta kaj bone difinita tiamaniere, ke ili mem povas servi kiel radikoj, ekz. -eco, -inda, -ebla, -iĝi k. t. p... La jena ebleco: reapartigi la nevariantajn elementojn de ĉiu vorto, ilin reerigi, akcelas, ke Esperanto estas ekstreme facile komprenebla kaj uzebla. Dank'al tio, oni povas traduki Esperantan tekston, konante neniun vorton de la lingvo, sole kun helpo de vortaro, la procedo, farebla en neniu lingvo vivanta *); sufiĉas apartigi tipografie por la komencantoj la diversajn elementojn de ĉiu vorto, kaj ili bezonas nur serĉi aparte en la vortaro por trovi senerare la sencon de la teksto. Tiamaniere la gramatiko troviĝas en la vortaro kaj Esperanto povas servi senpere eĉ al personoj, ignorantaj ĝin» (*Histoire*, pĝ. 324—325). Kontraste en Ido, se vi estas profanulo kaj se, trovinte en la teksto vorton *bono*, vi rigardos la ŝlosilon, neniam vi suspektos, ke, ĉar en la ŝlosilo *bon*=*bona*, «logike»—*bono*=*bonulo*; same vi ne povos «malŝlosi», ke kriemo=kriemulo, forto=en Esperanto fortulo, mes-alo=mes-libro, naz-alo=nazsono, dumonato=dumonata gazeto,

*) Ankaŭ ne en Ido, s-ro Couturat!

rapido=rapida vagonaro k. t. p. Male, en Esperanto, —kiel prave diris Couturat en sia broŝuro, Esperante eldonita sub titolo: «Ĉu unu lingvo internacia aŭ tri?»— «senco de la derivato rezultas evidente el la senco de ĝiaj elementoj» (pĝ. 9-a).

Due, en Esperanto oni uzas la peran, afiksan derivadon nur kiam la senpera derivado ne sufiĉas, ĉar la tutan Esperantan vortfaradon regas la tri principoj: 1) de neceso, 2) de sufiĉo kaj 3) konstanteco kaj sendependeco de la vortelementoj. Ni konscie diras brosi, kroni, adresi sed ne brosagar, kronagar, adresizar, pro tio, ke derivado en Esperanto, kiel ĵus konstatis pli supre s-ro Couturat, apartenas al la ĝenerala kategorio de vortfarado, kies principo estas la plej granda ekonomio, t.-e. la principo, proklamita de prof. Ostwald por la tuta mondkompreno. «Logike» ni devus diri *«vapormovŝipo»*, sed pro l'ekonomio ni diras simple «vaporŝipo» kaj analogie ni devas diri: brosi, kroni, adresi, des pli, ke la lingvoj naturaj sammaniere verbigas la substantivon konkretan. Se la lasta, t.-e., se la substantivo konkreta signifas objekton, instrumenton k. s. (ekz. krono, adreso, broso), estas evidente, ke, verbigante ilin, ni ricevas la verbon, montrantan la *agadon* per la instrumento aŭ pri la objekto (ekz. kroni, brosi, adresi). Sed, resubstantivigante la verbon, ni povas: 1) rericevi la substantivon por objekto aŭ instrumento (krono, adreso, broso), kaj 2) se ni deziras konservi la verban karakteron de la substantivo, por ke ĝi montru la *agadon* (*ne* la *agilon*), ni uzas la sufikson *-ad* kaj ricevas: kronado, brosado, adresado,—konforme al la kutima procedo de l'natura lingvo. Des pli en lingvo internacia ne estas tolerebla la Idista maniero de l'derivado. Dum en Esperanto simple oni uzas: erpi, kanoni, marteli, en Ido estas nepre uzata: hersagar, kanonagar, martelagar *), k. s., sed samtempe, kiel rimarkigis bonege s-ro Aymo-

*) «Martelagar, registragar esas tre pezoza» («Progreso», 1909, pĝ. 212).

nier,—Ido *ne* uzas plugagar, bombardagar, piochagar, sed, kiel Esperanto plugar, bombardar, piochar. Memori tiun diferencon pri la verboj kun la senco tre proksima (ekz. bombardi kaj kanoni, erpi kaj plugi, marteli kaj pioĉi) kompreneble estas afero nefacila. La idistoj klarigas: «Ni uzas bombardar, ĉar ĝi estas radiko verba, kaj kanonagar, ĉar ĝi estas neverba radiko.» Kiamaniere do distingi la verbecon kaj neverbecon de radiko? Ho, tre simple:—«oni ilin facile (!) distingas en la *vortaroj*»— respondas la oficiala Kompleta Gramatiko (§ 107, pĝ. 48).

Same en la alia demando,—pri la adjektivigo de radikoj,—Ido okupis tre neoportunan pozicion. En Esperanto *-a* markas la adjektivon, t.-e. ion apartenantan, propran, rilatantan al la substantivo kaj en ĉiu lingvo adjektivo etimologie signifas ion almetatan (komp. la rusan vorton «prilagatelnoje»), «alĵetatan» (komp. la francan kaj anglan «adjectif»), aldonatan al la substantivo, ĝian econ, ĝian kvaliton (komp. la germanan «Eigenschaft»). Do, *logike*, la aldono de finiĝo -a, kiel marko de adjektivo, sufiĉas por adjektivigi radikon. Ankaŭ *praktike*, se oni diras «luksa vagono» estas klare, ke oni parolas ne pri vagono, kiu estas *lukso* (kiel rezonas Ido), sed pri vagono *lukseca* kaj ĉar ec=a, kiu ja same montras econ, kvaliton, do sufiĉas plene, se ni diras luksa. Male, en Ido vi nepre devas diri luxala vagono aŭ luxoza vagono. Vi ne rajtas uzi februara, universitata, aŭtoritata, energia, regula, samideana k. t. p., sed nepre februarala, muskolala, universitatala, detaloza, energioza, entuziasmoza, reguloza, samideanala *) k. t. p. tamen samtempe Ido ne permesas skribi kompetentala, eminentala, kaj vi nepre devas uzi, kiel en Esperanto: kompetenta, eminenta, distingante la verbecon de la radikoj.

Ni vidis, ke en «autoritatoza», «popolala», «universitatala» Ido sen ia bezono enmetas la sufiksojn *oz*, *al*,

*) Cetere Beaufront preferas «samideana».

sed, aliparte, kiel ni jam aludis pli supre, Ido ne uzas la sufikson *ul* en la okazo de efektiva neceso. La lastan difekton de Ido ni ekzamenu pli detale. Se vi havas serion de vortoj el Ido: sajo, kurajo, perfido, vero, jaluzo, kulpo, prudento, ruzo, mizero, paciento, kapablo, kriemo, obstino, sano, blondo, blanko, vi devas memori, ke en Ido sajo=saĝulo en Esperanto, vero=Esp. verulo, kaj tamen kurajo ne estas kuraĝulo, sed same kiel en Esperanto—kuraĝo. Jaluzo=ĵaluzulo, perfido=perfidulo en Esperanto, sed obstino kaj mizero havas la signifon identan al la Esperanta. Plue, en Ido sano=sanulo en Esperanto, prudento=prudentulo, sed ruzo ne estas ruzulo, kaj egalas la Esperantan ruzo. Ida kriemo=Esper. kriemulo, paciento=pacienculo, sed kulpo ne estas kulpulo. Blondo=blondulo, sed blanko=blanka koloro k. t. p.

La similan ĥaoson admiras la Idistoj, kaj sprite diris unu el la fondintoj de la Delegacio, prof. Laisant, ke la klientaro de Ido memorigas pri la vilaĝano, kiu diris pri sia nova paroĥestro: «Ho, nia pastro estas klera homo: li predikas tiel bone, ke mi eĉ nenion komprenis». Nu, kompreni la logikecon de labirinta derivado Idista estas tre, tre malfacile eĉ por persono altgrade instruita, kaj ni dubas, ĉu la logiko de Ido estas klara por ĝia adeptaro, des pli, ke la arsenalo de argumentoj kontraŭ Esperanto estas tre mizera. Ekz. Ido argumentas, ke Esperanto ankaŭ havas ne vidvulo, nobelulo, sed vidvo, nobelo *). La argumento frapas per sia naiveco aŭ estas speciale elpensita por trompi la naivan «klientaron». Estas ja tro klare, ke «vidvo», «nobelo», same kiel radikoj «homo», advokato, kolonelo, oficiro, notario estas radikoj esence substantivaj kaj sekve, substantivigante ilin, ni ne bezonas ilin *«uligi» duafoje*, ĉar ili jam imanente, t.-e. interne enhavas la ideon de *«uleco»*, de substantiveco. Kontraŭe, estas

*) Tamen Esperanto ne uzas, kiel Ido aŭtorulo, spozulo (=«edzulo»). Vidu la decidon № 714 de Idista «Akademio».

necese «uligi» la radikon *bon*, se oni deziras ricevi vorton, kiu signifu individuon, kaj eĉ konforme al la ĝenerala regulo de la vortfarado bonulo estas vorto kunmetita= bona+ulo, sed ne bona+o, ĉar la lasta signifus ne individuon, sed substantivon ĝeneralan, nekonkretan ideon de la bono.

Sprite skribis en sia libreto (pĝ. 45) la reformisto Zygmunt Romanski: «Laŭ principoj de Ido substantivo bono devas signifi bona homo (ulo). Sed, kiel adjektivo nekonkreta povas senpere naski substantivon konkretan kaj nepre homon, ne ĉerizon?». Efektive la finiĝo ja ne signifas nepre homon, sed povas ja servi, kiel finiĝo por kiu ajn radiko, ekz. azeno, ĉerizo, koto k. t. p. Aliflanke, en la lingvoj naturaj bono estas nek bonulo, nek bonaĵo, nek boneco, sed ilia abstrakta fundamento, la substanco *). Ido penas argumenti, ke ĝia formo estas identa al la franca: l'avare, l'aveugle, le sain, sed en la realeco identaj estus nur la formoj, uzeblaj ankaŭ en Esperanto, nome l'avara, la blinda, la sana, sed ne la idistaj avaro, blindo, sano. Same, en la lingvo rusa la vortoj blinda, avara k. t. p. estas uzataj *en la substantiva senco*, *sed en la adjektiva* formo (do, ne kiel en Ido) ekz. slepój, skupój, kaj paralele la rusa lingvo havas la vere substantivan formon: slepec, skupec=blindulo kaj avarulo de Esperanto.

Ĝenerale, estas strange, ke Ido jen enigas la superfluan *ag* en kanonagar, *al* en universitatala, konstantinopolala, *oz* en aŭtoritatoza, kaj jen forigas la ekstreme necesan *ul* en bono, prudento.—La *logiko* postulas tion,— respondas s-ro Couturat. Bonulo, grandulo k.t.p... estas absurdo. Bone! Sed ni ja memoras, kion skribis s-ro Couturat pri la logiko en Progreso (1911, pĝ. 60 kaj 88) sub la ultimato de s-ro Saussure: «Estas neutile diskuti la vorton

*) La riĉa Ido ne povas traduki le bien («bono») kaj «la bonté» (boneco), «le vrai» (vero) kaj «la verité» (vereco). Prave rimarkigis aŭtoro de Adjuvilo prof. Esperema, ke se bono, richo=bonulo, riĉulo, do nulo=ne nenio, sed «neniulo».

*bela* de la logika vidpunkto, ĉar... ĝi estas *nur konvencia mallongigo, justigata de sia oportuneco.* Uzo de bono anstataŭ bona viro estas evidente konvencio *eksterlogika».* Kaj same s-ro Couturat klarigis en «Progreso», ke venigar, videsar kaj vidigar estas mallongigoj de venantigar, vidatesar kaj vidatigar, ĉar oni ne povas «aplikar la severa logiko». Tiamaniere, s-ro Couturat mem evidentigis la falsecon de sia derivsistemo kaj nun ni rajtas demandi: kiamotive en la adjektivoj (ekz. universitatala, luxoza) kaj en la verbaj formoj (ekz. martelagar) ne estas permesata la sama «eksterlogika», konvencia mallongigo? Alivorte: pro kio Ido ne uzas la derivon de Esperanto, sendube, pli simplan kaj pli harmonian?

Cetere jam aperas la simptomoj, montrantaj, ke la idistaro komencas pli konscie rilati al la «Esperanto reformita». En «Progreso» (1909, pĝ. 146) ni legas: «La fakto estas, ke la lingvo (t.-e. Ido) ne solvis la problemon de la substantivigo de l'adjektivo». La citita frazo apartenas al la plumo de konata idisto s-ro Max Talmey. Same opinias la membroj de Idista «Akademio» Janko kaj Hugon, konfesinta en «The International Language» (1911, № 5): «Mi ne konas unu solan personon, kiu konsideras bona la regulon, adoptitan en Ido pri la substantivigo de adjektivoj». Fine la 31-an de Julio 1911 la «Akademio» esploris la proponon, ke bono=bono en Esperanto, t. e. ke ĝi signifu ne individuon, sed aĵon; tamen per la decido № 482 la «Akademio» rifuzis tuŝi la fundamenton de Idista derivado.

---

Ĝis nun ni ne parolis pri la afiksoj speciale kaj nun ni venis al tiu tre interesa demando. Se ni turnos nin por unu momento al la mortinta lingvo de abato Schleyer, ni rimarkos, ke en lia Volapük estis multege da afiksoj. Por simpligi lingvon internacian D-ro Zamenhof prudente kreis por Esperanto nur *30* afiksojn. Ido,—«Esperanto reformita kaj simpligita»—jam havas *65* afiksojn, kies nombro konstante kreskas kaj certe kreskos pli rapide

ol la nombro de Idistoj mem; tial la Idistoj fiere parolas pri la supereco de sia lingvo, forgesante, ke la «scienca lingvo» de s-ro Vengerov (Ekaterinburg, Rusl.) havas *70* kaj la internacia scienca lingvo de s-ro Kovalev (Rostov, Rusl.)—*72* afiksojn. Tamen estus ja tro naive esperi, ke la kovalevistoj kaj vengeristoj venkos la mondon per sia grandnombra afiksaro!

La nombreco ne estas nepra eco, kaj tion ni pruvos, esplorante la afiks-sistemon de Ido. Kompreneble ni ne tuŝos in, id, bo ,estr, an, ist, aj (=Esp. aĵ), ar, il, ey (=Esp. ej), ebl, ig, ij (=Esp. iĝ), dis, ad, eg, et, um, ge *), ĉar ili estas konservitaj en Ido. Same Ido «pruntis» ĉe Esperanto ex (=eks) , sen, ach (=aĉ), ism, uy (=uj), malgraŭ la mensogo de Idista historiisto, s-ro Werner Fraustädter, kiu en sia libro «Die internationale Hilfssprache. Eine kurze Geschichte...» arogante skribis sur la pĝ. 108—109, ke Ido enkondukis la novajn afiksojn ex, sen, ach, ism, uy. Jen kiamaniere la Idistoj skribas la historion! Sed, ni revenu al la temo kaj ekzamenu la serion de novaj afiksoj en Ido; cetere pro manko de loko ni ne pretendas esplori la tutan afiks-serion.

*ESM*—sufikso por la ordnumeraloj, kiu «estas tro longa kaj ĝenanta», laŭ opinio de «Akademiano» P. Janko («Progreso», 1911, pĝ. 621). Lastan tempon la «Akademio» ricevas multe da proponoj reformi «esm». Estas ja klare, ke sufiĉas la adjektivigo de numeraloj per -a, ekz. dua, kvara kaj estas superfluaj la formoj «duesma», «quaresma» de Ido.

*YUN*. Kvankam en Ido estas konservita la sufikso -id rilate al la homoj (ekz. oni uzas Napoleonido, Israelido, Semido k. t. p.), tamen rilate al la bestoj,—verŝajne pro respekto al sia propra nomo,—Ido uzas la radi-

---

*) Estas interese, ke dum la kunsidoj de la Delegacia Komitato prof. Jespersen «severe atakis la prefikson *ge* de Zamenhof» («Progr.» 19.9, p. 694), tamen la komitato akceptis ĝin kaj lastatempe la Idista «Akademio» eĉ enkondukis tre strangan kaj enigman formon de *ge* ĉe ununombro, ekz. *gepatro* (?!).

kon yun (=jun en Esp.), kiel sufikson, kaj ricevas, anstataŭ bovido, ĉevalido, kokido k. t. p., la formojn: bovyuno, kavalyuno, hanyuno, kies traduko en Esperanton estas: bovyunulo, ĉevaljunulo, kokjunulo k. t. p., ĉar idista «yuno» ja signifas «junulo»n en Esperanto. Eminenta adepto de Ido s-ro d'Orczy vane proponis uzi, kiel en Idiom Neutral, yunkavalo, yunbovo, ĉar bovyuno, kavalyuno logike signifas junulon, kiu gardas la bovojn aŭ la ĉevalojn, simile al la germana Kuhjunge, kaj angla cowboy. Sendube, bovido kaj ĉevalido de primitiva Esperanto estas pli simplaj kaj pli logikaj.

*ER*, *UL*, *IER (Yer)*. Komence Ido ekzilis sufikson de Esperanto *-er* kun la senco de elemento (ekz. sablero, fajrero) kaj enkondukis *-er* kun alia senco de amatoro (ekz. redaktero, tradukero, fotografero k. c.). La sufikso *yer* komence havis la ĝeneralan sencon «kiu portas» ekz. kandelyero (=kandelingo en Esp.), pomyero (=pomarbo en E.). *UL* estis uzata, kiel en Esperanto (ekz. en rentulo, gibulo, kurasulo), sed nur por derivi de substantiva radiko alian substantivon, signifantan personon, kiu posedas la aferon aŭ estas karakterizata per la afero, montrita de l'unua substantivo. Tamen, la 16-an de Oktobro de la jaro 1911 la Idista Akademio decidis nuligi *ul* (cetere, lastatempe oni uzas ree *ul* speciale por la virsekso, ekz. en spozulo =Esp. «edzulo»!!!); samtempe la «Akademio» decidis reformi *yer* en *ier*, kiu, kun la alia sufikso *-er*, denun okupu la lokon de la forpelita *ul*. Do, la funkcion de «*ul*» nun plenumas du sufiksoj *ier* kaj *er*, tre facile intermikseblaj, precipe dum la konversacio, ĉar oni ja certe ne konas, ĉu la vortradiko havas aŭ ne havas la finiĝon *i*, ekz. fil-iero, aŭ fili-ero, fol-iero, aŭ foli-ero k. t. p., sed la plej grava difekto estas, ke la afiksoj ier kaj er havas nun la signifon tre nebulan. Efektive, oni uzas en Ido *-ier* por *torchiero* (=torĉisto), *kandeliero* (=kandelingo), *pomiero* (=pomarbo), kurasiero (kirasulo), gibiero (=ĝibulo), rentiero (=rentulo), kaj la dua afikso *-er* estas

uzata en ciklero (=velocipedisto), fotografero (=fotografisto-amatoro), balbutero (=balbutulo), furtero (ŝtelinto), revero (revulo) k. t. p. Nu, estas ja evidente, ke kandeliero povas signifi ne nur kandelingon, sed — analogie al torchiero,—personon, kiu portas brulantan kandelon ekz. dum religia procesio. Aliparte torchiero,—simile al kandeliero,—povas signifi torĉingon, kaj same kurasiero—ne kirasulon, sed kirasingon. Pro tio ne estas mirinde, ke «akademiano» Roze en sia lernolibro,—kiel atentigis Couturat mem en «Progreso»,—*erare* uzis glaviero anstataŭ glavuyo, ĉar glaviero estas ne glavingo, sed glavportanto. Plue, se fotografero kaj ciklero montras fotografiston-amatoron kaj ne-profesian velocipediston *), en ĉiu okazo balbutero, furtero kaj revero ne povas signifi amatorojn.

*ESK.*—Jena sufikso,—simila al *enk* de «Langue Bleue», —anstataŭas la prefikson *ek-* de Esperanto (intereseskis, penseskis=ekinteresis, ekpensis). Ŝajnas al ni, ke afikso, markanta la komencon de ago, devus logike stari en la *komenco*, sed ne en la fino de l'vorto, sekve estas preferinda ne sufikso -esk de Ido, sed prefikso ek- de Esperanto.

*MI.*—Nova prefikso=duone. Se paralele kun duono oni havas *mi*, konsekvence oni devus elpensi paralelan formon por triono, kvarono k. t. p. Cetere, en la gazeto de Beaufront (1909, № 1, p. 7) ni renkontis la vorton «duonyaro» (ne miyaro).

*RI*—anstataŭ internacia *re*, tamen uzata en reakcio, resumo, revolucio, recenzo, reformo. Per *ri* multe da vortoj, precipe francaj, estas kripligitaj ekz. rikomencar (fr.: recommencer), rikonocar (reconnaître), riproduktar, rifacar, rivenar, riimprimar k. t. p. Pli nature estus uzi, kiel en Esperanto, rekomenci, rekoni, reprodukti, refar- k. t. p. Estas vero, ke kompense Ido havas recevar, remar-

*) Eble, oni argumentos ke -ist montras profesion. Sed unue la sama maniero estas praktikata en la naturaj lingvoj; due, ĉu, ekz., la vorto idisto nepre signifas personon, kies profesio estas Ido (analogie: socialisto, artisto).

kar, regardar anstataŭ ricevi, rimarki, rigardi de Esperanto, sed *unue*, ne nur en Esperanto, same en la lingvo itala troviĝas la radikoj ricev, rimarc, riguard, kaj *due*, —tio estas la argumento plej esenca,—oni devas, kiel en Esperanto, regule uzi *re* kaj nur en kelkaj verboj *ri*.

*MIS*—prefikso=erare, ekz. miskomprenar=erarkompreni. *Mis* estas praktikata, kvankam tre malofte, en Esperanta literaturo.

*ATR*=simila al, ekz. verdatra = verdsimila, dube verda, verdeta. Laŭ oficiala plena gramatiko de Ido (§ 140, pĝ. 61) en la vortoj teknikaj anstataŭ -atra, oni povas uzi -simila, -forma. Ni opinias male, ke nur en la vortoj teknikaj estas uzebla -atr.

*EM*, *IND*, *SEN*. Ni tuŝas ilin, ĉar la reformo kelke difektis ilian uzmanieron. Nome, dum en Esperanto *em* kaj *ind* servas senescepte al kiu ajn radiko, se la senco permesas, en Ido em kaj ind taŭgas nur por radikoj *verbaj*, kaj sekve la Idisto ne rajtas uzi la formojn «tuberklozema», «Esperantema», «Esperantinda», kvankam ilia senco estas bone komprenebla. Kontraŭe, *sen* en Ido estas aplikata nur al radikoj *substantivaj*, kaj laŭ kompleta gramatiko de Beaufront «*senutila*» ne havas la sencon (§ 160, pĝ. 72). Tamen s-ro Beaufront mem uzis la vorton «senutila» en sia organo (1907, pĝ. 26).

*END*. Laŭ gramatiko de Waltisbühl (pĝ. 30-a) «tiu sufikso formas adjektivojn, derivitajn de verboj *analogie al -ind* kun senco iom diferenca «kiun oni devas» sen ideo de merito, ekz. problemo solvenda». Niaopinie sufiĉas «solvota» aŭ «solvinda», des pli, ke laŭ oficiala kompleta gramatiko «estas evidente, ke ind ofte povas anstataŭi end» (§ 139, pĝ. 64).

*DES*. Antaŭ nelonge la Idista «Akademio» decidis per 4 voĉoj forĵeti *mal-* kaj enkonduki *des*, kiu por la orelo estas tro simila al *dis* kaj *de*. La decido de l'Akademio estis iom neatendita, ĉar en la j. 1909, en Progreso (pĝ. 72) s-ro Couturat mem deklaris: «La prefikso des- ne estas pli natura ol mal- en multaj okazoj» kaj eĉ en la unua

Idista libro «Ido. Les vrais principes», en la ĉapitro pri «Internacieco de afiksoj» sufiĉe elokvente estis defendita «mal», kiu efektive estas uzata ankaŭ en la lingvo franca, ekz. en malpropre, malheureux, malhabile, malhonnête, malsain k. s. Cetere, estis kurioze observi la mallertan kaj eraran uzadon de mal en la vortaroj de Ido, ekz.: malarmizar (=senarmigi), malinfektar (=seninfektigi), malsalizar (=sensaligi), malselizar (=senseligi), maltronizar (=detronigi), malvestizar (=senvestigi) k. s.

*UR* montras la konkretan rezultaton de l'ago, ekz. konstrukturo (=konstruaĵo), pikturo (=pentraĵo), kreuro (=kreaĵo), skriburo (=skribaĵo), kopiuro (kopio), falduro (=faldo), produkturo (=produkto) k. s. *). La gramatiko de Ido ordonas, ke oni uzu: «deciduro», «ecepturo», «chanjuro», «sequuro», tamen en la praktiko la Idistoj uzas la formojn de Esperanto sen *ur* kaj «Progreso» jam plendis: «oni devas diri kombinuro, postuluro, sed ordinare oni diras kombino, postulo». Niaopinie absolute sufiĉas -o, aŭ -aĵo kaj ni sincere kondolencas al «Internaciona Pioniro», kiu konfesis: «vere kelkafoje estas iom malfacile decidi, ĉu ajo (=aĵo en Esp.) aŭ uro devas esti aplikitaj («aplikenda!»).

*IF*, *IV*.—*If* signifas produkti, naski, fari, fabriki, sekrecii. Se vi supozos, ke *sangifar* signifas fabriki patentitan sangon kontraŭ anemio, vi eraros, ĉar sangifar= sangi. Se vi nun supozos, ke analogie saponifar=gutigi la sapon,—vi denove eraros, ĉar saponifar=fabriki la sapon, sapfabriki, versifado = versfarado, vortifado= vortfarado, urinifar **)=urini (en Esperanto sensufikse). En Ido oni rajtas sen sufikso nur oscedi (ocitar), tusi (tusar), sputi (sputar), nazpurigi (mungar), sed ŝviti la Idisto ne povas sen sufikso, li nepre «sudorifas», certe pro timo erare uzi aŭ neuzi if kaj pro timo intermiksi ĝin kun iv, iz, ig, ij k. t. p. Nia opinio estas, ke ekz.

*) Sed figuro, karikaturo ne estas fig-uro, karikat-uro!

**) Ni elektis tiun verbon ne por moki Idon. Urinifar ni citas el § 146, pĝ. 66 de Grammaire Complet de Ido.

Esperanta «flori», «verkisto» estas pli simplaj ol «florifar», «verkifisto». Interalie, Ido mem uzas la vorton verko anstataŭ «verkifuro».— *Iv* ne estas pli necesa ol *if* kaj signifas «kiu povas», ekz. interesiva, specifiva, viviva, instruktiva, helpiva (oni uzas ankaŭ helpala). Ni ne eraru: objektiva kaj subjektiva en Ido estas objektala kaj subjektala. Primitiva ne estas primit-iva.

*AL.*—Sufikso same erariganta, ĉar ekz. oficiala ne estas ofici-ala kaj aliflanke, kiel rimarkigis prof. Brandt en «Progreso» (1909, p. 268), Idistoj mem ne prenas la vorton internacionala (kio sendube estas internacia!) kaj diras «internaciona». Sed, se eĉ *al* estus internacia, la simpleco postulas, ke ni ne uzu sufikson superfluan. «Al=rilata al, apartenanta al, konvenanta aŭ dependanta». Pli supre sur la pĝ. 57 ni jam komprenigis, ke la samon sufiĉe montras la adjektiva finiĝo -a, kaj dank'al -a Esperanto evitas la ĥaoson, regantan en Ido, kie sur unu sama paĝo de «Progreso» (1911, pĝ. 305) vi trovas «klubo laboristala» kaj «klubo esperantista» (ne esperantistala), kie vi trovas en la sama gazeto: «Literaturala parto» kaj «Oficiala parto» (ne oficialala) , *regulaleso* kaj *regulozeso* («Progr.» 1911, pĝ. 60), «slav*ala* amiko» («Idano», 1909, № 12) kaj »La *germanali*, la Latinidi, la *slavi* («Progr.» 1911, pĝ. 716). Ni rajtas demandi: se Ido uzas: «Esperantala linguo», «populala universitato», «militistala kuracisto», «universitatala profesoro» (L'E. 1908, p. 250), pro kio oni *ne* uzas nomale, meala *), neutrala? Feliĉa estas la esperantistaro, kiu ne devas naĝi inter Scilo kaj Ĥaribdo de Idista skolastiko!

*IZ*, *OZ*. *Iz* signifas provizi, plenigi per, *oz*—provizita per, plena de. Do, kiel pruvis Couturat en «Etudes sur la derivation», iz = oz+ig. Sekve, unu el la sufiksoj certe estas superflua, des pli ĉar Ido uzas ilin plej ofte

*) Pli logike s-ro Kovalev en sia «Scienca Lingvo» uzas «meala» kaj prof. Jespersen ankaŭ rekomendis: meala, vuala k. t. p. «Mea devas esti ŝanĝita en meala. La logiko absolute postulas tion»—skribis la eminenta Twombly en «Progreso» (1909. pĝ. 403).

sen ia bezono ekz. en la vortoj: «limitizita» (=limigita), diplomizita (diplomita), honorizinda *) (=honorinda), bazizita (=bazita), substrekizita (=substrekita), nomizar (=nomi), kvankam aliflanke oni ne diras en Ido dankizar, baptizar. S-ro Aymonier tre sprite komparas en sia bonega broŝuro «Réponses» rang*igi*, ord*igi*, klas*igi* de Esperanto kun rangi*z*ar, ordinar, klas*if*ar de Ido.

'*OZ* estas sufikso uzata en Esperanto por scienco kaj trovata en kelkaj lernolibroj, interalie eĉ sur la gramatikaj murtabeloj. Sed *unue*, en Esperanto ni ne devas konstante memori, ke estas malpermesite diri aŭtoritata, fervora, entuziasma kaj oni nepre devas uzi «autoritatoza», «fervoroza», «entuziasmoza», ke aliparte estas malpermesite en Ido diri: eminentoza, sajoza, fortoza, kaj oni nepre devas paroli: eminenta, saja, forta k. t. p. *Due*, en Esperanto *oz* havas unu solan sencon, precize difinitan: plena de, riĉa de. Kontraŭe en Ido oz estas fuŝita, ĉar ĝi *krome* havas la sencon «ornamita de aŭ per io», «havanta ion» k. t. p. Tiamaniere, dum en Esperanto ekzistas du formoj 1) ĝoja, 2) ĝojoza (=ĝojplena), en Ido ni havas nur *unu solan* formon: joyoza. Pruve, ni citu kelke da kompartradukoj. Jen ekz. en la kompleta gramatiko de Ido (§ 66, pĝ. 33) la konata frazo el Zamenhofa Ekzercaro: «Resti kun leono estas *danĝere*» estas tradukita: «Restar kun leono esas *danjeroza*». Same en «Internaciona Pioniro» (№ 1) en la paraleltekstoj Esperanto-Idaj «aŭtoritata» kaj «erareco» estas tradukitaj per «autoritatoza» kaj «ororozeso». Ankaŭ en la Esperanta-Ida vortaro de Waltisbühl kulpa, kuraĝa, ruza, malica = kulpoza, kurajoza, ruzoza, malicoza. Kaj, fine, estas ja memkompreneble, ke «tre vivoza» («Progr.» 1909, pĝ. 573), «tre duboza» («Progr.», 1909, pĝ. 83) ne signifas «tre vivoplena», «tre duboplena», sed simple «tre viva», «tre duba». Do, estas evidente, ke en Ido -oz ne havas la signifon klare difinitan kaj plej ofte ĝi estas absolute superflua, nome

*) Tamen ordinare oni uzas «honorala».

en la okazoj, kiam plene sufiĉas la adjektivigo per -a. En ĉiu okazo *oz* nebuligas la sencon; ekz. en «infanto sangoza» (Idano, Marto 1912) estas demandeble, ĉu la infano estas sangokovrita, sangmakulita aŭ sangoriĉa, sanoplena?

Finante paroli pri oz ni devas rimarkigi, ke ĝis la lasta tempo Ido uzis anstataŭ tuberkulozulo, ftizulo—tuberklozozo, ftiziozo. Nun la «Akademio» elpensis novan sufikson *-ik* speciale por malsanoj (ekz. ftiziiko). Krom -ik estis enkondukitaj para, par, om, arki, eri, bi, prim, retro, i-, ed k. t. p. Sed pri ili ni silentos pro manko de loko kaj nur ni diros kelke da vortoj pri *-es*.

Ni vidis, ke Ido pli ol duobligis la nombron de afiksoj,—kompare kun Esperanto,—tamen strangamotive Ido ne posedas specialan sufikson, identan kun Esperanta *ec*, kaj uzas *es*, kiu samtempe estas uzata por verbo (esar=esti) kaj por sinteza pasiva konjugacio (ekz. en videsar, hipokritesar, friponesar). La Esperanta sufikso *-ec*, samsona kun la itala sufikso *-ezz*, sendube estas pli taŭga, ol -es de Ido, ĉar *unue* en la lingvoj naturaj, kaj eĉ en kelkaj artefaritaj (ekz. en Idiom Neutral kaj Adelfia lingvo) es montras la virinan sekson kaj, sekve, legante en Ido: poeteso, baroneso, princeso, doktoreso (ni citas la vortlibron de Kofman) oni nevole pensos ne pri ecoj, sed pri virinoj; *due*, *s* intervokala estos prononcata kiel *z* de ĉiu anglo, franco, germano, hispano k. t. p. Ĝenerale, *ec* estas pli belsona kaj ni plene konsentas kun prof. Brandt, skribinta en «Progreso» (1909, pĝ. 267): «La sufikso *es* aperis al mi stranga kaj pedanta».

La leganto pardonu nin: kvankam la ĉapitro jam estas tre longa, ni deziras iomete tuŝi la demandon pri la kunmetado de l'vortoj. En Esperanto ankaŭ en tiu demando estas konservita la principo de l'aglutinado. Simple ni plusigas du vortojn kaj sume ricevas la t. n. vorton kunmetitan,ekz . long+hara=longhara; inter+nacia=internacia; sam+tempa=samtempa. Male, en Ido long+haroza=longhara (sed ne longharoza); inter+nacionala=

internaciona; sam+tempala=samtempa. Tiamaniere en Ido la sufiksoj *-oz*, *-al* malaperas en la vortoj kunmetitaj.

Resumante la tuton, diritan pri la vortfarado, ni konkludas ke Ido konstruis veran logikan labirinton, teruran por persono elemente aŭ meze instruita. Estas krimo anonci, ke Ido simpligis Esperantan derivadon! Kompreneble, ni ne volas nei, ke en kelkaj punktoj Ido agis tre sagace kaj subtile, sed ĝuste tiu sagaceco kaj subtileco ne konvenas por lingvo internacia, servonta por scienculo kaj simplulo, por aristokrato kaj demokrato, por generalo kaj por soldato. Trafe diris prof. Boirac (rektoro de Diĵona Universitato) pri la idista sistemo: «Oni ne hakas lignon per razilo». Kompreninte tion, kelkaj Idistoj komencis protesti kontraŭ la konstante kreskanta nombro de afiksoj. Ekz. redaktoro de «Pioniro» Haugg skribis en «Progreso»: «Se ni bezonas tiom logikan lingvon, ni devas ankaŭ distingi rilate la sufikson *-an* la loĝanton kaj la partianon. Sed tiom subtilaj distingoj estas kontraŭ la internacieco kaj precipe la facila lernebleco» («Progr.» 1909, pĝ. 222). Alia simptomo: en la Junia n-ro de «Progreso» (1911, pĝ. 217) s-ro Harris proponis forigi :*-ur*, *-agar*, *-iz*, *-if*, ĉar ili estas «tute superfluaj». Okaze de la citita propono, s-ro Couturat skribis, ke ĝi reflektas tre klare «la sistemon de derivado, kiun sugestias nature niaj lingvoj, precipe la angla... Nu, tia sistemo estas natura, ĝi ŝajnas esti simpla kaj facila, ĉar ĝi proksimiĝas al niaj lingvoj naturaj, sed ĝi ne estas logika». Ne estas logika? Sed, ĉu s-ro Couturat forgesis, kion li parolis pri la «konvencia mallongigo eksterlogika», okaze de «grando»? Ĉu li fine forgesis, ke en lia «Histoire» sur la paĝo 361 estas presite· «lingvo *aposteriora* sendube neniam povos esti perfekte logika»? Ĉu ne li skribis, ke dank'al sia vortfarado Esperanto havas «mirindan karakteron de lingvo natura, de lingvo vivanta, kiu havas originalan fizionomion kaj propran spiriton?» Jes, li skribis, ke Esperanto «ne estas lingvo artefarita, rigida kaj senviva, sed lingvo kapabla vivi kaj lingvo, kies riĉeco,

fleksebleco kaj varieco superas tiun de lingvoj naturaj, lingvo eleganta, belstila k. t. p., k. t. p. Bedaŭrinde ni ne povas pro manko de loko traduki la tutan dupaĝan himnon de Couturat je l'honoro de Esperanto. Kaj estas nekredeble, ke nun la sama himnisto senhonte mokas Esperanton. Lia plej ŝatata sufikso, kiam li parolas pri Esperanto, nun estas *ach* (aĉ).

## XI. Vortaro.

La idistoj multe fanfaronas, ke ilia vortaro estas pli riĉa, pli dika ol la nia. Sed, la vortaro de kiu ajn kultura nacio estas tre dika, nekompareble pli dika ol la vortaro de Ido, kaj tamen la Idistoj opinias, ke ilia lingvo estas pli simpla, pli facila kaj pli riĉa ol la lingvoj naturaj. Sekve, la dikeco de la vortaro, ne atestas pri la efektiva boneco de lingvo internacia, same kiel la dikeco de homa korpo ofte prezentas nur simptomon de danĝera malsano. La idistoj pardonu: ni preferas paroli pri la patologia ŝveleco de ilia leksikono, kaj ni pruvos, ke la vortaro de Esperanto estas pli simpla, pli facile memorebla, precipe dank'al sia maldikeco.

La leganto certe miros kaj diros: ni ĵus vidis, ke Ido havas ja tre multe (eĉ tro multe!) da diversaj afiksoj. En lingvo internacia la afiksaro servas speciale por la maldikigo de la radikaro, ĉar prefere ol enkonduki novan radikon, oni esprimas la saman ideon kun helpo de ia prefikso aŭ sufikso. Jes, kara leganto, vi estas prava. Konforme al via recepto agas Esperanto. Kontraŭe Ido, posedante tre grandnombran kaj komplikitan afiksaron, ne utiligas ĝin por sia vortaro. Jen, ekzemple Ido havas la prefikson *des* (pli frue *mal*), kiu laŭ oficiala kompleta gramatiko, estas «tiel oportuna por ekonomiigi la radikojn» (§ 149, pĝ. 67) kaj tamen en la Idista vortlibro vi trovos la radikojn: anciena (malnova), olda (maljuna), febla *) (malforta), magra (malgrasa), dina (maldika),

*) S-ro Kovalev en sia lingvo proponas la rusan *slabu*.

kolda (malvarma), kurta (mallonga), lenta (malrapida), malada (malsana), mala (malbona), povra (malriĉa) chipa (malkara), poka (malmulta), aspera (malglata), streta (mallarĝa), tarda (malfrua), bitra (maldolĉa), indolenta (maldiligenta), ociema (mallaborema), perversa (malvirta), tenebro (mallumo), enemiko (malamiko), morbo (malsano), klado (malneto), nocar (malutili), blamar (mallaŭdi), odiar (malami), sinkar (mallevi), maledikar *) (malbeni), leda **) (malbela) k. t. p. Kaj tamen en la jaro *1907*, en la № 2. pĝ. 32 de sia organo L. de Beaufront jene skribis pri *mal*: «Per streko de plumo por tiel diri, Esperanto liberigis de la lerno de *ĉiuj vortoj malaj*, kaj preskaŭ duobligas la riĉecon de la lingvo, senŝarĝigante la memoron en egala proporcio. Ekzemple ĝi donas longa=long fr., mallonga—court (france), mallonga, malforta, malriĉa (pauvre). Kaj—resumas s-ro Beaufront,—por evitigi al la klerulo unu sekundon da lerno, oni altrudas horojn kaj tagojn da laboro al ĉiu alia homo, devigante lin lernadi unu post alia ĉiujn vortojn malajn». Pli supre ni vidis, ke Ido enkondukis en sian vortaron multe da superflua kaj absurda vortmaterialo, kiun aludas Beaufront; ni diris «absurda», ĉar estas absurde uzi novan radikon prefere ol prefikson kaj des pli absurde estas uzi anstataŭ sia regula kaj konstanta prefikso *mal* aŭ *des*, ian *maskitan* prefikson de nacia lingvo. Ekz. Ido havas amiko kaj enemiko (=malamiko), ĉar en la lingvo franca ekzistas la vortoj *ami* kaj *ennemi* (la lasta en la realeco prezentas la vorton *ami* kun prefikso, samsignifa kun «mal»). Same Ido imitis sklave la francajn: bénédiction, malédiction, imprecation per siaj «benediko», «malediko», kaj «impreko». Cetere, Volapük ankaŭ havis en sia vortaro: gletik (granda) kaj

---

*) Beni en Ido—benedikar.

**) Akademiano P. de Janko jene skribis pri «leda» en la Aŭgusta n-ro de Progreso (1911): «tiu vorto estas neakceptebla pro la mitologia nomo Leda, tute internacia. Estus tre ŝokante, ke Leda (la bela virino) estus leda!»

smalik (malgranda), nulik (nova) kaj băledik (malnova). Simile al Ido en Volapük liegik (riĉa)—pöfik (malriĉa); saunik (sana), maladik (malsana); stenüdik (forta) kaj fibik (malforta). Feliĉe, D-ro Zamenhof komprenis la eraron de abato Schleyer kaj mirinde simpligis la leksikonon de Esperanto, sed nun s-ro Couturat sub flago de simpleco penas restarigi la volapükan ĥaoson. Vane kelkaj, malpli blindaj, Idistoj, ekz. s-ro P. Lecouer protestas kaj avertas en «Progreso», ke «la adopto de nova radiko por esprimi la kontraŭaĵon de iu vorto, pli frue adoptita, ekz. mikra anstataŭ malgranda, odiar anst. malamar, malada anst. malsana, febla anst. malforta *) estas komplikaĵo de nia lingvo sen ia utilo, ĉar oni tiamaniere devigas la adeptojn, novajn aŭ malnovajn, scii du vortojn anstataŭ unu. Nia lingvo ne plu estos la maksimume facila por la maksimume multaj homoj. Tion riproĉos certe al ni l'Esperantistoj kaj laŭ mia opinio ili estos justaj. Esperanto ŝajnas esti pri tiu punkto pli facila ol Ido» («Progreso», 1911, pĝ. 682. P. Lecouer).

Bedaŭrinde, s-ro Lecouer ne rimarkas, ke la sama tendenco koncernas pli-malpli la tutan afiksaron de Ido, kiu uzas: matro **) (=patrino), damzelo (=fraŭlino), agnelo (=ŝafido). Nun oni proponas: soro kaj damo anstataŭ fratino kaj sinjorino. Same, oni enkondukis: agulo (=kudrilo), alo (=flugilo), floso (=naĝilo), levero (=levilo), pagayo (remilo), kultelo (tranĉilo); eskalero (ŝtuparo), treno (vagonaro), foresto (arbaro); cintilo (fajrero), edifico (konstruaĵo), skolo ***) (lernejo); tepida (varmeta), timida (timema); kalamitato kaj dizastro (=malfeliĉego), suplikar (petegi), nabo (aksingo), gaino

*) S-ro Lecouer parolas pri mal, ĉar tiam (en la j. 1911) Ido ankoraŭ ne enkondukis des.

**) Estas uzata eĉ la stranga formo «gematri» («Progreso» № 49, pĝ. 26).

***) Esperanto uzas la radikon skolo nur en la senco de «principaro» ekz. en arto, sed ne en la senco de lernejo. Se ni diris «pentristo de Rafaela skolo», tio ne signifas, ke la pentristo estas profesoro de lernejo, kies direktoro estas Rafael.

(glavingo), adverso (kontraŭulo), ancestro (praulo), mediatar (peri), espelar (silabi), exkuzar su (senkulpigi sin) frunsar (sulkigi), abordar (albordiĝi) , embarkar (enŝipigi), *imersar* (enakvigi), *submersar* (subakvigi), *emergar* (elakviĝi), *plunjar* (subakviĝi), *inundar* (superakvi);, acenzar (supreniri) kaj decenzar (malsupreniri); divenar (iĝi), eskartar (forigi) kaj privacar (senigi); blazar (trosatiĝi), hachar (pecetigi), alejar (plifaciligi), acelerar (plirapidigi), augmentar (pligrandigi), exajerar (trograndigi), diminutar (malgrandigi), abreviar (mallongigi), kvankam anstataŭ abreviar Ido povus uzi «kurtigi», se ĝi ne imitus sklave la lingvon francan; same Ido povus uzi la verbojn en-tenar (enteni), sub-tenar (subteni), sed ĝi uzas francmaniere kontenar, sustenar kaj tiamaniere enkondukas tuta novajn radikojn «konten» «susten». Same okazis al la serio: forcar, esforcar, forsar *), al embrasar (kial ne enbrakigar?), al devastar (dezertigi), al imersar, submersar, emergar, plunjar k. t. p., k. t. p. Ni konsentas, ke tia maniero estas tre, tre oportuna por francoj kaj *nur* por ili.

---

Oni eraros ankaŭ, supozinte, ke Ido utiligis la alian oportunecon de lingvo internacia, nome la eblecon de sensufiksa vortfarado per kunmeto de du radikoj. Kontraste al Esperanto, Ido preferas «simpligi» sian vortaron per nova vortprovizo. En Ido vi trovas: frontiero (landlimo), stranjera (alilanda), traco (postesigno), prefaco (antaŭparolo), editar (eldoni), admisar (allasi), emisar (ellasi); krochar—kroĉi kaj akrochar—alkroĉi, lacerar (ŝiri) kaj arachar (elŝiri), rakar (transverŝi), saporoza (bongusta) kaj insipida (sengusta), cirkonspekta (singardà), devota (sindona), devocoza (piafekta), livida (plumbkolora), prekoca (frumatura), tuerta (unuokula), kaito (paperdrako=germ. Papierdrasche), jenjivo (dent-

*) Ni devas korekti, ke la 7-an de Oktobro 1911 la «Akademio» decidis forigi forsar kaj enigi «koaktar».

karno, germ. Zahnfleisch), dentifrico (dentpudro), bisko (kankrosupo), chopino (duonlitro), pultro (kortbirdo), quatreno (kvarversajo), kulo (postaĵo), karnaciono (vizaĝkoloro), avantalo (antaŭtuko) kaj panio (zonotuko), drajeo (sukermigdalo), bujio (vakskandelo), ocio (libertempo), voluntar (bonvoli), arbitriar (bontrovi), peskar (fiŝkapti), mendikar (almozpeti), alaktar (mamnutri), ogro (infanmanĝanto, germ. Kinderfresser), felgo (radrondo), glebo (terbulo), grucho (lambastono), hego (plektbarilo), oziero (korbsaliko, germ. Korbweide), gondo (=pordhoko, germ. Thürangel), padloko (=pendseruro, germ. Hängeschloss), bugło (=signalkorno, germ. Signalhorn), silo (=grenkavo, germ. Korngrube, ruse «яма для храненія зерноваго хлѣба»), hivernar (travintri), estivar («trasomeri»), pruntar (pruntepreni) kaj prestar (pruntedoni), stuvo (ŝvitbano), k. t. p., k. t. p. Anstataŭ tre bone kunmetita vortaĵo «patrolando» (germ. Vaterland) Ido uzas patrio pro la franca «patrie» kaj same pro la franca «paume» kaj «pouce» Ido uzas «polmo»n kaj «polexo»n, anstataŭ klaraj «manplato» kaj «dika fingro» *). Anstataŭ uzata en multaj lingvoj «lumturo» Ido prenis la francan radikon *faro*, kiun, intercetere, ni trovas ankaŭ en Volapük. Anstataŭ logika vorto «postmorta» Ido uzas la francan «postuma». «Unanima» en Ido estas memstara, nova radiko, dum en Esperanto ĝi estas kunmetita el unu+anima=unuanima, kaj Ido sammaniere povus uzi «unanma», se ĝi ne imitus la francan «unanime». Oni diras en Esperanto «riproĉo de konscienco», analogie al la germana «Gewissensbiss» kaj franca «remords de conscience», tamen Ido preferas la kripligitan «*rimorso*». En Idista vortaro vi trovos la vorton apostilo=rekomenda surskribo, germ. empfehlender Beisatz, france apostille, (do, estas necesa «apostilo»). Sammotive Ido havas la vorton «aprentiso» (=metia lernanto, france apprenti),

---

*) Okaze de «polmo» s-ro Ĉefeĉ prave demandis, kial Ido ne pruntis la germanan zeho (Zehe) por la piedfingro.

kvankam ĝi ne havas la francan verbon apprendre kaj uzas la germanan «lernar». En la lingvoj rusa, germana, angla oni diras «sudvento» (germ. Südwind, angle south wind), tamen en Ido austro pro la franca auster. Pro «brais» Ido enkondukis la vorton bracho, kio estas nek pantalono, nek kalsono; pro la franca brioche—brioĉo (=buterkuko, germ. Butterkuchen, hispane—torto). Same pri nugato (=migdala kuko), bugrano (germane kaj ruse «dika vakstolo»), ceruzo, (fr. céruse, sed plumboblanko en la lingvoj germana «Bleiweiss», angla «white lead», rusa «svincovije belila»). Por kio bezonas lingvo internacia la vorton dueno (fr. duégne), kiun la Idista Akademio mem tradukas en la italan lingvon per «governante» kaj en la anglan per «governess» (guvernistino)? Por kio ni bezonas egardo (fr. égard), kiu laŭ decido de Id. Akademio en la lingvon germanan estas tradukebla per «Rücksicht», «Anbetracht» , «Achtung» (t. e. indulgo, konsidero, atento) kaj en la lingvon hispanan per «atencion, consideración» (t. e. atento, konsidero)? Por kio servos «exultar», kiun Ido mem tradukas en la lingvon germanan kaj hispanan per «salti de gajeco»! Por kio perchar (fr. percher), kiun Ido tradukas germanen per kvinvorta frazo: «sich auf eine Stange setzen» (t. e. «sin sidigi sur stangon»). Same, por kio estas bezona «glinar» (fr. glaner), tradukata en la rusan lingvon per «kolekti spikojn post rikolto». Por kio reza, se estas direble «bone razita», «glate razita»? Por kio torida, persieno, karear, rodomonto, benigna, maligna, skarsa,mercenario, dezinenco, funesta, inocenta, urdar k.t.p.?

La leganto pardonu nin: verŝajne ni lacigis lin per tro longa citado, sed la cititaj radikoj prezentas nur la sensignifan parton de superflua vortmaterialo, enkondukita de Ido kaj tial ni kuraĝas diri ankoraŭ kelke da frazoj pri la sama temo. Jen, ekz. en Esperanto per unu radiko *edz* ni ricevas: edzo, edziĝi, eks-edziĝi, eksedzinigi. En Ido: spozo (edzo), mariajar (edziĝi), divorcar (eks-edzigi), repudiar (eks-edzinigi). Alia ekzemplo: en Esperanto—

ŝraŭbo, ŝraubingo, ŝraŭbi; en Ido skrubo, skrubino (?), visar (ne miksu kun vizar=celi). Esperantistoj matenmanĝas, tagmanĝas kaj vespermanĝas, ĝenerale manĝas, dum Idistoj *dejunas*, *dineas* kaj *supeas*, ĝenerale *repastas dishi* *), kvankam ili povas ankaŭ «manjar»; do, anstataŭ unu radiko «manĝ» Ido havas *ses* kaj samtempe Idistoj ne trinkas, sed nur drinkas, la radikon *trink* ili ne havas.

Plej malgranda preteksto sufiĉas por ke Ido nasku novan vorton. Ekz., ne ŝatante la komparativon, Idistoj uzas superiora (= pli supra), inferiora (pli malsupra), seniora (=pli aĝa), juniora (malpli aĝa), preponderanta (pli peza), kvankam ordinare Ido uzas por komparativo *plu*, ekz. plu bona, plu proxima. Alia trajto, sendube franca, estas notinda en la formoj: bilingua, bimanua, bipeda, quadrumana (ne quarmanua), quadrupeda (ne quarpeda), konforme al «bilingue», «bimane», «bipéde», «quadrumane», «quadrupede» de la franca, malgraŭ la fakto, ke la lingvoj rusa, germana k. a., simile al Esperanto, havas simple: dumana, dupieda, kvarmana, kvarpieda. Plue, en Ido oni diras ne, kiel en Esperanto, unuagrada, duagrada, triagrada, sed primara, sekundara, terciara. Uzante anstataŭ duono *-mi*, Ido tamen ne uzas la vorton mi-insulo (=duon-insulo en Esperanto, Halb-insel en la germana, polu-ostrov en la rusa k. s.), sed ĝi preferas enkonduki tute novan radikon *peninsulo* (oni ne legu pen-insulo!), pro la franca *péninsule*.

---

Parte la sama francemo sekvigis la alian mortpekon de Ido:—la trouzon de sinonimoj. Jam prof. Brandt rimarkis, ke «Idistoj enkondukas en la vortaron multege da novaj radikoj kaj tio rompas la fundamentan principon de racia ekonomio». «Ni ne kreu tro multe da specialaj vortoj por distingi nuancojn ne absolute necesajn,—

*) Tiu bela vorto «disho», laŭ oficiala decido de l'«Akademio», estas tradukata en la hispanan lingvon nur per frazo: «la vianda contenida en los platos» (t. e. la viando entenata en la teleroj).

admonis prof. Jespersen en «Progreso»,—mi vidas danĝeran kaj kreskantan tendencon je tiu rilato» («Progr.» 1911. Februaro). Por ilustri la penson de prof. Jespersen ni citu kelke da sinonimoj, pli ĝuste, sinonimaj radikoj: 1) docar, instruktar, 2) forno, fornelo, *nun* furnelo, 3) rakontar, naracar *), 4) silencar, tacar, 5) dibochar, krapular, 6) naskar, parturar, 7) diferar, diferenciar, 8) bagatelo, futelo, 9) konsentar, asentar, agnoskar, 10) justigar, justifikar, verifikar, prevarikar, 11) incitar, kabrar, 12) lular, bersar, 13) diskutar, diskursar, deliberar, 14) atencar, exaucar, 15) fanfaronar, ostentar, 16) publikigar, promulgar, 17) repentar, penitencar, 18) kaldrono, marmito, 19) charjar, kargar, 20) disipar, prodigar, 21) livrar, furnisar, 22) festar, celebrar, 23) cedar, deferencar, 24) celar, disimular, 25) helpar, sokursar, 26) cherpar, exhaustar, 27) haro, pilo, krino, 28) rapidesar, hastar, acelerar, 29) insistar, persistar, perseverar, 30) deslevar, sinkar, abasar, 31) lasar, livar, abandonar, 32) palpar, tastar, 33) absorbar, imbibar, 34) kontentigar, satisfacar, saciar, 35) supresar, abrogar, aboligar, 36) desutilesar, nocar, detrimentar, 37) oficisto, employato, 38) monako, cenobito, 39) horo, kloko, 40) dio, jorno, 41) kolego, kamarado, konsorto, 42) rivero, fluvio, 43) medicinisto, mediko, 44) abismo, precipiso, 45) baldakeno, doselo **), 46) kampo, agro, feldo, 47) vilajo, ruro, 48) respondeso, responsiveso, 49) pronta, apta, 50) agacar, acerba, 51) kara, chera, 52) fekunda, fertila, 53) kolda, frigora, 54) sufice, sat, pasable, 55) almono, mendikar, 56) enterigar, sepultar, funero, 57) pregar, demandar, 58) devar, darfar, mustar, 59) brular, incendiar, kombustar, 60) konstanta, permananta, perpetua,

*) «Akademiano» Janko prave skribis en «Progreso» (1909, pĝ. 485): «Mi esence ne trovas diferencon inter la du vortoj: naracar kaj rakontar». Estas kurioze, ke tamen Ido ne havas la vorton «fabelo» kaj tradukas ĝin per «rakonto».

**) La lasta, t. e. doselo, estas oficiale tradukita en la italan lingvon per *baldacchino*, t. e. per baldakeno.

kontinua, 61) brava, temerara, proda, 62) timema, timida, pavorema, poltrona, 63) tranquila, quieta, kalma, 64) avara, meskina, 65) tenera, klementa, mizerikordioza, 66) korpulenta, obeza, k. t. p., k. t. p. Citi la tutan sinonimaron ne estas eble en nia libreto kaj ni,—por fini la citadon—atentigos la leganton, ke en Ido, anstataŭ unu sola radiko *san*, li devos lerni serion: sana, salubra, salutara, malada, konvalecanta, morbo. Same li devos lerni la sinonimojn: kaduka, debila, infirma, senila, laxa, kaj «li devos memori; ke por «mortigo» Ido havas multe da novaj verboj krom «mortigar», nome: mortifikar (mortigadi), asasinar (mortigi embuske), ocidar (mortigi perforte), asomar *) (mortigi senkore), empalar (mortigi trapike), egorjar (mortigi kruele). Krom buchar Ido havas masakrar (masbuĉi). Ne estas mirinde, ke la senco de Idistaj sinonimoj ofte estas tre malklara kaj ekz. «Progreso» jene difinis la signifon de «indolenta»=mallaborema, malagema, nediligenta. Sed, plej bona rimedo por kompreni ian sinonimon estas: rigardi la francanacian vortlibron (ne-idan), la fonton, el kiu Ido ĉerpas la inspiron. Sendube la idistoj tendencas «idigi» la tutan radikaron de la lingvo franca kaj tiam Ido vere prezentos ne «Esperanton simpligitan», sed «Esperanton francigitan» aŭ «francan lingvon simpligitan», kiu por la francoj nature estos pli facila ol Esperanto, sed por la ceteraj popoloj ĝi estos iom pli facila ol la lingvo franca kaj nekompareble pli malfacila ol Esperanto. Fine, kiel prave atentigas germana eks-idisto D-ro Borgius, Idon koncernas la ŝablona argumento kontraŭ lingvo natura ekz. franca, angla, en la rolo de lingvo internacia, ĉar la ne-francoj same protestos kontraŭ la francigita Esperanto kaj en ĉiu okazo ili preferos ne la artefaritan francaĵon, sed la naturan, puran lingvon francan, lingvon de literaturo, lingvon de historio.

---

*) Asumar=preni sur sin.

Nun ni pruvos, ke apud monto da vortoj superfluaj, Ido ne havas multe da radikoj, vere necesaj. Esperanto havas ilin kaj en Ido ili mankas, *ĉar ili mankas en la lingvo franca*, kies kopion (cetere tre fuŝitan) prezentas la fama konkuranto de Zamenhofa verko. Ni ne parolos pri bulko, sevrugo, gurdo, farti, bordelo, skurĝo, kies neceseco ne estas ekster dubo. Ankaŭ ne estas grave, ke Ido ne havas la radikon «keno» kaj tradukas ĝin per «rezinoza ligno» (v. la vortaron de Waltisbühl). Ne estas grave, ke Ido forpelis barĉon kaj uzas betravsupon, kvankam samtempe estis enkondukita nova vorto *nudlo* anstataŭ vermiĉela supo de Esperanto. Nek barĉo, nek keno ĉagrenas nin, sed ni ne povas ne miri, ke Ido ne havas specialajn radikojn por esprimi ekz. la ideon de «ambaŭ», «apenaŭ», kruta, klara, hejti, ŝpini, prava, rajti, preĝi, degeli, rajdi, gladi, trafi, taŭgi, varti, sváti, komodo, tornistro, kitelo, paskvilo, fabelo, bankiero, tetrao, vanta *) k. t. p.

La «riĉa» Ido nur jene povas traduki Esperantan frazon: «mi estis prava; do mi juste havas la rajton defendi min per civila juro»—«me esis *yusta*, do me *yuste* havas la *yuro* defendar me per civila *yuro*».

*Trafi* estas tradukata en Ido per *atingar* kaj sekve la frazojn «mi trafis en la okulon», «trafi el Scilo en Ĥaribdon» en Ido oni tradukas: «me atingis aden okulo», «atingar ek Scilo aden Karibdo», sed en la lastaj frazoj la senco estas tute alia, nekonforma al la germana «treffen» kaj rusa «popastj».

*Rajdi* Ido tradukas per *kavalkar*. Esperanto uzas la vorton kavalkado en la senco «rajdantaro», sed estas klare, ke oni ne «kavalkas» unuope.

*Hela* en Ido=klara, kvankam oni komprenas, ke ne ĉiu klara penso estas hela penso kaj ekz. klara akvo ne estas hela.

---

*) Cetere en la lastaj n-roj de «Progreso» (№№ 56, 57) ni trovis «vanitatoza» (=vanta), sed en la vortaro ĝi ne estas trovebla.

Pli supre vi vidis, ke Ido evitas la uzon de afiksoj. Tamen en Ido,—ĉar la vortoj mankas,—degeli estas tradukata per desfrostar («malfrosti»), komodo per tirkestaro *), varti — zorgegar (*nun* sorgegar) laŭ Deutsch-Int. Wörterbuch, pĝ. 341, ŝmaci per kisegar **) (Ib. pĝ. 267), kitelo per bluzego ***), krampo per hoketo. En Esperanto—kolbaso kaj sociso, en Ido sociso kaj sociseto, plado kaj pladego anstataŭ telero kaj plado; kabino kaj kabineto anstataŭ kajuto kaj kabineto; balono kaj baloneto anst. balono kaj pilko de Esperanto.

*Gladi* Ido tradukas glatigar (glatigi), gladilo—glatigilo, kvankam oni povas glatigi, ne gladante kaj sen gladilo.

*Hejti* estas tradukata per varmigar kaj sekve la frazon: «mi hejtis la fornon tre forte, sed ĝi ne varmiĝis» oni tradukas en Idon per «me varmigis la forno tre forte, ma ol ne varmijis».

*Ŝpini* en Ido filifar (=fadenigi) kaj la prezidanto de Berlina Rondeto D-ro Liesche jam eldiris, ke «estas necesa spinar anst. filifar, ĉar oni ne povas diri filifar filo, t. e. fadenigi fadenon» («Progreso», 1912, Oktobro).

Plue, Ido, kiu ja ne ŝatas vortojn kunmetitajn, tamen uzas ilin por la tagnomoj ekz.: «saturndio (=sabato) venerdio (vendredo), sundio (dimanĉo), por festonomoj ekz. anuncofesto (anunciacio), por la terminaro botanika kaj zoologia, ekz. marhundo (foko), leondento (leontodo), moskorato (miogalo), k. t. p.

Ĉar en Ido mankas multe da necesaj vortoj, ne estas mirinde, ke unu vorto ofte havas ne unu signifon. Ekz.: *varsar*=verŝi kaj ŝuti; *stilo*=stilo kaj grifelo; *suflar*=

*) S-ro Roze nun proponis enkonduki la vorton kumodo kaj s-ro Schöll—komodeo.

**) Sed oni ja povas ŝmaci, ne kisante. Pro tio nun en la «suplemento» de K. Feder ni trovas belan vorton «labioklako» (=lipoklako), kiu tre similas la konatan chapeau claque (klakĉapelo)

***) Same Beaufront tradukas «koltukon» per kravatego.

suflori kaj blovi; *grado*=grado kaj ŝtupo; *espado*=spado kaj klingo; *kompanio*=kompanio kaj roto; *hano*=koko kaj ĉano; *pulvero*=pulvoro kaj pulvo; *kargar*=ŝarĝi kaj ŝargi; *bretelo*=ŝelko, tirŝnuro kaj rimeno de pafilo; *kordo*=kordo kaj ŝnuro; *kordio*=koro kaj kero; *karelo*= kahelo kaj karoo; *punto*=punkto kaj poento; *talono*= kalkano kaj kalkanumo; *filio*=filo kaj filio en fili-alo; *pregar*=peti kaj preĝi; *drinkar*=drinki kaj trinki; pro tio drinkeyo estas samtempe drinkejo kaj trinkejo. Nun en la Februara n-ro de «Progreso» (1913, pĝ. 28) oni eĉ proponis, ke *klefo*=klavo kaj ŝlosilo!

Ni esploru pli atente kelke da supre cititaj vortoj. Jen, ekzemple, estas ja klare, ke por la kartludo lingvo interniacia bezonas specialan terminaron, kiel en Esperanto: piko, trefo, karoo, kero, poento; tamen Ido por karoo uzas francmaniere la vorton karelo, kiu samtempe signifas kahelon, kaj por kero—la vorton kordio, kiu samtempe signifas koron, por poento—punto, kiu samtempe= punkto. Ido forgesas, ke *rusamaniere* oni diras «tamburinoj» (=karoo), «vermoj» aŭ «ruĝaj» (=kero), «okuleto» aŭ «fenestreto» (=poento). Ido forgesas, ke kero hispane= pokaloj, ke karoo—hispane=oro, itale kvadratoj, angle— diamantoj. Do, ĉu ne estas preferinde uzi la Zamenhofan terminaron?

Same, lingvo internacia necese bezonas specialan radikon por ĉano, ĉar hano, kiu samtempe=koko, ne sufiĉas kaj povas protestigi «hundon», kiu samtempe havas la signifon de ĉano en la lingvoj franca kaj rusa. Kiamotive Ido ne elektis hundon kaj preferis kokon, ni ne scias.

Plue, estas tre bedaŭrinde, ke pregar=peti kaj preĝi, (kvankam pregeyo estas nur preĝejo laŭ kompleta gramatiko, § 130, pĝ. 56). Prave atentigis D-ro Axer en la № 52 de «Progreso» (1912), ke la lingvoj germana, angla kaj la slavaj distingas la peton al homo de la peto al Dio. Sed, s-ro Couturat aŭtoritate respondis, ke «La ideo de peto estas esence sama, ĉu direktata al homo, ĉu al Dio».

Nu, se s-ro Couturat estus pli sincerema, li rekte dirus: «Ni ne bezonas specialan radikon por la ideo «preĝi», ĉar *en la lingvo franca* estas sendistinge uzata «prier»=peti kaj preĝi» *)..

La necesecon de la ceteraj radikoj ni ilustros per kompar-tekstoj en Esperanto kaj Ido; ni petas unue legi la tekston en Ido.

| ESPERANTO. | IDO. |
| --- | --- |
| *Kordo* de kontrabaso similas *ŝnuron.* | *Kordo* di kontrabaso similesas *kordo.* |
| Mi trovis gajan kompanion en mia roto. Interesa estis eks-farmaciisto, kiu preferis apotekan pulvoron je pulvo. Unu fojon, jam ŝarĝita per pafilo, li forgesis ŝargi ĝin kaj poste, ŝargante, li hazarde ektiris la ĉanon kaj trafis la kokon, kiu staris sur la ŝtupo. Altan gradon atingis lia konfuzo, ĉar li ĝenerale estis ambicia generale... Nun ni kartludis en varma kazerno apud hejtata forno el kaheloj. | Me trovis gaya *kompanio* en mea *kompanio*. Interesiva esis ex-farmaciisto, qui preferis apotekala *pulvero* ye *pulvero*. Un foyo, ja *kargita* per fusilo, il obliviis *kargar* ol ed pose, *kargante*, il hazarde tireskis la *hano*, ed *atingis* la *hano*, qui staris sur la *grado*. Alta *grado atingis* ilsa konfuzeso, pro to ke il *generale* esis ambicioza *generale*... Nun ni kartludis en *varma* kazerno apud *varmigata* forno ek *kareli*. *Karelo*!— |

*) Sammotive ni rajtus anstataŭ «dum krepusko» diri francamaniere «inter hundo kaj lupo» (entre chien et loup).

| | |
|---|---|
| Karoo!—diris la farmaciisto. Ektremis mia koro.—Kero!—li daŭrigis kaj mi estis savita. Por trankviliĝi, mi rapide verŝis akvon en glason, ŝutis brompulvoron kaj trinkis.—Ni iru drinkejon—oni proponis. Ne!—protestis la farmaciisto,—estas festo! Ni preĝu, mi petas vin. En preĝejo ni tuj aŭskultu la orgenon. Gurdon de drinkejo certe vi preferas». Sed, li parolis vane pri vanteco... | dicis la farmaciisto. Tremeskis mea *kordio*.—*Kordio*—il durigis e me esis salvita. Por tranquilijor, me rapide *varsis* aquo aden glaso, *varsis* brompulvero ed *drinkis*.—Ni irez aden *drinkeyo*,—on propozis. No! —protestis la farmaciisto,—esas festo! Ni *pregez*, me *pregas* vi. En *pregeyo* ni quik askoltez la *orgeno*. Turn - *orgeno* di drinkeyo certe vi preferas». Ma, il parolis *vane* pri *vaneso*. |

Nu, se vi tralegis unue la Idan tekston, certe vi komprenis absolute nenion. Bonvolu tralegi la paralelan Esperantan tekston, kies laŭvortan tradukon prezentas la Ida teksto, kaj vi bone komprenos la sencon de la frazoj, vi mem vidos, kiom «riĉa» kaj «preciza» estas Ido!

Fantomaj estas la riĉeco kaj precizeco de Ido, ĉar, enkondukante amason da superfluaj novaj radikoj kaj forigante grandan nombron da necesaj malnovaj radikoj, Ido penadis nur atingi la «unuavidan kompreneblecon» *por francoj* kaj ĝenerale novlatinuloj. Tiucele Ido ekz. alprenis «febla» (=malforta) kaj devigis ĉiun germanon kaj slavon lerni novan radikon por kontentigi la nacion francan kaj anglan, kvankam la peno, kiun franco kaj anglo konsumus por aldoni la prefikson mal (en «malforta») estas nemezureble malpli granda, ol la perdo de energio necesa por la enmemorigo de nova radiko «febl» en la cerbo de la tuta cetera homaro.

Ree ni intencas pli klare ilustri nian tezon per kompartekstoj.

6*

ESPERANTO.

A.

Tenante la donitan fajrigilon, nova amiko longe kontraŭparolis antaŭ la patro.

B.

Mallonga antaŭparolo de malnova eldonaĵo entenas fajrerantan paroladon de kontraŭulo kaj malamiko de la patrujo.

Ellerninte ĉiun radikon de la teksto *A*, vi ne bezonos lerni ian radikon de la teksto *B*, ĉar la lasta teksto enhavas la *samajn* radikojn, kiel la unua, nome: ten, don, fajr, nov, amik, long, parol, patr.

Ni traduku nun la samajn tekstojn en Idon:

IDO.

A.

Tenante donita fairifilo, nova amiko longe kontreparolis avan la patro.

B.

Kurta prefaco di anciena edituro kontenas cintilifanta diskurso da adverso e enemiko di la patrio.

[Ni vidas, ke, kontraste kun Esperanto, en la teksto *B*. *ĉiuj* radikoj estas aliaj ol en la teksto *A*., kaj por kompreni la dekvortan frazon de teksto *B*., vi necese devos parkere lerni dek novajn radikojn, se vi ne estas franco, ĉar se vi estas franco, vi ne bezonas lerni eĉ unu novan vorton, kiel montras jena komparo:

IDO.

Kurta prefaco di anciena edituro kontenas cintilifanta diskurso da adverso e enemiko di la patrio.

FRANCA TRADUKO.

Courte préface de l'ancienne édition contient un discours étincelant d'un adversaire et ennemi de la patrie.

Nun ni vidas klare, kiom kostas kaj kiom valoras la «unuavida komprenebleco», komprenebleco por unu-du

popoloj kaj malfacileco por la tuta cetera mondo! Kie do estas la limo de tiu «unuavida» kompreneblecο, kie do intencas halti s-ro Couturat, —ni rajtas demandi, ĉar Ido ankoraŭ ne atingis la ekstreman limon de la tuja kompreneblecο kaj ĉar aliaj lingvoprojektoj, ekz. Idiom Neutral, Panroman de Molenaar *) kaj precipe Reform Neutral de Rosenberger en tiu rilato staras pli alte. Ido sekvu ilian ekzemplon! Ni esperantistoj iru nian vojon kaj al idistoj, partianoj de franca lingvo simpligita, ni rekomendu atente tralegi rimarkindan artikolon de Beaufront, presitan en la jaro 1907, en la № 2 de L'Espérantiste», en kiu li interalie skribis: «Se la celo de lingvo internacia estas la tuja kompreneblecο por kleruloj, ni donu al ili la lingvon latinan aŭ ian el la ĉefaj lingvoj, kaj pli tuj ankoraŭ ili ĝin komprenos. Sed anstataŭ ol prezenti vian tekston al klerulo scianta la francan lingvon aŭ alian novlatinan, al klerulo tute plena je grekaj aŭ latinaj vortoj, donu do ĝin al Slavo, al Svedo, al Hungaro, al Turko, al Arabo, al Japano k. t. p., k. t. p., sciantaj nur absolute sian patran lingvon kaj vi konstatos la mizeran rezultaton. Ĉu do ekzistas nur kleruloj en la mondo, aŭ popoloj pli-malpli novlatinaj? Ĉu ni volas fari el lingvo internacia la propran bonon de malgranda eminentularo, kiu ĝin malpli bezonas, aŭ la bonon de ĉiuj homoj... Kaj fine ĉu legi tekston unuavide estas la scio de tiu ĉi lingvo? Ĉu oni ne devas ankaŭ skribi ĝin? Ankaŭ paroli ĝin? Ili pli rapide komprenos (kelkaj), sed ili bezonos senfinan tempon por lerni» (L. de Beaufront, pĝ. 37).

---

Ĝis nun ni parolis pri la vortoj, kiuj mankas aŭ superfluas en Ido. Restas al ni esplori la demandon pri vortoj, ŝanĝitaj kaj, ofte, kripligitaj. Kompreneble plej multe

*) Ekz. D-ro Molenaar uzas dikzionar, realizazion, soluzion, ĉar ili estas «pli unuavide» kompreneblaj por francoj.

suferis pro la «reformo» la vortoj kun la rusa kaj germana-rusa ortografio. En la vortaro de Ido ni trovas: *bedelo* (= pedelo), *borgezo* (burĝo), *lietnanto* (leŭtenanto), *punto* (punkto), *foko* (fokuso), *kono* (konuso), *papiro* (papiruso), *heraldo* (heroldo), *kontrato* (kontrakto), *lineo* (linio), *volkano* (vulkano), *particiono* (partituro) k. t. p. La germana-franca biero (germ. Bier, fr. bière) fariĝis *biro*. Aliaj radikoj estas enkondukitaj anstataŭ germana-rusaj, ekz. *bacheliero* (abituriento), *inquesto* (enketo), *kompaso* (cirkelo), *busolo* (kompaso), *echopo* (budo), *zero* (nulo), *getro* (gamaŝo , *azuro* (lazuro), *verno* (glazuro), *ponsa* (punca), *mercero* (galanterio), *robineto* (krano), *komto* (grafo), *garsono* (kelnero), *kurtajar* (makleri), *avalancho* (lavango), k. t. p. Ŝanĝitaj kompare kun la rusa lingvo estas: *bendo* (banderolo), *kombatar* (batali), *ultre* (krom), *polo* (poluso) *espado* (spado), *kuraso* (kiraso), *demarchar* (klopodi), *gardio* (ploto), *buxo* (skatolo), *moblo* (meblo), *ornar* (ornami), *piklizar* (pekli), *polisar* (poluri), *quartero* (kvartalo), *klarineto* (klarneto), *espalero* (spaliro), *skopo* (celo), *vizar* (celi), *humuro* (=humoro), *folyetono* (felietono), *injenioro* (inĝeniero), *fonteno* (fontano), *rapiero* (rapiro) *volunte* (volonte), *homardo* (omaro), *forajo* (furaĝo), *projeto, objeto*, *subjeto*, legu: proĵeto, obĵeto, subĵeto (=en Esp. projekto, objekto, subjekto) k. t. p. Ankaŭ suferis la franca-rusaj radikoj *lilaco* (siringo), *markezo* (markizo), *vualo* (velo), *loklo* (buklo) kaj franca-rusa-germanaj, ekz. *tayo* (talio), *desero* (deserto), *kabino* (kajuto), *obuso* (grenado), *dramato* (dramo), *rineganto* (renegato), *anunco* (anonco), *skultar* (skulpti), *grabar* (gravuri), *esmalto* (emajlo), *koro* (ĥoro), *kolero* (ĥolero), *monako* (monaĥo) k. t. p. Kelkaj francaj radikoj estas kripligitaj ekz. *ruptar* (rompi, fr. rompre),*benedikar* (beni, fr. bénir), *mestiero* (metio, fr. métier), *enigmato* (enigmo, fr. énigme), *envidiar* (envii, fr. envier), *dicar* (diri, fr. dire), *facar* (fari, fr. faire), koquar (kuiri, fr. cuire), kurva (kurba, fr. courbe), *tranar* (treni, fr. trainer, *legu* trene), *varsar* (verŝi, fr. verser) k. t. p.

Kelkajn vortojn, kies internacieco estas ekster dubo, ekz. direktoro, inspektoro, Ido forigas kaj uzas «direktisto», «inspektisto». Tamen Ido havas la vorton censoro, kvankam ĝi povus, kiel Esperanto, uzi la vorton censuristo *), kiu plene sufiĉas, ĉar cenzoro=cenzuristo. Kontraŭe, ne ĉiu direktisto kaj inspektisto estas direktoro aŭ inspektoro.

Plue, Ido enkondukis: instruciono, porciono, okaziono, opiniono, funciono, naciono, revoluciono k. t. p. anstataŭ instrukcio, porcio, okazo, opinio, funkcio, nacio, revolucio k. t. p. La lastaj formoj ekzistas, interalie, en la lingvo rusa kaj Esperanto elektis ilin, ĉar ili estas pli oportunaj por la Akuzativa formo (la formoj: instrukcion, opinion estas pli belsonaj ol instrukci*onon*, opini*onon*). Cetere—ni devas noti la esceptojn,—Ido uzas mem: evolucio, impreso, religio, ambicio **), drako k. t. p., sed *ne* evoluciono, impresiono, religiono, ambiciono, drakono, malgraŭ évolution, impression, religion, ambition, dragon de la lingvo franca. Trajto tre kurioza: kvankam eĉ Esperanto uzas la vorton *leksikono*, kvankam la lingvoj angla, germana kaj dana havas la radikon leksikon, tamen Ido preferis la radikon «lexik» pro la franca lexique!

Same Ido uzas francamaniere: letro, livrar, butro, sukro (=en Esp. letero, liveri, butero, sukero)—spite la lingvoj germana kaj angla; la escepton prezentas nur paroli, somero, vetero. Kiamotive, Ido ne uzas analogie parlar (internacia dank'al «parlamento»), somro, vetro,—ĝi estas enigmo de Idista «lexiko»...

Ne malpli terura sorto trafis la radikojn kun la sono *kc*, *kt*, *sc*. Idiosinkrazie Ido fabrikis ceno, cienco, ceptro, acento, acizo, aciono, fraciono, aceptar, eceptar, ecitar,

*) En Esperanto cenzuristo. Ido uzas censuro, kvankam samtempe ĝi uzas cezuro, vazelino, vazo, sed ne cesuro, vaselino, vaso.

**) «Religiono kaj ambiciono estas preferindaj al religio, ambicio»—skribis prof. Jespersen en «Progreso», (1910, pĝ. 400).

suceso, ecentrika, projeto k. t. p. anstataŭ Esperantaj: sceno, scienco, sceptro, akcento, akcizo, akcio, frakcio, akcepti, escepti, eksciti, sukceso, escentrika k. t. p. Sed, kompreneble Ido ne evitis kelke da esceptoj. Ekz. forigante *kt* el la radikoj punkto, kontrakto, sankta kaj uzante punto, kontrato, santa, Ido ne forigis *kt* en direktar, redaktar, elektar, ne forigis *ktr* en «elektro», kaj eĉ enkondukis mem *kt* en lektar («legi» en Esperanto). Foriginte *kc* en *instruciono* (=instrukcio), Ido konservas *instruktar*. Same, bojkotante *kc*, *ksc* en ekz. ecitar, ecelenco, eceso, Ido mem enkondukis pli barbarajn sonojn *ksp*, *kst* ekz. en explorar, extingar anstat. esplori, estingi de Esperanto. Ankoraŭ unu ekzemplo: Ido anstataŭ ekspreso uzas espreso kaj tamen en la jaro 1911 la «Akademio» decidis alpreni exkavar anst. malnova Idista vorto eskavar.

---

Ni jam vidis, ke Ido senceremonie *kripligas* la internacian ortografion, (ekz. ceno, ceptro), sed pli ofte Ido kripligas la prononcon de l'vorto, por *konservi* ĝian nacian ortografion. Ekz. anstataŭ artiŝoko, ŝanco, tuŝi, marŝi, ŝanĝi, ŝankro, ŝiko, ŝimpanzo, ŝoseo, Ido uzas artichoko, chanco, tuchar, marchar, chanjar, chankro, chiko, chimpanzeo, choseo (*legu*: artiĉoko, ĉanco, tuĉar, marĉar, ĉanĵar, ĉankro, ĉiko, ĉimpanzeo, ĉoseo). La kaŭzo estas, ke france oni *skribas* artichaut, chance, toucher, marcher k. t. p., kvankam oni *legas* france, kiel en Esperanto, artiŝo, ŝans, tuŝe, marŝe, sed ne tuĉe, marĉe, kiel en Ido *). Idista skribmaniero de Zamenhofaj formoj, kiel sprite diris prof. Brandt en «Progreso» «estas oportuna por francaj *okuloj*, sed samtempe erariganta por francaj *langoj*». Tamen la idistaro ne atentis la opinion de la estimata profesoro kaj unu el la idistaj eminentuloj barono D'Orchy eĉ proponis tute forigi el la alfa-

---

*) Esceptoj: en Ido shakalo, shalo, shancelar, sharado, k. t. p., kvankam en la lingvo franca: chakal, châle, chanceler, charade.

beto la literon sh (=ŝ) kaj sole uzi ch (ĉ), t. e. imiti la francan manieron. Certe la aspekto de la vortoj estus tre agrabla por la francaj *okuloj* kaj tio estas ja la ĉefafero, ĉar oni ne povas dubi, ke per la *lango* Ido ne estos uzata tro multe. Do, barono Orchy ne fantazias kaj ni nur bedaŭras, ke li ne rimarkas, ke Ido ankaŭ pekas kontraŭ la francaj langoj *kaj* okuloj per konio, alio, palio, semano, solio anst. Esp. kojno (fr. coin), ajlo (fr. ail), pajlo (paille), semajno (semaine), sojlo (seuil) k. t. p. Generale, strangaj, tre strangaj okuloj (ni ne parolas nun pri langoj, nek pri oreloj) sidas en la orbitoj de Ido, kiu forigis la angla-esper. birdo pro *ucelo*, ĉar «ucelo memorigas ankaŭ francan oiseau» («Progreso», 1909, pĝ. 260). Efektive la literoj *u* kaj *e* troviĝas en ucelo kaj en oiseau, tamen nia ne-idista okulo ne vidas ian similecon inter ili, kaj ni absolute ne komprenas, kial, forigante bird, Ido ne preferis ekz. la rusan *ptico* (el Novilatin), *ornito* (el Idiom Neutral kaj ĉe Z. Romanski), aŭ *avio* (Adjuvilo), kiu estas pli internacia, ĉar la vorto *aviacio* estas tutmonde konata.

---

Nun ni tuŝas la demandon pri la *internacieco* de l'radikoj kaj ni jam rimarkigis kelkfoje, ke Ido tendencas enkonduki en sian vortaron plej multe da vortoj, kies deveno estas franca aŭ latina. «Ido estas ja pura latinaĵo»-- skribis s-ro Th. Fuchs, profesoro de Wiena Universitato, kaj efektive Ido forigis grandan kvanton da germanaj kaj slavaj radikoj de Esperanto, kvankam kelkaj, ekz. aŭtoro de «Adelfia lingvo» s-ro Kovalev, pruvas, ke Esperanto havas tro malmulte da radikoj el la germana kaj rusa lingvoj, ke ĝi estas tro latina. Por defendi Esperanton s-ro Couturat en sia «Histoire» (pĝ. 321) citas *15* germanajn kaj *6* slavajn radikojn (bulk, brov, prav, ŝelk, svat, vost), kaj tamen Ido indulgis nur *5* germanajn kaj 1 slavan radikon el la cititaj de s-ro Couturat, kiu en la sama libro klarigas, ke tiamaniere D-ro Zamenhof «penadis favori *senpartie* la tutan lingvaron

eŭropan kaj partoprenigi ĝin la tutan en la konstruado de sia vortaro, por *vere internaciigi* sian lingvon kaj, krome, *faciligi* ĝin kiel eble plej multe por ĉiu popolo de civilizacio eŭropa» («Histoire», pĝ. 321). Same, en sia libro «Unu lingvo internacia aŭ tri?» (pĝ. 11-a) s-ro Couturat (estante ankoraŭ senida) admonas la germanojn lerni Esperanton, ĉar en Esperanto «oni trovas radikojn *tiel ofte* uzatajn kaj *tiel facile* rekoneblajn de la germanoj»; interalie s-ro Couturat citas la jenajn: tago, knabo, haŭto, brusto, telero, ŝtrumpo, fadeno, ŝnuro, ŝraŭbo, ŝafo, ŝipo, ŝranko, bedaŭri, daŭri, ŝteli, ŝlosi, ŝajni, ŝuldi, taŭgi, kaj estas rimarkinde, ke en Ido *ĉiuj ĵus cititaj radikoj estas forigitaj. Krom tio* Ido forigis la sekvantajn radikojn de la lingvo germana: bildo, celo, cirkelo, fajfi, fajli, flegi, fliki, floso ( en Ido: rafto), fraŭlo, fremda, hajlo, hejti, hela, kajuto, kelnero, kitelo, klingo, knedi, lipo, makleri, najbaro, najlo, rajdi, rando, refo, ripo, ŝati, ŝipo, ŝmaci, ŝmiri, ŝpini, ŝtupo, ŝuti, ŝveli, svingi, ŝviti, tornistro, trafi, trinki, varti, vindi, anstataŭ k. t. p.

Eble oni diros, ke Ido forigis *kompare* malgrandan nombron de germanaj radikoj. Se oni tion diros, oni ja forgesos, ke ne la kvanto estas grava, sed la kvalito; oni forgesos, ke s-ro Couturat mem en sia libreto «Ĉu unu lingvo internacia aŭ tri?» skribis, ke «ne sufiĉas kalkuli la vortojn en vortlibro, oni devas esplori, kiuj estas *plej ofte uzataj, kaj formas la fundon de la ĉiutaga lingvo*», kaj tiam ni konstatos, ke ĝuste al la lasta kategorio apartenas multe da cititaj radikoj. Cetere, s-ro Beaufront polemikas, ke Ido siaflanke enkondukis *78 novajn* radikojn el la lingvo germana, sed *1*) en la realeco *36 radikoj*, ekz. binoklo, bolto, docento, heroldo (en Ido: heraldo), janiĉaro, recenzo k. t. p. apartenas ne nur al Ido kaj oni uzas ilin ankaŭ en Esperanto, *2*) nur tre malmulte da novaj vortoj koncernas la ĉiutagan vivon kaj la pliparto, ekz. daxo, finko, ginesto, mispelo, mistelo, horniso rilatas al la speciala terminaro de botaniko,

zoologio k. s. Kelkaj radikoj, kvankam ĉiutagaj, estas superfluaj, ekz. bitra (=maldolĉa), hungrar (=malsati).

---

Ni devas aldoni, ke Ido motivigas la ekstermon de multaj radikoj per sia «principaro». Do, nia leganto bezonas esti informita pri tio, ke Ido estas bazita sur du «novaj» principoj: *1)* principo de unusenceco *) por la derivado (kiel Ido obeas tiun principon ni jam vidis sur la pĝ. 52—53, v. piednoton), *2)* principo de la maksimuma internacieco por la vortaro. Ido patentis ilin, malgraŭ la fakto, ke nek la unua, nek la dua principo apartenas al Ido: la principo № 1 estis proponita de Grimm en la jaro 1860 kaj ĝin aplikis s-ro Léon Bollack, aŭtoro de «La Langue Bleue» jam en la jaro 1899 («*unu vorto*, *unu senco*»). Egale, la principo № 2,—pri maksimuma internacieco,—estis fundamentigita en la jaro 1893 de eks-volapükista «Akademi internasional de lingu universal (eks: «Kadem bevünetik volapüka») sub prezido de Peterburga inĝeniero Vl. Rosenberger, kaj pli frue tion faris, sendube, D-ro Zamenhof. Kvankam s-ro Couturat en sia nova broŝuro, titolita «La verité sur l'Ido» («La vero pri Ido») sur la pĝ. 13 kredigas, ke «aŭtoro de Esperanto *neniam komprenis kaj neniam aplikis la principon de internacieco maksimuma*», tamen la sama s-ro Couturat en sia scienca verko «Histoire» skribis sur la paĝo 320, ke «por *ĉiu* ideo D-ro Zamenhof elektis radikon *la plej internacian*, t.-e. komunan al la plej granda nombro de lingvoj eŭropaj».

Sed, ni lasu scienculon Couturat disputi kun sioro idisto Couturat, kaj ni ekzamenu nun *la aplik-metodon* mem de la principo, kiun Ido senceremonie proprigis al si. Ĝuste *la metodo* de l'apliko estas aparte grava, ĉar, aplikante la *saman* principon, Esperanto, Ido, Idiom Neutral, Novilatin, Europal k. a. venis al rezultato

---

*) En «Progreso» 1909, pĝ. 10—11 ni renkontis: «plursenc*ul*eso», «unasenc*ul*eso». Por kio *ul*?

esence tre diferenca. Ekzemple: la artikolo—en Esperanto kaj Ido—*la*, en Int.-Scienca lingvo de Kovalev—*lo*, en Adelfia lingvo de l'sama aŭtoro—*li*, en Simplo—*el*, en Europal *de*, kaj en kelkaj la artikolo ne ekzistas. Esperanto kaj Novilatin uzas *sed*, Ido—*ma*, kaj Ulla la germanan *aber*.—Esperanto havas *ĉar* (fr., )Ido kaj Pasilingua—*nam* (lat.), Volapük—*ibo* (rus.), Universal-Sprache—*den* (germ.), projekto de Brandt—*parsk* (fr.).—En Esperanto—*ĉu*, en Ido—*kad*, sed en la lingvo de Stelzner—*ob* (germ.).—En Esp.—*ĝi*, en Ido—*ol* kaj ĉe Romanski—*es* (germ.).—En Esp.—*alia*, en Ido—*altra*, en Idiom Neutral—*otra*.—En Esp.—*ŝtrumpo* (germ.), en Ido—*kalzo*, en Novilatin—*shulko* (rus.). En Esp. *haŭto* (germ.), en Ido—*pelo* (fr.), en unu el la lingvoj de Kovalev—*derma* (med.). En Esperanto *scienco*, en Ido *cienco*, en Idiom Neutral—*siento*.—En Esp.—*akvo*, en Ido — *aquo* kaj en la lingvo Tal — *vato*, pro sufiĉe internaciaj «water-closet» kaj «waterproof».

Interese estas, ke en Esperanto oni diras *sinjoro*, en Ido—*sioro*, en «The Master Language»—*senhor*, en Int.-Scienca lingvo de Kovalev—*siera*, en Volapük—*söl*, en «La Langue Bleue»—*sir* (angl.), en Novilatin—*her* (germ.) kaj ĉe Brandt—*don*.—En Esperanto—*fraŭlino*, en Ido—*damzelo*, ĉe Kovalev—*dmozela*.—En Esper.—*Dio*, en Ido—*Deo*, en Adelfia lingvo—*Teo*, en Weltsprache de Eichhorn *Adonai*.—Fine, ni volas diri kelke de vortoj pri la ofte polemikata «*ĉevalo*». Ĉar Ido, kiel ni vidis pli supre, penas ordinare konservi la francan ortografion, oni povus atendi, ke estos elektita *chevalo* pro la franca *cheval*. Tamen Ido preferis imiti Idiom Neutral kaj elektis «kavalo» pro la internaciaj, vere internaciaj, vortoj *kavaliero*, *kavalerio*, sed ĝuste pro «kavalo» Ido kripligis «kavalerio»n kaj uzas «*kavalrio*», ĉar kaval-eri-o en Ido nun signifas ĉevalejon, kaj ni tre miras, ke konsekvence Ido ne ŝanĝis kavalieron, ĉar kavaliero ne estas kaval-ier-o. Do, Esperanto pli racie konservis la vere internacian «kavalerio»n kaj kavaliron,

elektinte «ĉevalon». Alia demando: kial, ekz., Ido, simile al «kavalo» ne preferis *kameron* anstataŭ chambro (=ĉambro). La analogio estas ja plena inter ĉevalo—kavalo kaj ĉambro—kamero. Cetere, ni devas noti, ke la radiko kaval ne estas konsiderata kiel «maksimume internacia»: Novilatin uzas ne kaval sed *vred* (=germ. Pferd), kaj en «Apolema» de s-ro Raoul de la Grasserie ni trovas la grekan «*hippo*», ne malpli internacian pro «hipodromo», «hipopotamo», k. t. p.

Ni vidas, rezultate, ke por *unu* ideo ekzistas *kelke* da internaciaj radikoj, kaj, nature, ne estas eble elekti matematike la *plej* internacian radikon, ĉar, unue, la lingvo devas ja prezenti ion tutecan, unuecan, ion harmonian, kaj ĉar, due, la matematiko ne estas severe aplikebla en lingvistiko, scienco ne-preciza.

Ido procedis meĥanike: el kelke da vortoj por iu ideo ĝi elektis la radikon, ekzistantan en la patrolingvo ĉe la plej granda nombro de homoj. Tiaokaze, laŭ Rosenberger (V. «Progress», № 17, eld. en Peterburgo), oni devus simple akcepti la radikaron de la lingvo *ĥina*, kiun parolas 400.000.000 kaj kies gramatiko estas tre simpla. Se ni principe esceptas ĉiun lingvon azian, ni devus akcepti la tutan radikaron de la lingvo *angla*—konforme al la formulo de prof. Jespersen,—la formulo, oficiale proklamita de Ido: «la plej bona lingvo internacia estas la plej facila por la plej granda nombro de homoj». Nu, ĉar la lingvon anglan parolas la plej granda nombro de homoj kaj ĉar por la angloj certe la angla radikaro estas la plej facila, do, logike, Ido devus simple «prunti» la anglan vortaron. Se ni esceptos ankaŭ la naturajn lingvojn, tiam ni devos elekti Esperanton, ĉar ĝi estas pli simpla kaj pli facila ol Ido por la plej granda nombro de homoj,—kondiĉe, ke oni povas ĝenerale kunmezuri la facilecon kaj la nombrecon. Ni imagu, ke en kolonio loĝas 60 francoj kaj 40 rusoj. Ni supozu, ke franco povas ellerni Esperanton dum 20 tagoj kaj Idon dum 10 tagoj; aliparte, ruso povas ellerni Esperanton dum 50 tagoj kaj

Idon dum 150 tagoj. Laŭ Jespersen, la kolonio devas nepre elekti Idon, ĉar por la plimulto, t. e. por la francoj, ĝi estas duoble pli facila. Granda eraro! Kalkulante aritmetike ni trovas, ke se la tuta kolonio ellernos Idon, ĝi bezonos: la francoj 60 × 10=600 tagojn kaj la rusaj 40×150=6.000 tagojn, sume: 600+6.000=*6.600* tagojn. Se la tuta kolonio decidos ellerni Esperanton, ĝi bezonos: la francoj: 60 × 20=1200 tagojn kaj la rusoj 40 × 50= 2.000 tagojn, sume: 1.200+2.000=*3.200* tagojn. Do, elektinte Esperanton, la kolonio ŝparos: 6.600—3.200= 2.800 tagojn. Tiamaniere, ni facile pruvas, ke la formulo de Ido ne estas ĝusta.

Sed, krome, la Idista formulo ne taŭgas, ĉar, kiel atestas la oficiala raporto de la Delegacio (pĝ. 11-a), Ido absolute ignoris la tre gravan «koeficienton de kulturo», t-e. la gradon de popola instruiteco, inteligenteco k .t. p. Grandega procento de rusa popolo ne scias legi sian patran lingvon kaj, sendube, longe ne povos legi la «duan» lingvon,—lingvon internacian; do, tiu procento ne devas influi la elekton de la radikoj. Same, estas necese konsideri,—kiel rimarkigis prave Borgius,—la nombron de komercistoj kaj turistoj en ĉiu lando, ĉar ili pleje bezonas kaj unuavice praktikos lingvon internacian.

Plue, kiel konfesis s-ro Couturat mem, estas grave, ke la elektita vorto estu uzata en la ĉiutaga vivo, sed tiu «koeficiento de la ĉiutaga vivo» same estas ignorita de Ido, kiu konsideras nur la ciferon de la loĝantaro,—ciferon kelkafoje «nerealan». Ekzemple, kiel montras D-ro Borgius, eks-prezidanto de Berlina Idista Societo, en la statistiko de Ido la lingvo greka estas «aneksita» al la romana grupo. Laŭ Ido, la rusan lingvon parolas nur 93 milionoj anstataŭ 109, la germanan 72 anst. 93. En sia libro D-ro Borgius citas pli ol 300 radikojn de Ido, elektitajn kontraŭ la principo de la maksimuma internacieco. Cetere la samon delonge rimarkis prof. Brandt, konstatinta en sia broŝuro pri lingvo internacia,

ke «la gradon de internacieco la Idistoj difinas neĝuste, kiam ili ekz. vorton speciale romanan preferas al vorto germana-angla».

---

Tamen, la Idistoj fiere parolas pri la perfekteco de sia vortaro kaj, por evidente pruvi ĝian superecon, ili en siaj libroj kaj propagandiloj tradicie presigas la faman komparan tabelon kun statistiko de radikoj en Esperanto kaj Ido. La tabelo montras, ke Esperanto havas nur 83% de radikoj, kompreneblaj por ĉiu franco, dum Ido havas—91%; por italo—Esperanto nur 76%, dum Ido—83%; por hispano—Esp.—71%, Ido—79%; por anglo—Esp.—71%, Ido—79%; por germano—Esp. nur 59%, Ido—61%, por ruso—Esp. 48%, Ido—52%.

*Se kredi* al la «statistiki di radiki di Ido» Esperanta vortaro estas malpli internacia. Sed, *ĉu kredi* al la statistiko, kiu penas pruvi, ke Ido, foriginte multe da radikoj germanaj kaj rusaj, tamen havas pli grandan % da vortoj germanaj kaj rusaj?—jen estas la demando. Ni decidis trakontroli la aferon kaj grandmire ni konstatis, ke Idistoj por sia «statistiko» uzis unuparte *por Ido* sian vortlibron, enhavantan la teknikan terminaron, esence internacian, kaj ĝenerale la tutan radikaron internacian, kaj aliparte *por Esperanto* ili uzis la Radikaron de Cart, t.-e. la «nigran» eldonon de verketo punktreliefe presita *por blinduloj*, — la eldonon, en kies antaŭparolo s-ro Cart avertas, ke «*principe oni forlasis la radikojn plene internaciajn* *), *kompreneblajn por ĉiuj, kaj ankaŭ la vortojn tro pure teknikajn*», t. e. ankaŭ pli-malpli internaciajn. Tiamaniere, por la kompara statistiko de internaciaj radikoj en Esperanto kaj Ido, por fiksi la procenton

---

*) Ĉar laŭ § 15 de nia Oficiala (Fundamenta) gramatiko «La tiel nomataj vortoj *fremdaj*, t.-e. tiuj, kiujn la plimulto de la lingvoj prenis el unu fonto, estas uzataj en la lingvo Esperanto sen ŝanĝo».

de la *internacieco*, estis uzita Esperanta vortaro por blinduloj,—vortaro, en kiu,—pro la ekonomio,—ĝuste mankas la pure *internaciaj* vortoj, kaj tia metodo estas konsiderata, kiel profesorinda, kiel «ciencoza» kaj «statistikala»! Ni demandas, ĉu s-ro Couturat agis honeste, bazinte sian statistikon sur Esperanta vortaro, *en kiu mankas eĉ la radiko «statistiko»* kaj multege da aliaj vortoj, kies internacieco estas tro evidenta, ekz.: recenzo, melankolio, aŭtomato, aŭtoritato, akrobato, amazono, anarĥio, anatemo, anonimo, aristokrato, demokrato, arsenalo, asocio, ateismo, bazo, baleto, balkono, balado, balo, balzamo, banala, bandito, bankiero, bariero, bacilo, bombo, breĉo, garnizono, gastronomo, heroldo, gimnazio, dekoracio, deficito, diletanto, distanco, ĝendarmo, indiferenta, inerta, inspektoro, instinkto, kandidato, kapitalo, karikaturo, kariero, kasto, kiosko, kompoto, konuso, kredito, kulturo, lombardo, mandareno, menuo, mikrobo, orbito, orgio, originala, pasiva, patrioto, piramido, piano, pozo, pozicio, politekniko, poemo, prokuroro, rektoro, rezolucio, rekordo, rolo, sabro, sekto, sistemo, sifiliso, sofismo, stipendio, sufikso, sfero, fiasko, fonetiko, fonografo, fotografi, krestomatio, ŝoseo, ekonomio, jubileo, juristo, binoklo, karcero, kvarteto, kategorio, baritono, vodevilo, sintakso, docento, brigado, aforismo, bakterio, barbaro k. t. p., k. t. p. Eĉ en la poŝa vortareto de P. Stojan, broŝureto, kies prezo estas nur 15 kop., ni trovis *273* radikojn, komunajn kun la lingvo rusa, tamen ili ne troviĝas en la radikaro de Cart kaj sekve ne partoprenis en la «statistiko» por la rusa lingvo. Se ni aldonos al radikaro de Cart 273 radikojn de Stojan'a vortareto, ni ricevos por la rusa lingvo en Esperanto ne 48%, sed 56%. Se nun ni mem esploros la Idistan vortaron kaj, por ekzemplo, ekzamenos la *B*-radikojn, ni trovos *61%* da internacia-rusaj vortoj, dum en la Esp. Radikaro de Cart por la sama litero *B* ni trovos nur *49%*. Ni prenu fine la vortaron de Zamenhof kaj tie por la sama litero *B* ni trovos *79%*

da radikoj, kompreneblaj por la ruso *). Plue, komparante la vortaron de Zamenhof (eldono de la jaro *1909*) kun Idista vortaro de Kofman (eldono de la j. *1910*), ni trovos en la unua vortaro por unu sola litero *B* ne malpli ol 30 int.-rus. radikojn, kiuj mankas en la Idista vortaro, ekz. bakhanalio, banala, bankiero, banto, bardo, bareliefo, bariero, beletristiko, bibliografio, buduaro k. t. p. Krom tio, en la enciklopedia vortareto de Verax por la sama litero *B* ni trovas proksimume 30 radikojn, kies foreston ni konstatas en la Ida vortlibro, nome: bakteriologio, bemolo, blokhaŭso, bubono, bumerango k. t. p. Ĉar la cititaj radikoj ne estas speciale rusaj, sed internaciaj, sekve devas samgrade esti plialtigita la % da vortoj germanaj, anglaj k. a. en Esperanto. Male, la % da francaj radikoj en Esperanto estas malpli granda, ĉar ĝi ne enhavas la amason da francaj sinonimoj kaj pro tio la % de la ceteraj lingvoj devas pli kreski. Jenamaniere, fiksinte la % de internacieco ne nur por unu litero *B*, sed por la tuta Esperanta vortaro, estas facile pruvi, ke s-ro Couturat eraras kaj ke nia Esperanta vortaro estas pli internacia, ol la Ida,—spite la Idista statistiko.

La lasta, t. e. la statistiko, estas suspektinda ankaŭ alimotive: pli supre ni jam notis, ke Ido arbitre altrudis al la lingvo franca: la radikon *ucelo* (=Esp. birdo), al la lingvo germana: «*skrubo*» (germ. «Schraube», Esp. ŝraŭbo), *hemo* (Heimat, Esp. hejmo), *milio* (germ. Meile, Esp. mejlo), *kusto* (germ. Kosten, Esp. kosto), al la lingvo rusa: *volunte* (rus. volonter, Esp. volonte), *bendo* (banderolo), *buso* (bukso), *azuro* (lazuro), *koro* (ĥoro), *moskeo* (ruse meĉetj), *bufalo* (ruse bujvol), *boyo* (ruse buj, Esp. buo), *quartero* (kvartalo), *berloko* (rus. brelok). Ido vane

*) Cetere, se iu vorto, ekz. «burokrato», ne troviĝas en Zamenhofa vortaro, tio ne pruvas, ke Esperanto ne havas la diritan vorton, ĉar konforme al la § 15 de nia gramatiko ĝi estas uzebla kaj estas uzata. Do, ĝenerale la % de l'internacieco ne estas precize kalkulebla per nia vortaro.

kredigas, ke al la lingvoj franca kaj germana apartenas *karelo* (fr. carreau, germ. Karo, Kachel, en Esp. karoo kaj kahelo). Ido kredigas, ke el la lingvoj rusa, germana kaj franca estas pruntita «*esmalto*» (=Esp. emajlo), kvankam ruse—emal, france—émail, kaj germane—Email. En Idista vortaro vi trovos, ke ekz. *anuncar* (=Esp. anonci) *D. E. F. I. S.*, kvankam en D., t. e. en la lingvo germana—Annonce, en la franca ankaŭ annonce. Same pri *rineganto* (=Esp. renegato), kiu estas markita per *F. I. R. S.*, kvankam en F. t. e. en la franca—renégat, en R., t. e. en la rusa,—renegat, en S., t. e. en la hispana,—renegado, kaj nur en I, t. e. en la itala —rinegato. Plue, la Idista vortaro certigas, ke en la lingvoj germana, angla, franca, rusa kaj hispana oni uzas la radikon *cen*, sed ni ja scias bone, ke la suprecititaj lingvoj, kiel Esperanto, havas la radikon *scen*. Ne malpli bone ni scias, ke en la lingvo franca oni uzas ne *cienco*, sed science (= Esp. scienco), ke en la lingvoj franca, angla, germana, rusa, k. a. estas uzata ne idistaj radikoj *selv*, *skult*, *grab*, sed *salv*, *skulpt* (=Esp. skulpti), *gravur* (=Esp. gravuri) *). Jen estas la metodo, aplikita de Ido por la statistiko de radikoj,—statistiko ne konfidinda. La demando estas nun klara. Do, ni povas daŭrigi la sekcadon de Idista vortaro,—ni diris intence «sekcadon», ĉar Ido ne estas lingvo vivanta, floranta.

---

Vane oni penus trovi ian sistemecon en la reformoj de Ido. rilate al la leksikono. Ekz. Ido forigis *sed*, ĉar ĝi estas nur latina, kaj enkondukis *ma* (franca *mais* estas legata *me*), tamen samtempe Ido forpelis la francan *ĉar* (car) por enkonduki la «nur» latinan «*nam*», kaj, krome, enkondukis la latinan *olim* (=iatempe), sed ne la francan jadise

*) En la lingvo rusa la idista «grabar» pli similas al grabitj=rabi, sed ne al gravurovatj. Buso pli similas al busi= vitroperloj, ol al buksa (=en Esp. bukso). Berloko pli similas al berloga = ursnesto. Quartero pli similas al kvartira=loĝejo, ol al kvartal (=en Esp. kvartalo)

(jadis). Estas dubeble, ĉu la forigita *sed* estas pli malbona ol la «nur» latina «*tamen*», kiun Ido konservis kaj ne reformis. Eble, oni diros, ke *nam* estas pli belsona ol *ĉar*, ke la sono *ĉ* estas malagrabla ĝenerale, sed pro kio Ido indulgis che (=ĉe, fr. chez) kaj pro kio Ido en multaj radikoj enkondukis ĉ anstataŭ ŝ? Alian ekzemplon de l'arbitro, reganta la Idistan reformaron, prezentas marcho kaj marsho: nome, anstataŭ internacia marŝo Ido uzas: marcho (legu: marĉo) kaj anst. marĉo:—marsho (legu: marŝo). Anst. atento—atenco kaj anst. Esp. atenco—atento. Tiu spitemo karakterizas la tutan reformaron de Ido kaj ni petas la afablan permeson de la legantoj kune trafolii la Idistan vortaron.

Jen ni rimarkas, ekz., ke anstataŭ kompreso Ido uzas *kumpreso* D. E. F. I. R. S *)., kvankam en kiu ajn lingvo (germana, angla, franca, itala, rusa, hispana, hungara, pola, bulgara, dana, nederlanda k. t. p.) estas uzata «kompreso».—Esperanto havas: sekvi kaj persekuti, en Ido—*sequar* kaj *persequar*, kaj la lasta radiko supozigas erare pri per-sequar.—Anst. radiko pacienc' Ido uzas *pacient'* kaj tial perdas la internacian medicinan terminon paciento; cetere, pacienco pli ol pacienteso similas al angla-franca patience, al la itala pazienza (legu: pacienca) kaj al la hispana paciencia)—Anst. pulo—*pulco* kaj anst. cimo s-ro Janotta nun proponas klopo («Progr.» 1912, pĝ. 664).—Anst. ŝranko—*armoro* kaj nun iu proponis—skafo.—Anst. tuta (fr. tout, itale—tutto) Ido enkondukis tota=malviva en la lingvo germana, anst. naŭ—*non*= france «ne», anst. eĥo—eko=angulo germane. Anst. aŭ (lat. aut) Ido uzas *o*, kiu estas internacia interjekcio laŭ prof. Brandt («Progr.» 1909, pĝ. 268).—Ido havas «demokratio»n, sed, anst. «diplomatio» enkondukis *diplomaco'n* (!!).—Anst. piedo—*pedo* (komp. fr. pied, ital. piede, hisp. pie, rus. piedestal). Anst. tago—*dio* kaj *jorno*, kaj pri la unua prof. Brandt skribis en «Progre-

*) Kompresar en Ido=kunpremi.

so» (1909, pĝ. 265): «Tago estas oportuna kaj klara, dio— tre maloportuna». Same pri *semblar* anst. ŝajni prof. Brandt skribis en Pr. 1909, pĝ. 264: «Mi riproĉas nenion al tiu radiko; mi ne vidas bezonon ŝanĝi». Plue, Ido enkondukis *expektar* (=atendi), kiu «estas rekta embaraso por la 120 milionoj, kiuj parolas la anglan lingvon» («Progreso», 1909, pĝ. 214) .Anst. *tuj* Ido enŝovis la malbelan *quik* sub la preteksto, ke ĝi estas angla vorto. Sed, en la realeco la lingvo angla havas ne quik, sed quite, kiu signifas ne «tuj» sed «tute» kaj verŝajne estas parenca al «kviti». Pro tio Idista «Akademiano» s-ro B. Mackensen konfesis en «Progreso» (1911, pĝ. 229) ke quik «ŝajnas kelkete ridinda al anglolingvanoj». Same prof. Jespersen «revelaciis»: «Quik ŝajnas nebona al mi» («Progr.», 1910, pĝ. 408), kaj nun oni proponas *strax*!—Anst. nia greka *kaj*, en Ido ni trovas *ed* (samtempe sufikso), kiun Couturat nomas «franca» kaj «itala», kvankam france *kaj*= *et* kaj itale—*e*. Vane «Akademiano» Janko proponis reformi *ed* per *et* (latina kaj franca): s-ro Couturat ambicie respondis, ke ed estas «tre naturala» kaj pli «enfonioza» (t. e. pli belsona).

---

Se nun ni trarigardos la kritikon, direktatan de Ido kontraŭ Esperanta vortaro, se ni turnos nin al Idistaj broŝuretoj, ni vidos, ke oni plej volonte, kritikas «elrigardi» kaj «kulpigi» (paralele Esperanto uzas aspekti kaj akuzi). Pri la lasta verbo, t. e. pri kulpigi, prof. Brandt ĝuste diris en «Progreso»: «kulpigi (=germ. beschuldigen, fr. inculper, ruse obvinjat) ŝajnas al mi sufiĉe klara». Sed, la redaktoro de «Progreso», s-ro Couturat, kiu bigote parolas pri sia respekto al profesoroj-lingvistoj, ne tro bontone respondis: «Ni montris, ke *kulpigi* entenas *trioblan absurdecon*». («Progr.» 1909, pĝ. 262).—Kun plezuro Idistoj mokas nian «*treege*», forgesante, ke en ilia kompleta gramatiko de Beaufront, subskribita de Couturat kaj Leau, estas uzata kaj rekomendata *treege*, kiel modelo por la uzo de sufikso eg en Ido (§ 154). Simile,

Idistoj mokas *antaŭtuko'n* *) kaj *centjaro'n*, kvankam la unua vorto troviĝas en la Idistaj vortlibroj (ekz. en «Deutsch-internationales Wörterbuch von Beaufront, Couturat und Thomann, pĝ. 271-a) kaj la duan uzas s-ro Beaufront mem en sia gazeto (ekz. en № 1, pĝ. 2, jaro 1910) Foliante la Idistan kritikon kontraŭ Esperanto, ni vidas kiom akre, kiom sprite estas ŝtonmortigataj: pinĉi («Progr.» 1908, pĝ. 74), amboso, barakti, klopodi, rigli, tuko («Progr.» 1908, pĝ. 126 kaj en «Conclusion» de Couturat et Leau), kaj tamen ĉiuj cititaj kaj nun insultataj radikoj eniris en la Idistan leksikonon (ili estas troveblaj eĉ en la vortlibro de Kofman, eld. en 1910). Kritikante Esperanton, Couturat skribis ankaŭ, ke ventilatoro estas preferinda ol ventolilo. Nu, Ido havas «ventililon», ne ventilatoron, kaj certe tial la atmosfero de Idista «kritikejo» estas ne sufiĉe ventolata, alie, ni ne legus en Idistaj broŝuroj, ke gurdo (angle «hurdy-gurdy») kaj pilko (pole «pilka») estas «pure artefaritaj» («purement artificielles»), alie prof. Lorenz ne rakontus en la gazeto de Beaufront (1908, № 10, pĝ. 220), ke ne estas tradukebla Esperanten la frazo «ceci est, peut être, possible», kies laŭvorta traduko ja estas: «tio ĉi estas, povas esti, ebla», aŭ pli mallonge «tio ĉi povas esti ebla».

Ni devas rimarkigi, ke la arsenalo de Ido posedas alian, plej ofte tintigatan armilon, kiu estas facile turnebla kontraŭ Ido mem:—ni parolas pri la riproĉo, ke Esperanto mallongigas kaj kripligas la radikojn, havas strangajn vortojn k. t. p. Multe da bruo faras Ido okaze de nia radiko «*parkere*» (memore), ĉar en la lingvo franca oni diras *par coeur* («per koro»), sed kial do Ido mem uzas *apene* (Esp. apenaŭ), ignorante la francan *à peine* (=«kun peno»); kial *quodlibeto* (lat. quod libet =kion vi deziras); kial *popurito* (fr. pot pourri)? Kial Idistoj mem nun proponas: *eske* (=fr. est—ce que)?

---

*) Nur la 17-an de Decembro en la jaro 1911 la «Akademio» decidis enkonduki «avantalon» (=antaŭtuko).

Ido jam havas ŝablonon: moki Esperantan «nepre». Ĝi ja estas mallongigo de «nepremenno»— oni indignas, forgesante, ke «nepre» ludas la rolon de *prefikso* ĉe multe da rusaj radikoj ekz. *nepre*stanno, *nepre*loĵno, *nepre*klonno, *nepre*odolimo k. t. p., do Zamenhof rajtis uzi *nepre*, des pli ĉar en la naturaj lingvoj sammaniere oni diras aŭtobuso anstataŭ aŭtoomnibuso, aŭto anst. aŭtomobilo, kinemo, aero, foto anst. kinematografo, aeroplano, fotografilo k. s. Same en la lingvo artefarita de Dil oksigeno=oko kaj prof. Ostwald mem proponas uzi oxo anst. oxigeno. Se ni pli atente esplorus la leksikonon de Ido, ni konkludus, ke Idistoj ne havas la rajton enkrimigi al Esperanto la mallongigon de kelkaj vortoj, ĉar ili mem uzas *o* anst. la germana *oder* (tion atestis Beaufront en sia gazeto № 8, pĝ. 176, 1908); *do* anst. *donc kaj doch*; *ja, lore* anst. la modernaj *déjà*, *alors*, *irga* anst. *irgendein*, kaj ni rajtas dubi, ĉu la lasta formo estas pli bona ol nia «nepre», kiun Ido neĝuste tradukas per «tute» kaj «absolute».

Plue, al Idistoj tre ne plaĉas Esperanta *faruno* pro la franca *farine*, sed aliparte al ni ne plaĉas *selvo* de Ido kaj ni preferas *salvon* de Esperanto (v. la Esp. rus. vortaron de Zamenhof, 1909), ĉar salv estas radiko internacia de la lingvoj angla, franca, itala, germana, dum selv en la lingvoj itala kaj hispana signifas ne pafaron, sed arbaron *). Krome, al ni ne plaĉas tran, vars, kust, komon, kumpres anst. tren (fr. traîner), verŝ (verser), kost (kosten), komun (commune) kaj ni miras, ke Ido havas kin, kam, ke, kande anst. quin, quam, que, quande...

— Bone, bone!—interrompas nin la Idistoj, sed kial Esperanto uzas *forgesi*, kial ne *fergesi* konforme al la germana «vergessen»? Pro la angla *forget*—ni respondu kaj demandu ilin, ĉu efektive ili opinias, ke «sceno» ne taŭgas kaj ke pli bona estas la Idista radiko «ceno», kiu,

*) «Neniu nacia formo defendebligas selvo'n» (Jönsson, «Progreso», 1912, № 54).

laŭ opinio de konata Moore («Progreso» 1912, № 47, pĝ. 65) prezentas «veran enigmon por la novuloj kaj kriplaĵon por la adeptoj; mi vetus,—daŭrigas s-ro Moore,—ke neniu persono aŭ preskaŭ neniu rekonus ĝin je unua vido». Ni demandu, ĉu sincere ili kredas, ke «*anmo*» de Ido estas pli «perfekta» ol «animo» de Esperanto kaj ni memorigu al ili la opinion de s-ro H. Croxford: «Anmo estas bedaŭrinda difektaĵo» («Progr.» 1909, pĝ. 213). «Anmo estas malbela kaj malfacile prononcebla»—samopinias D-ro Borgius («Progr.» 1909, pĝ. 213). «Hipokrituloj—ni diru al la Idistoj—elĵetu unue la trabon el via okulo, kaj tiam vi klare vidos por elĵeti la lignereton el la okulo de via frato» (Evangelio laŭ Sankta Mateo, ĉap. VII—5).

---

Alian sagon kontraŭ Esperanto prezentas la riproĉo, ke Zamenhofa lingvo estas *tro rusema*, kaj tial s-ro Th. Fuchs, profesoro de Viena Universitato prave rimarkigas en sia broŝuro «Esperanto und Ido», ke la lastan karakterizas «antaŭ ĉio profunda antipatio kontraŭ ĉio slava». Ekz. s-ro Jespersen skribas en unu sia broŝuro, ke kelke da apartaĵoj de Ido estas klarigeblaj per la slava patrolingvo de la aŭtoro: la alfabeto, la ortografio, la uzado de adverbo anst. adjektivo («estas neces*e* vidi»), uzado de adjektivo anst. genetivo («Zamenhof*a* lingvo»), ek, ad. Rusaj estas «*elparoli*» kaj «*senkulpigi*» (s-ro Jespersen, ŝajne, forgesas, ke en la lingvo germana oni same diras «aussprechen», «entschuldigen»). «*Mi estas aminta*» similas la polan «*kochal-em*» (S-ro Jespersen evidente forgesis, ke Ido mem havas la formon «*Me esas aminta*»). Same s-ro Couturat atencas senkronigi la aŭtoron de Esperanto kaj pruvi, ke li ne meritas dankon por sia regulo, ke la akcento konstante trafu la duan'silabon: «Se Zamenhof adoptis tian regulon por Esperanto,—siblas «Progreso»,—tio ne venas de kiu ajn profunda intenco aŭ mistera saĝeco; li simple imitis la akcenton de sia lingvo, la pola». Se Esperanto ne havas *x*, la kaŭzo estas, ke ĝi

mankas en la rusa alfabeto («Progr.» 1910, pĝ. 713). Pri *ĉj* kaj *nj* Couturat ekkrias en «La Langue Aux.» (1910, № 4, pĝ. 51): «C'est la mode en Russie!» («Ĝi estas la modo en Ruslando!» *)).—Kritikante skiz' kaj proponante skis' (la «Akademio» jam akceptis skis') prof. Jespersen science argumentas, ke skiz' estas trovata en *neniu* lingvo kaj li ignoras la fakton, ke la rusa lingvo, kiun interalie citas la Idistaj vortaroj por pravigi la vorton skiz, ĝuste havas ne s, sed z en «eskiz» **). Simile, kiam oni montris al Couturat, ke infinitiva finiĝo -i estas ofte renkontata en la lingvo *rusa* kaj ĉiam en la hungara lingvo, li fiere respondis en Idista gazeto, ke tiaokaze oni devas ankaŭ konsideri la lingvojn *ĥinan*, *malajan* k. a. Ĝenerale, por kondamni ian Esperantan formon sufiĉas nur diri, ke ĝi estas uzata *rusamaniere*, ke ĝi prezentas rusismon.

---

Cetere la justeco postulas noti, ke Ido pikas Esperanton ankaŭ per «galicismoj». Ekz. A. Waltisbühl en sia kompleta gramatiko (pĝ. 8—9) defendas *itere* kaj *voluntar*, ĉar Esperanta *denove* estas «idiotismo-galicismo» kaj «*bonvoli*» ankaŭ prezentas galicismon. Efektive, oni uzas en la lingvo franca «*bienveillance*» (bonvolo) kaj «*de nouveau*» (denove) , sed la ambaŭ vortoj delonge jam internaciiĝis kaj estas uzataj en multaj lingvoj, ekz. *denove* ni trovas ne nur en la lingvo franca, sed, krome, en la lingvoj germana (*von neuem*), angla (*anew*), nederlanda (*op nieuw*), pola (*znowu*), rusa (*snova*) k. t. p. *Bonvoli* same estas uzata, krom la franca, en la lingvoj ger-

---

*) *Al atento de S-ro Couturat.* En Ruslando ni ne havas la modon uzi *advere* (=«alvere»), kiun akceptis la «Akademio» de Ido, kaj ni preferas uzi laŭvere aŭ simple vere. Ankaŭ ni ne havas la modon uzi «tipskribilo»n anst. skribmaŝino.

**) Same s-ro Jespersen ignoras, ke *s* intervokala estas legata, kiel z en la lingvoj germana, angla, franca, hispana kaj tial, anst. «*skiso*», oni legos «*skizo*».

mana (*wohlwollen*), angla (*goodwill*), nederlanda (*welwillend*), itala (*benevolenza*), rusa (*blagovolitj*) k. t. p. Plej akre Ido kritikas Esper. vorton «beletristiko», kiu,— indignas «Progreso» (1908, pĝ. 513)—estas «*abomeninda germana kaj rusa galicismo*». Nu, se galicismo estas inokulita en la lingvoj germana kaj rusa (ankaŭ en pola, bulgara k. t. p.), estas ja memkompreneble, ke ĝi estas vere internacia kaj ke ni ne rajtas plu nomi ĝin idiotismo, des pli ne rajtas Ido, kiu mem estas plena de nedubeblaj galicismoj-sinonimoj. Eĉ en la aprobita de Couturat kaj Leau oficiala kompleta gramatiko de Beaufront, kiu atentigas, ke «*multe da* homoj» estas galicismo» (kial ne rusismo?), en tiu kompleta gramatiko ni renkontas jenajn frazojn-modelojn de Idista stilo: «nun me iras che mea kuzi» («maintenant je vais chez mes cousins») en la § 58, pĝ. 31. «Vu facas ad il troa honoro per diskutar il» (preciza traduko: vi faras al li troa honoro per diskuti li (?); «il esas malsana (*nun* malada) pro tro laborir»; «mea respondo konsistos en montrar ke...»; «la alkoholismo konsistas ne en la ebriigar su, sed (*nun* ma) en la drinkar kustume alkoholo», «glacyo (*nun* glacio) diferas de aquo *per ke ol* esas solida»; sa malforteso (*nun* febleso) venas *de ke il* esis recente malada» (pĝ. 39); la *malamiki* (*nun* enemiki) *fuginte*, *ni* transiris la ponto (§ 106, pĝ. 48). La cititaj ekzemploj tre elokvente pruvas, ke ne Esperanto, sed Ido estas inklina al galicismoj.

---

Ni finas la ĉapitron pri la vortaro kaj, finante, ni povas konkludi, ke Esperanta leksikono estas pli perfekta ol tiu de Ido, ĉar la lasta, havante tro multe da afiksoj, plej ofte ne uzas ilin kaj preferas enkonduki multe da novaj vortoj, multe da francaj sinonimoj, idiotismoj k.t.p. Ofte Ido kripligas la radikojn kaj ĝenerale la Idista vortaro estas malpli internacia. Ni bone memoru la kompetentan opinion de vic-prezidanto de la Delegacia Komitato, prof. Baudouin de Courtenay, kiu en broŝuro «Zur Kritik

der künstl. Welstspr.» *), eldonita unu jaron *post* la kunsidoj de la Delegacio, skribis, ke la vortaro de Esperanto estas «majstre (grossartig) verkita kaj devus esti modelo por ĉiuj aliaj vortaroj».

## XII. BELSONECO.

Nia malamikaro atakas nin per la argumento, ke Ido estas pli belsona ol Esperanto. *Pli belsona por kies orelo?*— tion Ido ne komunikas al ni kaj jeno konjektigas nin, ke Ido estas pli belsona por la orelo... idista. Estas ja superflue ripeti, ke lingvo internacia devas servi ne por unu-du popoloj, sed por la tuta mondo, kaj, konsekvence, lingvo internacia devas bele soni por *ĉies* orelo, ĉar se ĝi plezurigos aparte nur la aŭdsenton de kelkaj nacioj, per tio mem, ĝi des pli fremde sonos por la cetera naciaro. Kiamaniere do estas eble kontentigi la tutan homaron? La problemo estas solvebla en du manieroj: *unue*, oni povas restigi en lingvo internacia nur la komunan sonaron, foriginte ĉiun sonon fremdan aŭ malfacilan por kiu ajn nacio; *due*, oni povas pli-malpli kontentigi la tutan civilizitan mondon, enkondukinte en lingvon internacian diversnacian sonaron, en kiu certe ĉiu nacio povos trovi sian propran «hejman» sonon apud sono fremda, sed kara por alia kultura popolo. Esperanto elektis la lastan solvmanieron, ĉar la unua praktike ne taŭgas. Tion spertis la aŭtoro de Volapük, abato Schleyer, kiu forigis el sia alfabeto la literon *r*, ĉar ĝi estas malfacile elparolata de infanoj, maljunuloj kaj ĥinoj; anstataŭ *r* li uzis *l*, ne suspektante, ke la japanan nacion embarasas ĝuste *l*. Kun severa logikeco prof. Baudouin de Courtenay pruvas, ke alfabeto, konstruita sur la unua principo, devas havi nur o, u, i, p, t, k, s, m, n,—literaron ne sufiĉan por lingvo matura, kaj ni povas aldoni, ke Eichhorn en sia

*) Represaĵo el «Annalen der Naturphilosophie» de W. Ostwald.

Weltsprache forigis, krome, *p* kaj *t*, ĉar ilin ne povas elparoli la Polinezianoj. Simile, Ido forigis kc, kt, sc kaj ekz. uzas acio, santa (anst. sankta), kvankam ankaŭ santa ne estas elparolebla por la Estoj (tre kultura nacio de Balta Ruslando), ĉar ili, laŭ Baudouin de Courtenay, ne povas prononci *st* kaj eĉ *kl*.

Ni jam vidis, ke Ido anstataŭ internacia *sceno* uzas *ceno*, tamen anstataŭ *obscena* Ido uzas ne *obcena*, sed *obsena*, kiu, laŭ opinio de Moore, estas escepto kaj same Jöhnsson opinias, ke «obsena estas memorŝarĝo kaj escepto por ĉiuj («Progr.», № 50, pĝ. 99).Anstataŭ *scienco* Ido enkondukis *cienco*, sed—simile al obsena—en angla Idista organo «The Int. Lang.» oni komencis presigi «sienso», «prinsipo» k. t. p. Okaze de tio, «Progreso» (1911, pĝ. 657) protestis jene: «Angloj ne povas prononci la literon *c*, sed morgaŭ aliaj argumentos, ke alia popolo ne povas prononci alian literon kaj arogos al si la juron reformi nian ortografion». Sed,—jen interesa demando!—kial do Ido mem «arogis al si la juron» reformi *nian Esperantan* ortografion, kiu ekz. permesis uzi felica, fianco, sorcar, sucar *), anstataŭ feliĉa, fianĉo, sorĉi, suĉi? Ido opinias, ke ĉ sonas nemuzike, tamen ekz. italo Meazzini kredas ke ĉ estas ĉarma sono, kaj certe ĉiu italo kaj, espereble, ĉiu ruso kaj polo preferos dolĉa kaj violonĉelo al dolca kaj violoncelo. Cetere, ni ne eraru kaj ne supozu, ke Ido absolute forigis *ĉ*, *ŝ*, *aŭ*. Ho, tute ne! Ni mem trovis en la Idista vortaro 116 radikojn kun sono ĉ (ch), 81—kun ŝ (sh) kaj 79—kun aŭ, eŭ. Ni povas citi multe da vortoj, havantaj, *ĉ, aŭ*, en Ido, kvankam ili *ne* havas ĝin en Esperanto: ekz. en Ido oni *elparolas*: ĉanco, ĉankro, ĉanĵar, ĉera (altpreza), ĉipa (malkara), fleĉo (sago), struĉo (struto), tenĉo (tinko,) hanĉo (kokso), avalanĉo (lavango), pistaĉo (pistako), kaŝaloto (makrocefalo), kaŭdo (vosto), kaŭlo (brasiko) k. t. p.—Plue, en Ido oni uzas traito, pruino,

*) Ni devas korekti, ke antaŭ nelonge la «Akademio» decidis forigi sucar kaj uzi sugar kontraŭ la franca sucer, angla sucke, itala succiare.

veino, boikoto, kvankam, niaopinie, pli bele sonas trajto, prujno, vejno, bojkoto. Kaj nur pri unu punkto ni konsentas kun Ido, nome, ke *apene*, *hiere* estas pli belsonaj *por nia orelo*, sed ni tute ne volas kaj ne rajtas postuli egoiste la reformon, ĉar kiam ekz. ni demandis la opinion de germana esperantisto, li diris: «kompreneble, apenaŭ, hieraŭ estas pli belaj», kaj efektive la germanoj elektas tiun «belan» sonon *aŭ* eĉ por siaj urbonomoj, ekz. Dessau, Stanislau, Schönau, Wischau, Aarau, Breslau, Hanau, Reichenau, Zittau, Zwickau, Krakau (Krakow) kaj eĉ en Ruslando la germanoj ne diras rusmaniere Moskva, Libava, Mitava, sed nepre Moskau, Libau, Mitau. Tio ja estas natura por germano, sed kial franco s-ro Couturat en ĉiu n-ro de «Progreso» presigas «*Libau*» «*Mitau*»—ni tute ne komprenas. Estus pli racie, se anstataŭ Libau, Mitau li presigus Libavo, Mitavo, kaj anst. apene, hiere — apenaŭ, hieraŭ por sen grava motivo ne rompi la unuecon de nia lingvo.

Interalie, prof. Baudouin de Courtenay aprobas ŝ, ĵ, ĉ, ĝ kaj li rakontas en sia libro «Zur Kritik»..., ke alveninte Parizon,—pro la kunsidoj de la Delegacia Komitato,— li vizitis elementan kurson de Esperanto por la komencantoj kaj li konstatis, ke francoj jam dum la dua horo de la unua leciono tute ĝuste elparolis aŭ, eŭ, oj, aj, ej, uj, ajn, ojn, ujn «sen kiu ajn malfacileco, tute klare kaj precize», des pli, ke la francoj havas mem en sia lingvo la vortojn: canaille, patrouille, caille, éveil, citrouille. S-ro Beaufront mem en la jaro 1907 deklaris en sia «L'Espérantiste», № 7, pĝ. 147, ke por la francoj ne estas malfacile prononci «kiuj». Kompreneble, Idistoj ne elparolas «oj», «aj», sed intence legas false *ojj*! *ajj*! kaj tiamaniere ili nur malbele, abomene prononcas la belan sonon: oj, aj, kiu en Esperanto neniam havas la akcenton, sed kiun Idistoj nepre akcentas (belaj floroj anst. bélaj flóroj). «La vokalaj finiĝoj aj, oj, uj, kiuj rememorigas la belsonan grekan lingvon, estas neesprimeble agrablaj al mi»—diris pri Esperanto fama

Mayor, okupinta en la daŭro de 50 jaroj profesoran katedron en Kembriĝa Universitato. Interesa fakto: komparante du tekstojn, germanan kaj Esperantan, s-ro Evstifejef trovis en la unua *63 aj*, *oj*, *aŭ* kaj en Esperanta nur *43*. La germana esperantistaro konfesas mem, ke «en la lingvo germana troviĝas multe pli da diftongoj kaj siblosonoj ol en Esperanto» («Esperanto und seine Feinde». Berlin. 1909). Fine, s-roj Couturat kaj Leau en sia «Histoire...» (pĝ. 343-a) skribis, ke «prononco de Esperanto estas *facila*, *fluanta kaj harmonia*». En ĉiu okazo Esperanto ne havas *qu*, *gu*, *w* de Ido, kaj tial s-roj Couturat & Leau povis konstati, ke Esperantistoj diverslandaj prononcas Esperanton egale kun diferenco sensignifa. («Histoire», pĝ. 560). Sed kompreneble la samo ne estos direbla pri Ido, kies sonaro kaj precipe la akcentregularo, kiel ni vidis, estas tre komplikita.

La belsoneco estas ĝenerale ideo tre subjektiva kaj se vi tamen kredas, ke objektive Ido estas pli belsona ol Esperanto, vi devas postuli, ke la Idistoj pli profundigu la reformon en tiu direkto, ke ili pli belsonigu sian lingvon. Kune kun Zygmunt Romanski ni postulu, ke Ido uzu *sanjar* (anst. chanjar), *riprozo* (anst. riprocho), *ezamenar* (an. examenar), *siento* (an. cienco), *sufise* (an. sufice); ni postulu, ke Ido forigu la sufikson *uy*, kiu estas «*vomige malbela*» laŭ «Progreso» (1912, pĝ. 665) k. t. p., k. t. p. Foliante la Id. librojn, estas facile trovi multe da nebelsonaĵoj kaj se vi estas idisto vi *devas* konsenti, ke Esperantaj vortoj monedo, kokso, struto, budo, vosto pli bele sonas ol iliaj ekvivalentoj en Ido: chuvo, hancho, strucho, echopo, kaudo. Sendube «*estas*» prezentas pli belan formon ol «*esas*» kaj eĉ en unu el la Idistaj organoj «The Int. Lang.» (1911, № 5) estis presite, ke «pro la du fajfantaj sonoj *s*, la vortoj *esas*, *esis*, *esus*, *esez*, *aerizesas*, *expresesis* ne estas belaj». Ni povas aldoni: *exkuzez*, *gloriizesez*, *kontentesez*, *rekonstitucesez*, *prenotizesez (Int. Pioniro*,№ *1)*, *erorozeso (Ib.)*, *desavantajizata* (Guesnet, membro de Id. Direkt. K-to, «Progreso»,

№ 56, pĝ. 27), *limitizesez* (L. Beaufront, L'E. 1909, № 10, pĝ. 217), *malbendikesez* («L. Aux.» 1911, № 2, pĝ. 18), *desespereskis* («Idealisto» 1912, № 9, pĝ. 251), *malfacilajoza* («L. Aux.», 1910, № 6, pĝ. 95), *privilejizenda* («Progreso», 1911, pĝ. 251), *sofismalaji* («Progr.», 1910, pĝ. 26), *iniciiti* («Progr.», 1909, pĝ. 38), *sequus*, *sauryi*, *jenjivo*, *jujubyero*, *ilulu*, *olulu*, *elulu* k. t. .p., k. t. p.

Se vi estas persono senpartia—sendepende al sia nacia aparteneco,—vi devos, ekzamenante la citotajn vortojn, preferi la formojn de Esperanto (en la parentezoj): venenagar (veneni), vergagar (vergi), martelagar (marteli), gargarar (gargari), starar (stari), aparar *) (aperi), rekonocar (rekoni), bazizita (bazita), desfavoroza (malfavora), lexikifisto (leksikonisto), verkifisto (verkisto), peresigiva (pereiga), desobediigiva (malobeema), ftiziiko (ftizulo), libelulo (libelo), filiino (filino), hanyunino (kokidino), kafeuyo (kafujo), koquerio (kuirejo), qualyo (koturno),quik (tuj), regulale (regule), lituaniana (litova), antiquai (antikvaj), Aprilala (Aprila), humuralajo (humoraĵo) k. t. p. En «Progreso» (1909, pĝ. 68) ni renkontis «*internacionlinguala*», en «Idano» (1911, № 7, pĝ. 103) «*naturalciencala*», kaj certe oni ja konsentos, ke «internacilingva» kaj «naturscienca» estas pli belsonaj **). Same, oni konsentos, ke por la vidsento pli agrabla estas nia «antikviĝinta», ol «antiquijinta» («Progr.», № 54, pĝ. 34) kaj sendube la okulon tedas: sajijis (kvar puntoj sur *i*!), stranjijis, franjijis, sponjijis, glaciijis, ebriijis. Pli bele aspektas: saĝiĝis, strangiĝis k. t. p. Verŝajne al Idistoj tre plaĉas: partii, materii, bestii, vicii, ferii, simii, restorerii!

— Vi citu ne apartan vorton, sed la frazojn,—eble

---

*) La formoj -arar por la rusa orelo estas precipe malbelaj el la buŝo de franco, germano kaj ĝenerale ĉiu persono, prononcanta *kartave* la sonon *r*.

**) En «Idano» aperis rakonteto titolita «La tri filii». Ni preferas: «La tri filoj».

oni proponos al ni. Bone! Jen frazoj el «Progreso»: «nia linguo devas povar evolucar (1909, pĝ. 284). «Il devas ven*ar* po*r* vid*ar* me e lo*r* dic*ar* e montr*ar* ed explik*ar*» («Progr.», 1909, pĝ. 641), «ment*ii* e kalumn*ii* d*i* fanatik*i*», «e ke ti de li qui...» («Progr.» 1911, pĝ. 636), «...di Esperanto, li di qui... *) («Pr.» 1909, pĝ. 692), «difekt*i* d*i* la naturala*i*» («Int. Pioniro», 1910, pĝ. 242), «La period*i* d*i* la vivo esis regulizata da t*i* d*i* la naturo («Progresido» **), 1910, № 2, pĝ. 15), «la proximigo d*i* la hom*i* di bona volo d*i* omna ras*i*» («L. Auxiliare», 1910, № 8, pĝ. 117).

Sed ne nur la malagrabla troofteco de *i*- sono kaj ĝenerala tromulteco de unusilabaĵoj (ekz. «li di qui») karakterizas Idon. Samtempe estas nekredeble trouzata *al*. Jen, ekz., fama idisto prof. Lorenz uzis «*al*» *kvinfoje* en *okvorta* frazo: «traktar l'afero princip*al*e t*al*e qu*al*e irga praktik*al*cienc*al*a problemo» («Idano», 1910, № 4). Alia ekzemplo el «Langue Auxiliaire» (1910, № 7): «nek la komerc*al*a, nek la industri*al*a, nek la cienc*al*a uzas ol generale» kaj sur la sama paĝo: «ni devas lasar plena libereso pri stenograf*al*a sistemo, esperante ke praktik*al*a rezultaji di obyekt*al*a konkurso...» Estas rimarkinde, ke en la ĵus cititaj frazoj Ido havas 12 *al*, dum Esperanto nur 1 *al* en la vorto «ĝenerale»! La legantoj permesu, ke ni citu, fine, unu frazon el nova Idista organo «Pioniro» № 1, 1912: «*Qua quik* helpas, duople helpas». Nu ni ne dubas, ke efektive al la ranoj (pro «qua quik») tiu frazo pli multe plaĉos ol nia Esperanta: «*kiu tuj* helpas, duoble helpas».

---

— Sed, sinjoro,—interrompas nin la Idistoj,—kiamotive vi silentas pri niaj «komparoj»? Ja en ĉiu propagandilo

---

*) En Esperanto pli bele: «... de Esperanto, ili kies».

**) Multe de citataj gazetoj mortis, ekz. «Intern. Pioniro», «Progresido», «Observeyo» k. s. «Idano» nun estas nomita «Die Weltsprache», «L'Esperantiste» havas «kromnomon» — «Langue Auxiliaire». «Belga Sonorilo», kiu estis antaŭ la Delegacio duonmonata, nur fariĝis dumonata.

kaj gazeto vi nepre trovas paralelan Esp.-Id. tekston, pruvontan, ke Ido estas pli belsona, pli mallonga, pli komprenebla unuavide?

Pro du motivoj ni volis silenti (*nun* ni parolos) pri la «komparoj»: 1) ĉar la komparoj ĝenerale nenion pruvas, kaj 2) ĉar la Idistaj komparoj speciale estas falsaj.

Komence, ni klarigu pli detale la unuan motivon. Estas konata afero, ke Ido komparas precipe la frazojn «ĉiuj ĉi tiuj kiuj»,—sed laŭ atesto de prof. Baudouin de Courtenay («Zur Kritik...», pĝ. 26) la similaj frazoj «*estas malofte renkontataj*», kaj,—ni devas aldoni,—ili estas renkonteblaj en kiu ajn lingvo natura. Ekz. en la germana: «Der Gauch auch haucht Rauch aus» (*legu*: Der Gaŭĥ aŭĥ haŭĥt Raŭĥ aŭs»). «Die jungen Knaben gaben den reizenden Mädchen blühenden Blumen» (El «Esperanta Evoluo», 1911, № 7). En la franca: «Ton thé t'a-t-il ôté la toux?—Chassez chasseurs sachant chasser sans chien (*legu*: Ŝase ŝaser saŝan ŝase san ŝien). Si six scies scient six cigares six cent six scies sceint six cent six cigares.—Ciel! si ceçi se sait ses soins sons sans succès» (el «L'Etoile Esp.», 1908, № 6). Same en la lingvo pola: «ne pepŝi Petŝe vepŝa pepŝem bo pŝepepŝeŝ vepŝa pepŝem». En la lingvo rusa: «ĵuĵĵelica ĵuĵĵit v moĵĵevelnike; ĵuĵĵanie ĵĵet iznemoĵĵenij mozg. Ĵaĵdu razmoĵĵitj ĉerep o ŝĉebenj». En Esperanto la sama frazo estas tre belsona: «skarabo zumas en junipero; la zumado bruligas la konsumitan cerbon. Mi soifas frakasi la kranion per la makadamo». Ofte ja okazas, ke frazo plej belsona en unu lingvo, estas plej malbelsona en alilingva traduko, sed tio ja ne pruvas, ke *la tuta* unua lingvo estas bela kaj *la tuta* dua lingvo estas monstra.

Certe absurdon prezentus la komparo, se dum ia «konkurso de beleco» oni komparus la plej belan *negrinon* kun la plej malbela, kripla *rusino*, kaj se oni decidus: la *negrinoj* estas *pli* belaj. Tamen Idistoj simile komparas Esperanton kaj Idon, ili intence elektas plej malbonan Esp. tekston kaj... komparas kun plej bona Ida

teksto. Se ni dezirus imiti la Idistan agmanieron, ni proponus kompari jenon:

| *IDO.* | *ESPERANTO* |
| --- | --- |
| Mea desobediigiva filio folijis. Me remarkeskis, ke en la koquerio ilu ruptis hancho ad hanyunino; en echopo per flecho ilu vundiś chuvo, strucho, tencho, quale avalancho di banditi. Konseque me devis quik vergagar ilu, por ke ilu quietijez.—Vu desvestizez vu, sanguisugo,—me dicis. | Mia malobeema filo freneziĝis. Mi ekrimarkis, ke en la kuirejo li rompis kokson al kokidino; en budo per sago li vundis monedon, struton, tinkon, kiel bandista lavango. Sekve, mi devis tuj vergi lin, por ke li kvietiĝu.—Vi senvestigu vin, hirudo,—mi diris. |

Nu, ni vidas, ke Esperanta teksto estas pli mallonga je 21 literoj (en Ida teksto—229, en Esperanta nur 208 literoj); ni vidas, plue, ke Esperanta teksto havas neniun ĉ-sonon. Kontraste, en Ida teksto sin trovas 7 *ĉ* (=*ch*), *5 qu kaj 1 gu.*

Duamotive ni povas ignori la Idistan komparadon, ĉar la komparoj de Ido estas *falsaj*, ne malpli falsaj, ol la «statistiki di radiki». Ni pruvos tion per la presita sur la paĝo 114-a trikolona tabelo. La kolonoj № 1 kaj № 2 prezentas vortojn de Esperanto (№ 1) kaj de Ido (№ 2). La Idistoj komparas ilin, ekz. *malproksime* kaj *antique*, *malliberulo* kaj *kaptito*, kvazaŭ Esperanto ne havas «antikve», «kaptito» k. t. p. En la kolono № 3 ni korektas la Idistan komparon, montrante, ke en Esperanto krom la vorto malliberulo ekzistas ankaŭ kaptito, krom malproksime ankaŭ antikve k. t. p. Do, Idista komparo estas falsa kaj tion ilustras la sekvanta tabelo:

| Komparo de Idistoj. | | Nia komparo. |
|---|---|---|
| *Esperanto. Kol. № 1.* | *Ido. Kol. № 2.* | *Esperanto. Kol. № 3.* |
| malproksime | antique | antikve |
| malliberulo | kaptito | kaptito |
| malnova | primitiva | primitiva |
| videble | evidente | evidente |
| elŝprucas | fluas | fluas |
| bonkora | bona | bona |
| malvarmakvaj | de malvarma aquo | de malvarma akvo |
| kvazaŭ en spegulo rigardas sin | su reflektas | sin reflektas |
| lernaj libroj | lernolibri | lernolibroj |
| sciigo | informo | informo |
| sanktejo | templo | templo |
| kortuŝeco | emoco | emocio |
| lucerno | lampo | lampo |
| malproksimenparolilo | telefonilo | telefono |
| ĉeesto | asisto | asisto |
| instruistino | profesorino | profesorino |
| kurbigita | inklina | inklina |
| lulilo | liteto | liteto |
| depago | imposto | imposto |
| hararo | peruko | peruko |
| malfosi | terplenigar | terplenigi |
| alcelas | tendencas | tendencas |
| antaŭenirado | progreso | progreso |

Estas evidente, ke la kolono № 3 ne diferencas de la kolono № 2 (Ido) kaj Ido trompas la publikon, kredigante, ke Esperanto ekz. ne havas la vorton progreso kaj nur povas uzi la vorton «antaŭenirado» k. t. p. Jam delonge Esperanto havas aspekti, apliki, origino, diafana kaj tamen *ĝis nun* Ido «komparas» aspektar, aplikar, origino, diafana kun elrigardi, almeti, deveno, travidebla.

Por ke Esperanta teksto enhavu pli multe da *-ajn*, Idistoj uzas akuzativon eĉ post prepozicio *de*, ekz. «la trezoro *de la vortojn*» («Warum ich Esperanto verliess»,

pĝ. 66) kaj ili komparas «*tacigitaj* (?) kun «*fatigita*» «*kruciĝita*» (?) kun «*trasekata*», «*tradukitis*» (?) kun «*tradukis*» kaj tion faras Louis de Beaufront (1909, pĝ. 71), kiu tre bone scias, ke Esperanto ne havas la verbon taci, kaj la formojn: «kruciĝita», «tradukitis». Ankaŭ s-ro Couturat en la lasta n-ro de «Progreso» (№ 56, pĝ. 58) komparas, ekz. «malantaŭuloj» (?) kun «dispersiti» kaj «sidejo» kun «poziciono», kvazaŭ Esperanto ne posedas la vorton pozicio.

La intenco de l'Idistoj estas: montri, ke en Esperanto mankas plej elementaj vortoj, kaj tiucele en «La Langue Auxiliaire» (1910, № 2, pĝ. 25—27) oni agas tiamaniere: oni presigas en gazeto «voici quelques specimens du vocabulaire et de la derivation de Esperanto avec leurs equivalents en Ido» («jen kelke da specimenoj de vortaro kaj de la derivado de Esperanto kun iliaj ekvivalentoj en Ido»):

| **Esperanto.** | **Français.** | **Ido.** |
|---|---|---|
| ilo | instrument | instrumento |
| ero | element | elemento |

Do, Ido penas kredigi, ke en Esperanta vortaro mankas la vortoj «elemento», «instrumento» kaj same en «Progreso», «Die Weltsprache», «Belga Sonorilo» k. c. oni konvinkas la publikon, ke la primitiva, mizera Zamenhofa lingvo ne havas la vortojn: motivo, instigi, adepto, kvanto, kvalito, kolekto, ĉefo, giganto, tendenco, serio, kaŭzo kaj anstataŭ ili uzas nur: kialo, igi, ano, kiomo, eco, aro, estro, egulo, emo k. t. p.

Ni volas citi ankoraŭ kelke da «kompar-perloj» de Ido por pruvi, ke la falsaĵoj ne prezentas ian escepton. La konata germana idisto Werner Fraustädter en sia libro «Die internationale Hilfssprache» (pĝ. 113-a) cer-

tigas, ke «*sekvanta traduki di...*»=en Esperanto: «*tradukaĵoj tie-ĉi sube de*». S-ro Couturat en la № 42 de «Progreso» (pĝ. 373) ekkrias: «frapanta komparo!», sed en tiu komparo nin frapis nur la fakto, ke en la paralelan Esperantan tekston estas enŝovita: «*ĉiom*» sur la lokon de «*tute*». Tamen, plej senceremonie agas la profesoroj de Ido. Ekz. en la libro «Internacia lingvo kaj Scienco» (pĝ. 55) prof. Lorenz pruvas la netaŭgecon de Esperanto por Scienco per frazo: «Turniĝan alispecigilon oni povas nomi motorproduktanto», kvankam en Esperanto oni diras science: «La rotacantan transformilon oni povas nomi motorgeneratoro». La sama profesoro «komparas»: eltrovaĵo-invento; sciiĝas-sperieneas (=spertas), tiuj-li; pliboniĝas - korektijas; alcelas-tendencas (6 falsaĵoj en $2^1/_2$ linioj!) kaj tamen lia «komparo» estis multfoje presita en «Progreso» (lastafoje en la Oktobra n-ro, 1912, pĝ. 514). Alia profesoro Jespersen en sveda «Svensk Tidning» № 2, pĝ. 38-a fabrikis frazon, inter kies 48 vortoj 38 finiĝas per *ojn* kaj *ajn*. Esperantan «*aŭ*» li tradukas en Idon per «*parte*»! Fine, la tria profesoro Pfaundler en «Idano» № 4, 1910, pĝ. 114, por pruvi, la «quika komprenebleso» («tujan kompreneblecon») de Ido kompare kun Esperanto, paraleligas: plimultigilon kaj «multiplikalaparato»-n, aĵon kaj obyekton, «prezaron» de Esperanto kaj «katalogo»-n de Ido, kvankam en la vortaro de Ido troviĝas «precaro» kaj aliparte nia Esperanta vortaro havas «katalogo»-n.

Se tiamaniere agas la profesoroj de Ido, ni ne povas atendi pli honestan agmanieron meze de simplaj idistoj: ili ja nur imitas la taktikon de sia «sciencularo!» Kaj neeviteble venas la demando: se efektive Ido estas pli bona ol Esperanto, por kio do la Idistoj regalas la publikon per falsa statistiko, falsaj komparoj k. t. p.?

---

# Ĝenerala parto.

«Permesu, ke ni atendu. Se praktike vi pruvos, ke sub via reformaro Esperanto atingos la celon *multege pli* bone, ke oni ĝin lernas *multe pli* rapide, ke oni ĝin praktikas *multe pli* facile, ni konsiliĝos kaj decidos... Sed dume permesu, ke ni konservu nian Esperanton, kiun vi mem akceptis kaj juĝas bona»,—tion skribis en la jaro 1908 (L'Esp.» № 2) s-ro L. de Beaufront, la patro de Ido, kaj nun, kiam Ido estas jam sepjara, la esperantistaro povas kategorie deklari: «Ne, ni ne bezonas konsiliĝi kaj decidi, ĉar Ido pruvis, ke oni ĝin lernas *multe malpli* rapide, ke oni ĝin praktikas *multe malpli* facile».

Efektive, ni vidis mem, kiom da esceptoj havas Ido spite la formulo de prof. Jespersen: «En la regiono de gramatiko *estas necese postuli absolute nur la perfektan regulecon* de la strukturo. *Ĉiu escepto* kontraŭ la ĝeneralaj reguloj povas nur konfuzi la tuton» *). Spite la alia formulo de prof. Jespersen, ke «la plej bona lingvo internacia estas la plej facila por la plej granda nombro de homoj» Ido estas *malpli facila* ol Esperanto **), kaj tion opinias ne nur la esperantistoj, sed eĉ eks-idisto D-ro Borgius, kiu estas partiano de «pli malfacila, sed pli perfekta lingvo» kaj kies vidpunkto estas, ke la facileco ĝenerale ne ludas gravan rolon, ĉar unue lingvo

*) Same skribis Couturat kaj Leau en «Histoire».

**) Vic-prezidanto de Idista Dir. K-to H. Peus (Dessau) parolis en parlamento jene *pri Esperanto*: «Mi ellernis la gramatikon dum unu tago, la vortfaradon same dum unu tago kaj unu post ok monatoj mi kapablas ne sole legi kaj skribi, sed paroli la lingvon. Mi povas eĉ verki artikolojn en Esperanto».

internacia devas esti perfekta. Tamen, kio nome estas la «perfekteco»? La lingvistiko ankoraŭ ja ne prezentas sciencon matematike precizan, — sciencon, en kiu la persona gusto, la persona prefero ne povas influi. Ido celas la «konstantan perfektigadon» kaj ekz. prof. Peano, membro de Delegacia Komitato, opinias, ke Ido estos preta post... 6000 jaroj («Progreso», 1913, № 59, pĝ. 697), sed nin interesas ne la demando, kiom longe daŭros la perfektigado; nun pli interesas nin la demando, *kiamaniere estas difinebla la limo de la dezirata perfekteco.* Eble, oni respondos al ni, ke la perfekteco estu *senlima*, sed tia respondo ne kontentigos nin, ĉar ni bone scias, ke, laŭ opinio de la idistoj, *tro* perfekta lingvo internacia ne estas taŭga*) kaj ni ja bone memoras, ke s-ro Couturat jene raportis en la oficiala «Compte rendu des travaux du Comité» (pĝ. 15) pri la projekto de prof. Blondel, prezentita al la Delegacia komitato: «Ĝi (t. e. la projekto de Blondel) estas *etudo teoria tre scienca kaj havas nur unu difekton: ĝi estas tro scienca, tro filologia kaj sekve tro malfacila por la plimulto da personoj, al kiu lingvo internacia devas servi*».

---

Do, eĉ se la reformoj de la Delegacio havus *vere sciencan* karakteron, estus tro bube tuj obei la decidon de la Delegitaro, tuj forbruligi la tutan Esper. literaturon,— la fruktojn de multjara laborado, presigi la novajn lernolibrojn, vortarojn k. t. p., por lerni la novan lingvon reformitan,—lingvon, kiu havis ankoraŭ sufiĉe da difektoj (Jespersen. Tidning, 1910, pĝ. 36),—lingvon konstante perfektigotan. Aliparte, la esperantistaro timis, ke Ido, kiel diris Borgius en «Reforma demando», komencos «*reformi la reformojn*» kaj eĉ «*malreformi*»-ilin. Oni scias, ke Ido plibonigis la Esp. ortografion

*) Ido, ekz., ne memmortigis sin pro la pli perfekta Dutalingue, pri kiu S-ro Couturat skribis en «Progreso» (1909, pĝ. 327): «Ni konsentas volonte, ke la formoj de Dutalingue estas pli komplete regulaj, pli simetraj ol la Idistaj».

kaj ekz. en la vortaro de Kofman, presita en la jaro 1910, ni trovas: sekretaryo, seryo, evangelyo, imperyo, historyo, cikonyo (tamen cikorio), kolonyo, kranyo, envidyo k. t. p. Ni supozu, ke la Esperantistaro blindigita per la aŭtoritaro de la Delegacio, decidis same reformi la ortografion; ni supozu, ke la tuta provizo da «primitivaj» vortaroj jam estas forĵetita tra la fenestron kaj jam estas preparita kaj presita miliono da novaj libroj. Kaj... en la jaro 1910, t. e. en la sama jaro, kiam estis eldonita la vortlibro de Kofman, la Idista Akademio decidis nuligi la ortografian reformon pri -yo kaj reakcepti la Esp. sekretario, serio, evangelio, historio k. t. p., k. t. p. Profete nun sonas la sekvanta fragmento el la cirkulero de Esp. Lingva Komitato (7—I, 1908): «eble post kelke da jaroj la praktiko montros gravajn mankojn kaj erarojn en ilia (t. e. Idista) projekto kaj oni devos fari novajn reformojn, reformi la antaŭajn k. t. p.». Jes, ke nia Lingva Komitato ne eraris, tion pruvas ne sole la ortografia «malreformo»: estas notinde, ke anstataŭ la «reformitaj kaj plibonigitaj»: *lineo*, *markezo*, *riklamo*, *nuva* k. a. la Idista Akademio en la jaro 1910 decidis reakcepti la Esper. «*linio*», en la j. 1911—*marquizo* (=markizo) kaj *reklamo*, en la jaro 1912—*nova*. Plue, la Idistoj tre elokvente pruvis, ke Ido absolute ne bezonas la vortojn: *hejmo*, *procento*, *vindi*, *flegi*, *buduaro* *), tamen la cititaj vortoj nun estas akceptitaj de la «Akademio». Krom tio, Ido antaŭ nelonge reakceptis (s-ro Couturat, se la afero ne koncernus Idon, certe uzus la radikon «plagiat»): *bulteno*, *kraki*, *aerostato*, *bedueno*, *ŝoseo*, *debato*, *bibliografio*, *laboratorio*, *edeno*, *hebreo*, *providenco*, *kruro*, *menuo*, *gondolo* kaj estas rimarkinde, ke la cititaj vortoj jam delonge eniris en la vortaron de Esperanto. Lastatempe

*) En «Progreso» (1909. pĝ. 231) la Idistoj ironie parolis pri Esperantaj «vortoj tiel belaj ekz. buduar', bordel', enket', paskvil'». Tamen poste Ido akceptis mem unu el la abomenaj vortoj: buduar, sed al enketo ŝi preferis «inquesto».

la «Akademio» ricevis la proponojn reenkonduki *ĉu* (=pola czy), *letero*, *kelnero*, *oficiro*, *lipo*, *animo*, *tuberkulozo* k. t. p., kaj tiamaniere povus aperi la iluzio, ke Ido grado post grado revenas al Esperanto. Bedaŭrinde, la «Akademio» daŭrigas samtempe reformi la lingvon en la mała direkto kaj la abismo inter Esperanto kaj Ido konstante fariĝas pli profunda.

Komparante Idon, modelon de la jaro 1907, kun la moderna modelo de Ido, estas facile konstati diferencon evidentan, rezultintan sekve de la reformoj en regiono de gramatiko, sintakso, vortaro,—«de la fundamento ĝis la tegmento».

Tiu reformemo ne devas mirigi nin. Nature la reformoj estas oportune kaj senriske fareblaj en projekto, ekzistanta nur sur la papero kaj ni persone konas Moskvan «aŭtoron», kies lingvoprojekto jam pli ol unu jaron estas kompostata, sed ankoraŭ ne estas presita, ĉar ricevinte presprovaĵon, li decidas fari ian reformon en sia projekto; oni rekompostas, sed li rereformas, kaj rezultate la lernolibro de l'nova lingvo ne aperis ĝis nun. Sed nia Esperanto ne estas projekto kaj ni ne povas, nek volas sekvi Idon sur vojo al la «konstanta perfektigado».

---

— Zamenhof deziris mem reformi Esperanton,—naive argumentas la Idistoj.

Jes, estas vero, ke D-ro Zamenhof en la komenco mem, en sia unua lernolibro esprimis la deziron, ke oni reformu Esperanton, se la reformo estas necesa. Estas vero, ke en la jaro 1894 d-ro Zamenhof proponis mem planon de reformoj *), sed estas mensogo de Idistoj, ke Zamenhof

---

*) Okazis la balotado kaj unuafoje la 1-an de Aŭgusto 1894 nur 12 esperantistoj voĉdonis por la reformprojekto de Zamenhof. Tial oni balotis duafoje la 1-an de Novembro 1894 kaj nur 11 esperantistoj voĉdonis por la Zamenhofa projekto. Rezultate D-ro Zamenhof decidis ne tuŝi Esperanton, ĉar «kiom da kapoj, tiom da ĉapoj».

deziris mem la reformojn. Kontraŭe, en la nova libro de Couturat kaj Leau «Suite a l'Histoire de la L. U. Les nouvelles Langues internationales», pĝ. 33-a ni legas, ke Zamenhof proponis la projekton de reformo «*bone atentigante, ke li persone ne deziras la reformon*». La kreinto de Esperanto, kiu estis kaj restis persono tolerema kaj neaŭtokratema, cedante al la deziro de kelkaj, volis nur enketi la opinion de la tuta esperantistaro. Kie do estis *jenatempe*, t. e. en la jaro 1894 s-roj Couturat kaj Leau, Jespersen, Pfaundler, Lorenz? Estas ja klare, ke jenatempe, kaj nur jenatempe oni povis reformi Esperanton sendolore kaj sendanĝere, ĉar tiam Esperanto ankoraŭ kuŝis vindite en lulilo, la publiko ankoraŭ ne konis Esperanton kaj ĝi ne havis multenombran adeptaron, nek posedis grandan literaturon. Nu, ĝuste pro tio, ke Esperanto havis nek adeptaron, nek literaturon, ĝuste pro tio la profesoroj ignoris ĝin, kaj nun ni rajtas diri al ili: tro malfrue venis vi, sinjoroj,—tro malfrue! Naive vi esperas rikolti, ne seminte, nek pluginte, nek erpinte. Ni laboris senlace, ni akiris la necesan sperton, kaj en la regiono de lingvo internacia ni estas pli kompetentaj ol vi, profesoroj de matematiko, ĥemio kaj fiziko. Fidele ni sekvos la konsilon de eminenta prof. Mayor, kiu testamentis al ni: «Ne permesu, ke iu tuŝu al via bela lingvo, tio estus la komenco de ĝia morto. Oni povas ŝanĝi projekton, sed apriore ne lingvon. Nu, Esperanto estas lingvo, ne projekto». Kaj same diris la fama Naville: «Esperanto nun estas lingvo *vivanta* kaj ni devas antaŭ ĉio lasi ĝin vivi».

— Ho, vi intencas ŝtonigi la lingvon, — eble oni ekkrios. Ne, ne,—estu trankvila: nia lingvo evoluos grado post grado kaj se vi komparus Esp. tekston, presitan en la jaro 1887 kun la nuntempa Esperanto, certe vi mem vidus, ke nia lingvo multe progresis, same kiel progresis la lingvoj naturaj en la daŭro de 25-jara periodo.

---

— Sed la Fundamento, la sankta netuŝebla Fundamento! — ripetas la Idistoj.—Absurdo! — respondas ni. Esperanto evoluas *sur* sia Fundamento kaj dank'al la Fundamento la sorto de nia lingvo ne dependas de la arbitro, kiu regas en la kelkpersona Idista Akademio. Efektive, post kelka tempo verŝajne estos elektita *alia* Akademio, kiu enkondukos *alian* reformaron kaj Ido ree «pliboniĝos». Sendube, tia lingvo ne povas esti propagandata nek praktikata. «Estas efektive neeble lernigi Idon al ili, t. e. al la kursanoj,—skribis unu el la Idistoj kursestroj,—kaj se mi nun venus ĉiun semajnon kun novaĵo ili certe forkurus».

Plue, estas kompreneble, ke en lingvo, konstante reformata, ne estas ebla la literaturo, ĉar kiu do riskos elspezi grandan kapitalon por eldoni ian libron, dum kies kompostado en la presejo grava reformo eble estos enkondukita en la lingvon, kaj post unu jaro nature oni preferos aĉeti libron en lingvo «lastmodela»; tiamaniere, la libroj senvaloriĝus same kiel manteloj kaj ĉapeloj de la pasinta sezono! Ni ilustru nian penson per la sekvanta ekzemplo: en la Maja n-ro (1911) de «Internaciona Pioniro» aperis noto de la redaktoro, kiu atentigas sian legantaron, ke la artikoloj presitaj en la Maja n-ro estis kompostitaj en Januaro aŭ pli frue kaj pro tio,—petas la redaktoro,—«la afabla leganto senkulpigu, se li trovos diversajn arĥaismojn» (ekz. mal anst. des, quale anst. kom, malgranda anst. mikra k. t. p.). Feliĉe, per sia Fundamento nia Esperanto estas fidinde asekurita kontraŭ subita lingva perturbado kaj tial ni ne timas, ke, lerninte lingvon internacian per lernolibro de la jaro 1887, ni ne komprenos la literaturon de la jaro 1913; ni ne timas, ke, se ni kelkan tempon, (2—3 jarojn), pasigos ekster la mondo Esperantista, ni poste ne povos legi nek skribi en Esperanto kaj devos relerni la gramatikon, studi la decidaron de la Akademio (la «Akademio» de Ido jam fabrikis proksimume okcentan «decidon»).

Oni kalumnias, ke Esperanto estas katene ligita per la Fundamento, sed en la realeco la Fundamento ja ne malpermesas al ni enkonduki novajn vortojn por la literaturo kaj scienco, krei diversfakan terminaron, uzi la novajn sufiksojn, ekz. aĉ, oz, kaj eĉ reformi la tutan gramatikon, la tutan vortaron. En la antaŭparolo de la Fundamento estas dirite, ke «se ia aŭtoritata centra institucio trovos, ke tiu aŭ alia vorto aŭ regulo en nia lingvo estas tro neoportuna, ĝi ne devas forigi aŭ ŝanĝi la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon *novan*, kiun ĝi rekomendos uzadi *paralele* kun la formo malnova. Kun la tempo la formo nova iom post iom elpuŝos la formon malnovan, kiu fariĝos arĥaismo, kiel ni tion ĉi vidas en ĉiu natura lingvo. Sed, prezentante parton de la Fundamento, tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos elĵetitaj, sed ĉiam estos presataj en lernolibroj kaj vortaroj samtempe kun la formoj novaj, kaj tiamaniere ni havos la certecon, ke eĉ ĉe la plej granda perfektiĝado la unueco de Esperanto neniam estos rompata kaj neniu verko Esperanta eĉ el la plej frua tempo iam perdos sian valoron kaj kompreneblecon por la estontaj generacioj». En sia letero, adresita al K-to Lemaire kaj publikigita en «Belga Sonorilo» (1911, pĝ. 91), D-ro Zamenhof skribis, ke «ĝis la sankcio de la registaroj ni eĉ sen tuŝado de la Fundamento (t. e. sen danĝera interrompo de la kontinueco) povas en okazo de bezono fari plej grandajn reformojn per vojo de «neologismoj-arĥaismoj».

Ni vidas nun klare, ke prave skribis D-ro Zamenhof en sia cirkulera letero (18—I 1908), ke «sinjoroj, kiuj sub la influo de agitantoj diras, ke la Fundamento prezentas „eternan baron kontraŭ la evolucio de Esperanto“ parolas pri afero, kiun ili tute ne konas». Versimile, ili neniam legis la Fundamenton de Esperanto, ĉar,—kiel diras D-ro Zamenhof en sia cirkulero,—«...kiu legis la antaŭparolon de la Fundamento scias tre bone, ke ĝi ne sole ne prezentas ian baron kontraŭ la evolucio

de la lingvo, sed kontraŭe, ĝi donas al la evolucio tian grandegan liberecon, kiun neniu alia lingvo iam posedis eĉ parte. Ĝi donas la eblon, se tio estus necesa, iom post iom eĉ ŝanĝi la tutan lingvon ĝis nerekonebleco! La sola celo, kiun la Fundamento havas, estas nur: gardi la lingvon kontraŭ *anarĥio*, kontraŭ reformoj *arbitraj* kaj *personaj*, kontraŭ danĝera *rompado*, kontraŭ forĵetado de malnovaj formoj antaŭ ol la novaj estos sufiĉe *elprovitaj* kaj tute definitive kaj sendispute *akceptitaj*. Se la esperantistoj ĝis nun tre malmulte faris uzon de tiu granda libereco kiun la Fundamento al ili donas, ĝi ne estas kulpo de la Fundamento, sed ĝi venas de tio, ke la esperantistoj komprenas tre bone, ke lingvo, kiu devas trabati al si la vojon ne per ia potenca dekreto, sed per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de natura *evolucio*, sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per kontraŭnatura kaj danĝerega vojo de *revolucio*. Cetere, se la Bulonja Deklaracio efektive prezentus ian malbonaĵon aŭ nepreciza-ĵon, kiu do malpermesas, ke iu proponu ĝian ŝanĝon aŭ eĉ ĝian tutan forigon?»—demandas D-ro Zamenhof kaj ni ne povas ne konsenti kun lia opinio. La esperantistaro ne estas regno organizita hierarĥie kaj la Fundamento,—laŭ ĝusta difino de prof. Th. Cart,—«*estas sola ebla bazo de nia unueco*», la sola garantio kontraŭ dialektigo de Esperanto.

---

Cetere, oni eraros, supozinte, ke la Idistoj neas la signifon de l'unueco. Ofte, tre ofte, precipe la lastan tempon ili parolas pri tio kaj ekz. s-ro Lusana, membro de Id. «Akademio» jene predikis: «Kiom longe oni ne laboras por *unu sola kaj unika* lingvo internacia, por *unu sola kaj unika* problemo, kiom longe oni persekutos la fantomon de absoluta natureco aŭ de l'absoluta internacieco, oni neniam povos sukcesi en siaj penadoj, oni neniam sukcesos interesi la plej grandan parton de l'mondo» (La Langue Auxiliaire, 1910, pĝ. 117).

Same «Progreso» nun deklaras, ke «*La unua kaj plej necesa* kondiĉo de la sukceso de nia lingvo estas *severa kaj absoluta unueco*» («Progr.» № 43, pĝ. 311).

Konsekvence la 23-an de Aŭgusto 1911 la Idista Direktanta Komitato decidis jese la demandon pri la «periodo di stabileso», alivorte la komitato konsentis, ke Ido havu *Fundamenton maskitan*. Tiu «periodo di stabileso», oficiale enkondukita la 15-an de Marto 1912, devis esti «kiel eble plej longa, *fiksota* de la korporacioj mem, t. e. de la Direktanta komitato kaj de la Akademio». Tamen la longeco de la periodo *ne estis fiksita* kaj, eble, Ido restos «stabila» por eterne. En ĉiu okazo la Idista «stabileso» estas ne pli bona ol la Esperantista «fundamenteco» kaj nun la Idistoj morale ne havas la rajton moki plu nian Fundamenton.

Persone ni opinias, ke la proklamita «periodo di stabileso» estos periodo de mortado, ĉar la «stabiligita» Ido perdis sian ĉarmon por la personoj kun temperamento reformema. Nun ili ne havas plu la plezuron interdisputi pri diversmanieraj ŝanĝoj, kritiki, polemiki, kaj piki unu la alian, nun ili povas nur elpensi novajn vortojn, eltrovi ian novan «kroman» afikson kaj tial, soifante, ili plej energie laboras en la lasta regiono: en la Decembra (1912) kaj Januara (1913) n-roj de «Progreso» la «Akademio» publikigis la liston de pli ol 400 novaj vortoj enkondukitaj en la «stabilan» Idon, kaj interalie en la Januara n-ro (1913) la «Akademio» oficiale akceptis 9 novajn afiksojn kaj unu novan prepozicion, sed aliigi la jam akceptitan afiksaron oni ne havas plu la rajton. Nun Ido estas ŝtonigita por longe kaj certe la Idistoj bedaŭras pri tio ankaŭ alimotive, nome ili bedaŭras, ke nun la tuta decidaro de la kelkpersona Akademio estas netuŝebligita kaj sanktigita. Oni eraras, imaginte, ke la «Akademio» prezentas instutucion kun granda aŭtoritato. Ne, ne: — kiel atestis s-ro A. Waltisbühl, (sekretario-kasisto de la Direkt. K-to), la idistoj «ĉiam estas kontraŭ la decidoj de la Akademio» («Progresido»,

1910, № 11). Konsciante tion, unu el la plej laboremaj «Akademianoj» s-ro P. D. Hugon, kiu partoprenis la kunsidojn de la Delegacia Komitato, deklaris en la № 5, 1911 de «The Int. Lang.»: «Mi rifuzas la respondecon pri *la sennombraj absurdaĵoj* nun voĉdonataj de la Akademio» kaj li ne kaŝas, ke jam nek li «nek Jespersen, nek Ostwald partoprenas en la Akademio». Nun, la «sennombraj absurdaĵoj» «stabilijis» kaj ni ne dubas, ke multe da Idistoj preferos tute forlasi Idon.

---

Ĝenerale la procento de l'«forkurintoj» estas tre granda en la Idista tendaro. Krom Akademiano *Hugon* «forkuris»: s-ro *Haugg*, red.-eld. de «Internaciona Pioniro» kaj «Observeyo»; s-ro *Gerald Moore*, red.-eld. de «The Intern. Langague» (li jam eniris en la Komitaton de Inter. Latina Unuiĝo); s-ro *Roberto Triola*, redaktoro de itala gazeto; prof. de Torina Universitato kaj membro de Itala Akademio de Sciencoj, s-ro *Peano*, estinta membro de la Delegacia Komitato (nun elektita direktoro de Akademio de «Idiom Neutral»); *D-ro Borgius*, prezidinto de Berlina Societo Idista, aŭtoro de Idistaj libroj; s-ro *J. B. Pinth*, prezidanto de Id. Klubo en Neudorf, kiu forlasinte Idon, eldonis vortaron de nova «Lingua Perfect»; prezidanto de Idista Klubo en Vieno konata lingvisto *prof. Krenn*, kiu publikigis en Ido lernolibron de «Lingua Perfect» *); s-ro *Seidel*, aŭtoro de 3 projektoj, *D-ro Weisbart*, prezidanto de Idista Societo en Mainz, aŭtoro de «Unial» kaj «Europal»; *L. E. Meier*, kiu revenis al Esperanto k. a. Fine, eĉ la Idista librejo «*Franckische Verlag*», kies direktoro estis membro de la Delegacio kaj kiu eldonis multe da lernolibroj, vortaroj kaj gazeton en Ido, nun konstatis, ke Ido ne estas viv-

---

*) Prof. Krenn opinias, ke Ido «ne estas ŝatinda kaj ne estas kritikinda de la vidpunkto scienca». Estas atentinde, ke Idista klubo en Wien perfidis Idon kaj transformiĝis en «Perfectclub».

kapabla kaj decidis reveni al Esperanto. Kompreneble, s-ro Couturat tuj kalumniis la perfidintan firmon kaj same li rilatas al la ceteraj «perfidintoj»: se kredi al «Progreso» prof. Peano estas «bufono», s-ro Meier estas tro kaduka, alia estas simple fripono k. t. p. Sed plej akre, precipe en «Progreso» oni mokas la fidelan esperantistaron *), oni senpaŭze parolas kaj reparolas pri la «mentii e kalumnii di fanatiki», pri tio, ke D-ro Zamenhof estas «*dupo*», ke la esperantistaro estas «amaso da naivuloj, kondukata de kelkaj friponoj», ke la «Antverpenala» kongreso prezentis «bandon de fanatikuloj» k. s. Jen estas la modeloj de Idista korekteco kaj «insult-libereco».

La lasta, t. e. la insult-libereco estas la sola libereco ĝuata de Ido, kiu tamen vipas la despotecon de Esperantistoj, kaj multe parolas pri la Esp. eksigoj el la Lingva Komitato, ekskomunikoj k. t. p., forgesante, ke la Esperantistoj motivigas ĉiun eksigon, dum kontraste, laŭ § 14 de Idista Statuto «la eksigo de membro, kiu evidente kontraŭagas la celon de la Unuiĝo okazas per decido de la komitato, *kiu ne estas devigata komuniki la motivojn*». Same, laŭ § 29 la Komitatanoj kaj Akademianoj de Ido estas eksigeblaj sen komuniko de la motivoj. Do, ĝuste diris la fervora propagandisto de Ido s-ro Wormser kaj prof. Peano, ke mankas al Idista Societo la libereco.

Ne pli ideala estas la publikeco ĉe Ido,—la publikeco, pri kiu fanfaronas la Demostenoj de «Progreso». Ĉar ofte la sorto de gravaj reformoj estis decidita per la plimulto de unu voĉo (ekz. 3 kontraŭ 2), la Akademio decidis (sub № 686) «ne publikigi la nombrojn de voĉoj pri ĉiu decido» kaj samtempe la Akademio decidis «ne akcepti (la proponon), ke la Akademio komunikos al la Komitatanoj aŭ Reprezentantoj, responde al iliaj

*) Certe «Progreso» klasike insultos la aŭtoron de la nun legata libreto,

demandoj, la nomojn de voĉdonintoj pri kiu ajn decido». Do, la agado de la Akademianoj nun estas konspire envualita per plej severa mistero.

Se ni transiros nun al la demando pri la libereco de presigado kaj korespondado,—nia impreso ne estos pli agrabla. Ekzistas Idista cenzuro, s-roj Couturat kaj Leau propramane subskribas ĉiun Idistan libron, kaj ekz. en la Februara n-ro de «Progreso» (j. 1913, pĝ. 48) s-ro Couturat refoje konsilas «uzi nenian lernolibron, kiu ne estas reviziita de la Akademio.» Patrine zorgas Ido pri sia adeptaro kaj jen estas specimeno de oficiala cirkulero, kiun la Idistaj guvernantoj, Couturat kaj Schneeberger publikigis en «Progreso» (1911, pĝ. 240): «Ni konsilas tre serioze kaj insiste al ĉiuj niaj amikoj sin deteni de privata korespondo kun partianoj de ceteraj lingvoj, aparte kun Esperantistoj. Se iu ricevas leteron, diskutantan pri lingva aŭ praktika demandoj, li estas petata respondi nur, ke li resendos ĝin al la sekretarioj de la Komitato aŭ de la Akademio». Ido nomas tion «severa, sed necesa disciplino» kaj sur la pĝ. 44 de «Progreso», 1912 ni ree legas: «Ni ripetas insiste la gravan konsilon kaj *regulon*: ne lasu altiri vin en kiun ajn privatan diskuton kun l'Esperantistoj, ĉu pri lingva ĉu pri praktika demandoj» (pri la «partianoj de ceteraj lingvoj» oni jam silentas!). En la Novembra n-ro (1912) «Progreso» denove admonas: «neniam lasu entiri vin en privatajn lingvo - diskutojn kun esperantistoj»! Ho, danĝera, tre danĝera estas la korespondado kun malicaj esperantistoj. Kompreneble, ili ne sendas inferan maŝinon al sia malamiko, sed ili ja povas fari ion pli teruran, nome klarigi al la naiva idisto la veran situacion kaj konverti lin al Esperanto. Do, la obeema Idisto devas transsendi la tutan korespondadon al s-ro Couturat, ke li respondu mem kun sia konata toleremeco. Pri la lasta kvalito de s-ro Couturat bonege atestas Akademiano Hugon, kiu skribis en la № 5 de «The Int. Lang.» (1911): «multe laborinte por Ido

mi ekrimarkis, ke kiam ajn miaj opinioj ne tute akordiĝis kun tiuj de s-ro Couturat, ili simple estis ignorataj».

Precipe s-ro Couturat volonte korespondas kun Esper. redaktoroj kaj en ĉiu n-ro de «Progreso» li kompatinde plendas, ke en nia Esp. gazetaro ne aperas liaj leteroj, protestoj, korektoj, reĝustigoj. Plej trafan respondon donis al s-ro Couturat s-ro Hugon («Akademiano» de Ido), kiu jene skribis en «The Int. L.» (1911, № 5): «s-ro Couturat rifuzis, formale kaj aŭtokrate rifuzis korektigi falsan, *intence falsigitan*, indikon, kaj li predikas demokratan guvernadon de la lingvo, kaj li ĉiam denuncadas la netoleremajn kaj aŭtokratajn Esp. ĉefojn... Mi demandas,—daŭrigas s-ro Hugon,—ĉu s-ro Couturat havis la juron forigi en Progreso ĉiujn novajn projektojn de lingvo internacia kiel Romanal,—tre bona projekto, kiu havas multe da bonaĵoj,—kaj aliajn?»

Ke al s-ro Couturat ne estas tre agrable paroli pri la novaj lingvoprojektoj,—tio estas memkomprenebla. «Delegacio,—skribis s-ro Couturat en «Progreso» № 52, estis fondata precize por realigi la unuecon de lingvo internacia». «*Antaŭ* la Delegacio ekzistis ne unu kaj multaj lingvoj, *post* la Delegacio ekzistas nur unu» («Observeyo»), t. e. Ido. Sed ni ja vidis, ke Esperanto ne mortis, ke la aŭtoroj de ceteraj sistemoj, ekzamenitaj de la Delegacio, esceptinte nur s-ron Bollack, ne akceptis Idon kaj daŭrigas sian propagandon. Tuj ni vidos, ke aliflanke la rimedo proponita de s-ro Couturat ne prezervis la naskiĝon de amaso da novaj projektoj. Fakte, *post* la Delegacio aperis *Pan-Arisch*, *Pankel*, *Unial*, *Europal*, *Romanal*, *Corintic*, *Eulalia*, *Dutalingue*, *Adjuvilo* *), *Lingua Perfect de Hartl*, *Reform-Esperanto de Seidel*, *de Stelzner kaj de Antido*, *Interlingua de Ugo Basso*, *Simplo*, *Omnez*, kaj eĉ en Ruslando post la Delegacio aperis ses lingvoj, nome: du pro-

*) Adjuvilo (Ido reformita) laŭ opinio de prof. Peano, membro de la Delegacio, prezentas grandan progreson kompare kun Ido («Discussiones», 1910, № 6).

9

jektoj de s-ro Kovalev (Rostov): *Internacia Scienca* lingvo kaj due *Adelfia lingvo* *), trie «*Viva*» **) de D-ro Nesmejanov (Moskvo), «*Scienca Lingvo*» de s-ro Vengerov (Ekaterinburg), «*Reform-Neutral*» de Rosenberger (Peterburgo) kaj lingvoprojekto de *Wahl*.

Same, la «Akademio» de Ido ne estas sola en la mondo .Krom nia Esper. Akademio, ekzistas «*Academia pri Interlinguo*», «*Academia Universal*», «*Academio Idiom Neutral*».

Nature la apero de ĉiu nova konkuranto kaj fondo de ia nova «Akademio» furioze kolerigas s-ron Couturat, kaj ekz. kiam en Peterburga ne-idista «*Progress*» unu sinjoro skribis, ke «*Reform-Neutral*» plaĉas al li pli ol Ido, s-ro Couturat en sia Pariza Idista «Progreso» (1912, pĝ. 184) akre protestis kaj ekkriis: «Bela argumento! Do ĉiu mondlingvano devas simple aliĝi al lingvo, kiu pli plaĉas al li! Ĉu oni ne vidas, ke tiamaniere oni havos neniam la definitivan solvon! Oni havos tiom multe da lingvoj, kiom da... kapoj. L'unueco estas absolute necesa malgraŭ ĉies personaj gustoj kaj preferoj». Nu, laŭ ĵus citita opinio de s-ro Couturat, Esperantistoj,— pro «l'unueco»,—devus neakcepti Idon, eĉ se ĝi tre plaĉus al ili, kaj des pli ili rajtis malakcepti Idon, se ĝi ne plaĉis al ili.

---

— Sed nia Ido,—argumentas la Couturatanoj,—estas lingvo de la Delegacio, scienca lingvo,—jen la diferenco. Idon vi *devas* lerni, ĉu Ido plaĉas al vi persone aŭ ne plaĉas,—tute egale! Vi povas kaj devas fidi al gusto kaj plaĉo de la Delegacio. Esperanto ja prezentas ver-

---

*) S-ro Kovalev skribis en sia lernolibro: «Ĝis la jaro 1912 aperis neniu helplingvo racia. Tamen la jaron 1912 oni devas noti kiel momenton, kiam estis solvita la multjarcenta problemo:—estas publikigita la Adelfia lingvo».

**) Sur propagandfolio de «*Viva*» estas presita bela portreto de prof. W. Ostwald.

kon de ne-profesoro Zamenhof, mizera Varsovia okulisto!

«Neniu lingvisto nun aprobas Esperanton kaj preferas ĝin al Ido»—fanfaronas s-ro Couturat en «Progreso» (1911, pĝ. 307) kaj en sia broŝureto «La verité sur l'Ido» (pĝ. 16) li ripetas centafoje: «Neniu lingvisto vivanta aprobis Esperanton». Pri la mondfama prof. Max Müller (†), aprobinta Esperanton, s-ro Couturat simple decidas, ke «se li vivus ankoraŭ, li certe aprobus Idon» (pĝ. 6).

Aŭdante la mensogan fanfaronadon de s-ro Couturat, oni povus supozi, ke prof. Jespersen ne estas la *sola* lingvisto, aprobinta Idon, kaj efektive en unu el la Idistaj propagandiloj ni legis, ke prof. Meillet (Parizo) estas ankaŭ partiano de Ido, sed en la, pli malfrue eldonita, broŝuro de s-ro Couturat «Sur la structure logique du language» (pĝ. 55-a) estas citata la sekvanta frazo, dirita de prof. Meillet mem en Parizo, la 25-an de januaro, 1912, dum scienca kunsido: «Mi ne studis speciale kaj profunde la diversajn lingvojn, sed mi estas konvinkita, ke *estas eble ellabori lingvon praktike utiligeblan*». Estas klare, ke se prof. Meillet vere aprobus Idon, li dirus, ke «estas ellaborita lingvo Ido, praktike utiligebla». Do, en la realeco sur nia planedo ekzistas nur unu sola lingvisto, prof. Jespersen, aprobanto de Ido *), kaj tial ne estas mirinde, ke la vortaristoj de Ido ne estas lingvistoj (aŭtoro de germana vortaro estas inĝeniero), ne estas mirinde, ke prezidanto de la Idista Akademio estas ordinara luterana pastro s-ro Schneeberger en Lüsslingen, svisa urbeto-vilaĝo. La sekretario de l'Akademio same estas ne-lingvisto s-ro Couturat. La ceteraj «Akademianoj» estas ne-profesoroj: L. de Beaufront, Lusana, gimnazia instruisto de biologio Mackensen, oficisto P. Janko, kuracisto

*) Simile, Idiom Neutral havas nur unu adepton-lingviston, prof. Eug. Monseur (Bruselo).

Hermann, D-ro Casares, inĝeniero Feder kaj prof. Jespersen, la sola lingvisto. Fine, Akademiano estas ankaŭ kontoristo Kofman, kiu, laŭ oficiale propaganda folio de Schneeberger, estas docento de Universitato en Odessa. Sed tio ne estas vera *) (vidu la piednoton).

Koncerne Esperanton ni povas diri, ke ni ne havas la manion de scienc-titoloj. Jen, ekz. nia Moskva kunbatalanto D-ro Kabanov, ne-kontoristo, sed reala docento de Moskva Universitato (ĝis la jaro 1912), neniam titolis sin «docento» en la nomaro de «Lingva Komitato», nek sur la kovrilo de multenombraj broŝuroj, lernolibroj kaj legolibroj de Esperanto, verkitaj de li. Se la Idistoj deziras, ni povas prezenti al ili longan nomaron de Esperantistoj *ekskluzive profesoroj* (ne-docentoj) de l'Universitato: H. Dor, eks-rektoro, de Berna Universitato, Boirac, rektoro de Diĵona Universitato, Elistratov, prorektoro de Moskva U-to, Lambert, dekano de Diĵona U-to, Villareal, dekano de Lima U-to, Brandt, Djakonov, Offret, Meray, Mayor, Johnston, Gautherot, Fuchs, Förster, Forel, Kohler, Krüger, Bujwid, Ŝiŝmanov, Dolz, Cotton, Laisant k. t. p., k. t. p.

Malfeliĉe D-ro Zamenhof mem ne estas profesoro de lingvistiko. Pri tiu «bedaŭrinda» cirkonstanco ni aŭskultu kompetentan opinion de lingvisto prof. Baudouin de Courtenay, kiu en sia libro «Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen» skribas: «ĝuste la specialistoj, t. e. teo-

*) En svisa ne-idista gazeto «Der Wanderer», № 4, 1912 ni legis artikolon, en kiu eminenta svisa idisto fanfaronas pri la nombro de Idistoj-profesoroj kaj interalie citas s-ron Kofman kiel privat-docenton de Odesa Universitato. Pri la docenteco de Kofman ni legis ankaŭ en la sveda «Mondo» (Jan.—Febr. 1913); tial ni decidis demandi s-ron Kofman mem kaj li respondis: «Mi ne estis elektita kiel privat-docento de la Universitato en Odessa kaj eĉ ne estis rusa studento... Evidente la homoj havas tro multe da libera tempo. De kiu do vi ricevis tian neveran informaĵon?»

riistoj nur treege malofte estas bonaj inventistoj» (pĝ. 14) kaj li atentigas, ke «la grandaj ĉefverkoj de l'muzikarto ankaŭ estis kreitaj de homoj, kiuj absolute ne konis la teorian bazprinciparon de l'akustiko» (pĝ. 15). Do, ni ne devas bedaŭri, ke la aŭtoro de Esperanto ne estas specialisto de lingvoscienco, des pli, ĉar s-roj Couturat kaj Leau mem rimarkigas en sia «Histoire» (pĝ. 476-a), ke la filologoj tendencas *«konstrui lingvon tro sciencan kaj tro komplikitan, sagace spritan verŝajne kaj subtilan, sed nepraktikeblan»*.

Sed, eble estus pli bone, se D-ro Zamenhof ne havus la simplan titolon de kuracisto kaj ekz. okupus la profesoran katedron de medicino, aŭ ĥemio kaj fiziko, simile al Pfaundler, Lorenz k. a.? Ne, estas nedubeble, ke, se D-ro Zamenhof estus profesoro, li ne disponus la necesan libertempon por sufiĉe studi la lingvosciencon kaj krei taŭgan lingvon internacian. Lian cerbon tro posedus tiam la interesoj de lia specialeco: medicino, fiziko, k. s.

Pli supre ni detale montris, ke la Delegacia Komitato konsistis el personoj, kies rezolucio ne povis esti aŭtoritata por la esperantistaro, nek por la profana publiko. Ni montris, ke la Komitato agis nekonforme al sia statuto kaj nun restas al ni nur ripeti kun la vicprezidanto de la Delegacia K-to, prof. Baudouin de Courtenay: «La rolo de la Delegacio kaj de la Komitato estas malprosperinta». Cetere, tion silente konfesis la Idistaro mem, fondinte en Bern Kontoron de lingvo internacia por ree ekzameni la tutan mondlingvan projektaron kaj ree elekti la plej perfektan lingvon internacian; alivorte la Berna Kontoro penos reenscenigi la Delegacian komedion. La esperantistoj certe ne partoprenos la novan aventuron, memorante la profetaĵon de prof. Baudonin de Courtenay: «Se oni proponas anonci konkursojn por lingvoj artefaritaj kun premioj, elekti komisiojn por eltrovo de nova lingvo k. t. p., tiam oni volas reale enterigi la tutan aferon» («Zur Kritik»... pĝ. 45—46).

---

Jam ni respondis dece pri la «Fundamento» kaj pri la «libereco». Nun estas nerespondita nur 1) la riproĉo, koncernanta Esp. literaturon kaj 2) la kritiko, rilatanta la internan karakteron de nia movado, ĝian t. n. «internan ideon».

Komence ni esploru la riproĉon № 1. D-ro Borgius la unua kulpigis Esperanton, ke ĝi estas tro versema (Warum ich Esperanto verliess, pĝ. 92) kaj li deklaris, ke «en lingvo artefarita oni ne povas verki versaĵojn, lingvo artefarita devas esti severe logika». Prof. Jespersen siavice diris sentence: «Lingvo internacia ne devas pretendi al la plej alta literaturo kaj al la poezio». «Lingvo internacia,—neapelacieble decidis s-ro Couturat,—devas servi nur por scienco, industrio, komerco, fine por vojaĝoj kaj rilatoj praktikaj; sendube ni celas nek literaturon, nek precipe la poezion *)». «Ni ne aprobas la poezion de Zamenhof aŭ la enteatrigon de Ifigenio en Esperanto,—skribis prof. Pfaundler, kaj tamen la 3-an de aprilo 1908 la nuna idolo Idista, s-ro Peus entuziasme parolis en Anhalta parlamento pri tio, ke dum la Dresdena Kongreso Esperantista oni ludos en Esperanto Ifigenion sub gvido de la fama Emmanuel Reicher. Turnante nin al la specialistoj, ni trovas, ke laŭ kompetenta opinio de franca verkisto Léon Frapié «Zamenhofaj tradukoj de klasikaj ĉefverkoj ekz. Hamleto, Rabistoj, Ifigenio en Taŭrido estas pli bonaj, ol en kiu ajn alia lingvo nacia»; la samon diris la Peterburga kompetentulo Kremlev. Sed, por la Idistoj s-ro Couturat estas persono plej kompetenta, do, ni citu lian opinion el la broŝuro «Ĉu unu lingvo internacia aŭ tri?», eldonita en la jaro 1907 antaŭ la Delegacia decido. Nome sur la pĝ. 23—24 s-ro Couturat skribis: «Pli bone ol ajna nacia lingvo dank'al sia mirinda fleksebleco Esperanto

*) Konsekvence «Progreso» kaj la mortinta «Progresido» decidis «akcepti nenian poeziaĵon». Tamen lastatempe la plej eminentaj Idistoj komencis fabriki rimojn, kaj ekz. «Idealisto» estas plena de versaĵoj, kies kvalito ne estas unuagrada.

ebligas fidele kaj obeeme reprodukti ĉiujn personajn aŭ naciajn stilojn, kaj oni povas facile ilin rekoni kaj distingi en la bonaj Esperantaj tradukoj. Oni do povas ricevi ideon de la stilo de la originalo multe pli ekzaktan per Esperanta traduko, ol per traduko en ajna vivanta lingvo *)... Esperantaj tradukoj estas egalaj kaj ofte pli bonaj ol ĉiu nacia traduko, eĉ ne konsiderante, ke tiu ĉi ofte ne ekzistas». Nu, ĉar «tiu ĉi» ne ekzistas en Ido, kies la tuta beletristiko kostas Sm. 0,30 kaj konsistas el du flandraj legendoj («Aventuri di Gayant», «La Malicaji di Maneken-Pis»), «La rakonto pri Saidjah» kaj «Krambambuli ed aforismi»,—do Ido ne bezonas la literaturon, same kiel ĝi ne bezonas la akordigon de adjektivo kun substantivo, same kiel ĝi ne bezonas «bruan manifestadon», «publikan propagandon», «amerikan reklamon» k. c.—per unu vorto: kion Ido ne havas, tion ĝi ne bezonas!

Pri la riproĉo № 2, koncerne la «internan ideon», «Neutran-Moresnet», «Esperantujon», «kulton de Majstro» k. t. p., ni diros nur ke la vorton «Esperantujo» ni unuafoje renkontis ĉe Idista Akademiano Kofman en «Esperanto» de D-ro Ostrovski, ke la iniciatintoj de la fantazia ideo pri Esperantista ŝtato estis prezidanto de Idista Akademio, pastro Schneeberger, Grillon kaj leŭtenanto Giminne, membro de Idista Direktanta Komitato. La sola interna ideo de Esperanto estas la humana ideo de lingvo internacia, la ideo havigi al la homaro universalan interkomprenilon, kaj se Esperanto absolute estus senidea, se ne ekzistus la *esperantismo*, kiamaniere povus aperi la apostoloj kaj pioniroj de Esperanto, por kio ili oferus senprofite sian monon kaj tempon, pro kio ili tolerus la publikan mokadon kaj ignoradon?—«La nepoj nin benos, se ni pacience eltenos»,—tiu sola penso instigis kaj refortigis ilin,

*) Kompreneble, tio ne estas ebla en Ido, kiu sekve de la rigida vortordo ne povas precize reprodukti la stilon de la originalo.

kaj certe la sama penso, la sama «interna ideo» nun progresigas la aviadon, ĉar pro la ideo,—ne pro la mon-intereso,—mortas la aviadistoj. Turnante nin al Ido, ni, fine, rajtas demandi, ĉu vere la Idistoj laboras ne por la ideo de lingvo internacia, sed nur por sia persona ambicio, pro la persona envio? Sufiĉe klare la Bulonja deklaracio difinas, ke «la Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa... Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia esperantisto ligas kun la Esperantismo, estas lia afero pure privata, por kiu la Esperantismo ne respondas... Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li ĝin uzas».

Nun pri la «kulto de Majstro». Ke D-ro Zamenhof estas homo mirinde modesta,—tion pruvi estas superflue. Tuj en la komenco D-ro Zamengof rifuzis la aŭtorjuron, kaj dum la Krakova Kongreso li diris: «Mi petas vin, ke de la nuna momento vi ĉesu vidi en mi Majstron, ke vi ĉesu honori min per tiu titolo... La nuna kongreso estas la lasta, en kiu vi vidos min *antaŭ* vi, poste, se mi povos veni al vi, vi ĉiam vidos min nur *inter* vi». Bedaŭrinde, kelkaj fanatike idoligas D-ron Zamenhof kaj plej frapantan specimenon de tiu idolismo prezentas la sekvanta frazo, kiun ni citas el la libro «Tra Mez-Afriko»: «La franca registaro kreis Zamenhof kavaliro de la honora legio. Ni deziregu tutkore, varmege, entuziasme, ke ĉiuj registaroj ordenu siavice nian gloran Majstron. Ni deziregu ankaŭ, ke la registaroj efektivigu dum la vivo de Zamenhof la respektdevon tiel merititan de lia verkado, t. e. la oficialan alprenigon de Esperanto de ĉiu popolego aŭ popoleto civilizema. Vivu Zamenhof! Vivu li! Vivu Esperanto! Esperanto vivu!» Feliĉe, tiu himno en prozo estis verkita de K-to Ch. Lemaire, la nuna vic-prezidanto de Idista Direktanta Komitato kaj redaktoro de «*Belga Sonorilo*», gazeto kiu penas senkronigi kaj detronigi D-ron Zamenhof.

Ĵus ni parolis pri «Belga Sonorilo» kaj ni devas noti, ke, kvankam ĝi estas redaktata en Ido, tamen s-ro Lemaire titolas sian organon en ĉiu n-ro: «*Libera gazeto Esperantista*». Same agas Beaufront, eldonante «L'Espérantiste» en Ido. Pli korektaj Idistoj parolas pri «Reform-Esperanto», pri «Esperanto simpligita», pri «Lingvo internacia», sed la uzon de vorto «Ido» ili evitas kaj tiamaniere ili supozigas la publikon, ke la esperantistaro mem reformis sian lingvon kaj ke la ne-reformita Esperanto jam estas entombigita. Aliparte, Ido ne rajtas ankaŭ sin prezenti kiel lingvo memstara kaj originala *). Tiamaniere la situacio de Ido vere ne estas enviinda.

Sed, kion opinias la Idistoj mem? Komence estis deklarite: «En la penso de Ido ne verko diferenca aperis, kaj Esperanto daŭris sub la sama nomo kun kelkaj ŝanĝoj («Deklaro de Ido»). «Ni proponas ne novan lingvon,—klarigis Beaufront en «L'Esp.» 1908, № 7,—sed novan dialekton de Esperanto». «La diferenco inter Ido kaj Esperanto estas tre malpli granda ol inter la dialektoj de Berlin kaj Hamburg»—certigis «Svensk Värl. Tidn.» (1910, pĝ. 84), *por allogi la esperantistaron*, sed poste, vidante, ke la logilo ne efikas, ke la esperantistaro restas fidela, Ido subite aliigis sian konduton kaj nun,—por altiri la adeptaron de «Idiom Neutral»,—«Progreso» proklamis, ke «*Ido estas vere Idiom Neutral plibonigita*» kaj s-ro Beaufront argumentas: «*Oni forgesas, ke ni ne estas kaj neniam estis Esperantistoj*».

Pli supre ni konstatis, ke Ido tre multe pruntis ĉe

---

*) Aŭtoro de «Int.-Scienca lingvo» s-ro Kovalev, kiu skribas, ke li «kondamnis al morto Esperanton», tamen opinias, ke: «Idistoj ne havas sian lingvon kaj ne havas la moralan rajton nomi Idon sia propraĵo, ĉar Ido estas nur Esperanto, reformita kontraŭ la volo de Zamenhof kaj tiu de Esper. adeptaro. Ido ne rajtis reformi Esperanton same kiel vi ne rajtas, ekz., reformi la romanon de Hugo «Katedralo de Pariza Dipatrino» kaj presigi ĝin sub via nomo».

Esperanto, tamen nun kiam Esperanto,—sendepende de Ido,—akceptas ian novan radikon, trovatan en Idista vortlibro, s-ro Couturat krias, ke la Esperantistoj forrabis lian plej karan trezoron, kvankam la sama radiko pli frue troviĝis en Idiom Neutral kaj Reform-Neutral, Romanal, Neo-Latin, kaj en cento da aliaj lingvoprojektoj. Sen ia trograndigo estas direble, ke eĉ la *reformaro de Ido ne estas originala* kaj, reformante Esperanton, Ido nur imitis la aliajn projektojn kaj preskaŭ ĉiu nova regulo de la gramatiko, ĉiu nova vorto el la leksikono estas imitita. Do, Ido estas lingvo ne internacia, sed, pli precize, inter-internacia *) Tian lingvon (t. e. interkomprenilon por la partianoj de diversaj lingvoj internaciaj) la mondo dume ne bezonas, ĉar en la realeco ekzistas nur unu sola lingvo internacia «Esperanto».

---

Ni finas nian libreton kaj la leganto certe demandos nin: Kiom longe ekzistos Ido? Ni ne dubas, ke post kelke da jaroj Ido mortos, kiam la tuta kapitalo, kolektita por ĝia propagando, estos elspezita. En la kason de Ido transiris la sumo de 200.000 fr., kiun rifuzis akcepti D-ro Zamenhof kaj, krom tio, Ido ricevis multe da monoferoj. Per mono oni povas presigi librojn kaj gazetojn en kiu ajn lingvo, plej absurda, kaj dank'al tiu mono la Idistoj povis eldoni lernolibrojn, vortarojn kaj gazetaron, ne havante konsiderindan klientaron. Krom tio Idon materiale subtenas la fidelaj esperantistoj, ĉar ili,—kaj preskaŭ nur ili,—aĉetas la lernolibrojn de Ido, abonas «Progreson»,—por esti informitaj pri la demando. Ĝenerale, oni ne devas trosignifigi la fakton, ke ekzistas kelke da organoj en Ido. Oni ja scias, ke ĝis la jaro 1908 aperis du volapükistaj gazetoj «*Volapükabled lezenodik*» en Graz kaj «*Nuns*

*) Bedaŭrinde la loko mankas al ni por detale kaj dokumente pruvi la neoriginalecon de Idista reformaro. Pri tiu demando ni intencas verki apartan monografion.

*blefik se Volapükavol*» en Rotterdam, kvankam Volapük mortis delonge. Ĝis nun aperas en Peterburgo «*Progress*», organo de «Reform Neutral. En Perfectsprache estas eldonataj tri gazetoj: *Folio* *), «*Revista Universale*», «*Lingva Internationale*». En lingvo «Universal»—«*Universal-Korrespondenz*» kaj «*Humanitat*», «*Pasilalia*» en Pasilingua, «*Tal*» en Talnovas, «*Esperantano*» en la lingvo de D-ro Stelzner, «*Ro*» kaj «*World-Speech*» en filozofia lingvo internacia. Krome, estas nomindaj «*Discussiones*» de prof. Peano, «*Rivista di Lingua Internazionali*», «*Idei International*», «*Revue Cosmoglottique*» k. a. Baldaŭ aperos gazeto en «*Europal*». Sed, kompreneble, la eldonanto de tia gazeto estos ĝia sola leganto.

En la jaro 1908 s-ro Beaufront presigis artikolon sub la titolo: «De quoi l'Esperanto mourra» («Kial Esperanto mortos») kaj li profetis pri Esp. gazetoj: «ili ĵuras, ke ili restos fidelaj ĝis la morto. Nu, baldaŭ ili mortos». Tamen post la apero de Ido la nombro de Esp. gazetoj proksimume okobliĝis **), la literaturo mirinde floras, kaj historiisto de Ido s-ro Fraustädter konfesas, ke Ido ne prosperis sufoki Esperanton: male, Esperanto multe sukcesis («Die internationale Hilfssprache», pĝ. 117-a). La vivo—tago post tago—seniluziigas la idistaron. Ekz. prof. Lorenz en la libro «Int. lingvo kaj Scienco» (pĝ. 21) skribis, ke «la novan movadon, t. e. Idon interalie karakterizas la fakto, ke pri ĝi precipe interesi-

---

*) «Folio» kulpigas, ke Ido estas propagandata de *hebreoj*. Argumento tre stranga! Ĉu «Folio» ne scias ke la apostoloj de l'kristanismo ankaŭ estis hebreoj?

**) Nun aperas proksimume 200 gazetoj. Kiam en la jaro 1911 la «Internacia Scienca Revuo» kaj «Internacia Medicino» malaperis, ĉar la nova eldonanto s-ro Thalwitzer, kolektinte la abonmonon, preferis ne presigi la gazetojn, la Idistoj, precipe s-roj Couturat kaj Schneeberger malice triumfis kaj ne nur en siaj gazetoj sed eĉ en broŝuroj ili atentigis, ke nun Esperanto havas nek sciencan nek medicinan organon. Post nelonge aperis «Scienca Gazeto» kaj «Kuracisto» (la ambaŭ funkcias ĝis nun tre regule), tamen la Idistoj silentas pri tio. Jen specimeno de vera korekteco!

ĝas angloj kaj amerikanoj», sed fakte Ido ĝis nun estas ignorata de anglolingvanoj kaj ĝis nun aperas regule Idista gazeto nek en Ameriko, nek en Anglolando. Ne malpli indiferente rilatas al Ido la germanoj kaj sincere diris s-ro Haugg, redaktoro de «Int. Pioniro» kaj «Observeyo»: «la sukcesoj atingitaj ĝis nun estas kompare malgrandaj, konsiderante la multajn kaj gravajn klopodojn de niaj propagandistoj» («Internaciona Pioniro», № 16). En Ruslando aktive laboras por Ido ne pli ol 5—6 personoj kaj, kredeble en la tuta mondo oni trovus ne pli ol 300 personojn efektive lernintajn Idon *). La Idistaj Societoj funkcias nur sur la papero. Ordinare al Ido transkuras nur persono, kiu sentas sin ofendita kaj soifas venĝon, ekz. eks-prezidanto de Esp. Societo, ĉagrenita per tio, ke li ne estis reelektita, verkisto, kies manuskriptoj tro ofte trafis en la redakcian korbon, k. s. **). Krom tio, Ido ŝajnas esti pli facila al eks-esperantisto, kiu parte jam konas Idon per Esperanto, sed ne al novulo, neniam lerninta lingvon internacian. Tuŝante la lastan kategorion, ni devas noti, ke ĝi konsistas precipe el 11—18-jaruloj; ilin simple trompas la propagandistoj de Ido kaj estas memkompreneble, ke nur infano povas preferi al Esperanto la lingvon, kiu havas nek literaturon, nek adeptaron,—lingvon praktike ne uzatan. Sed, la junularo estas impresema, kaj la vortoj «*reformo*», «*progreso*» efikas magie, oni blinde kredas al la devizo, forgesante kontroli, ĉu *efektivan progreson prezentas la reformo de Ido*? Ni vidis, ke Ido, kompare kun Esperanto, estas malpli regula, malpli facila; do, ne la vorto *Progreso*, sed la vorto «*Regreso*» devas esti brodita sur la Idista Standardo. Tutkore ni dezi-

---

*) La esperantistaro prezentas nun 5.000.000-an armeon (proksimume). Preciza statistiko, bedaŭrinde, ne ekzistas kaj, cetere, ne povas ekzisti.

**) Ni ne povas nei, ke meze de l'Idistoj troviĝas homoj, sincere konvinkitaj, ke Ido superas Esperanton, sed la % de la sinceruloj estas tro malgranda.

ras, ke tiu standardo pereu, ĉar la profana publiko, rimarkinte, ke, krom Esperanto estas manifestata alia lingvo internacia, lernos nek la unuan, nek la duan, nek Esperanton, nek Idon. La publiko inerte atendos, rememorante la funebran sorton de Volapük kaj...

— Ho, Volapük!—triumfe interrompas nin Couturatanoj. Jen, simile al Volapük pereos Esperanto, ĉar, simile al Zamenhof, abato Schleyer ne konsentis reformi sian lingvon!

Unue, por kompari tiamaniere, estas necese pruvi, ke ekzistas analogio inter Volapük kaj Esperanto unuflanke kaj inter Esperanto kaj Ido—aliflanke. Estas facile diri, ekz., ke Beaufront similas Judason, ke Couturat envias la gloron de Herostrato, tamen oni devas ankaŭ pruvi, ke Esperanto estas komparebla kun la templo de Diano Efesa. Kaj same oni devas pruvi, ke Esperanto estas komparebla kun Volapük. Se Ido estas «*Esperanto reformita*», Esperanto ja ne estas analogie «*Volapük reformita*». Inter Esperanto kaj Volapük ekzistas granda kaj okulvidebla diferenco, Esperanto,—kompare kun Volapük,—estas *nova*, konstruita sur alia principo, lingvo internacia, *nedubeble* pli natura, pli simpla pli facila, pli belsona, dum Ido estas nur «*dialekto de Esperanto*» (Beaufront) kaj estas *disputeble*, ĉu tiu dialekto estas pli bona ol Esperanto. Kontraŭe, ni opinias, kaj, ni esperas, la leganto same opinias, ke Ido ne povas superi Esperanton, ke ĝi estas ne dialekto, sed ĵargono de Esperanto. Fine, kiel diris D-ro Zamenhof dum la Antverpena Kongreso, «Volapük ne estis venkita de Esperanto... Ĝi pereis *per si mem* en tiu tempo, kiam la trankvile kaj senartifike laboranta Esperanto estis ankoraŭ tro malforta por venki iun». En la momento de sia apogeo, Volapük havis nur 283 societojn kaj unudu literaturaĵojn. Kontraste Esperanto nun havas ne malpli ol 3000 societojn kaj riĉan, kelkmillibran bibliotekon. Ni fidu al la vic-prezidanto de la Delegacia Komitato, prof. Baudouin de Courtenay, kiu okaze de la

Krakova Kongreso (11—18 de Aŭgusto, 1912) skribis, ke «Esperanto povos vivi ankoraŭ dum kelkaj generacioj». Ĝi enradikiĝis jam tro profunde, kaj se eĉ estus kreita nova lingvo, bazita sur alia, pli racia principo, lingvo efektive pli facila kaj nesimila al Esperanto,— ni dubas eĉ pri la sukceso de tia, vere pli perfekta, lingvo. La esperantistaro ne devas nun timi la konkuradon, des pli la konkuradon de Ido,—mizera abortito de Beaufront-Couturat.

Nia vojo estas ĝusta vojo. Do, ni marŝu pluen, sentime, senlace!

**B. Kotzin.**

---

# TABELO DE L'ENHAVO.

---

